*Esperanto en servo de la monda paco*



# paco

Bulteno de la MEM-Sekcio de Germana Demokratia Respubliko



1980

# Por reciproka fido en Eŭropo

**El la parolado de L. I. Breĵnev en Berlino dum la solena kunsido dediĉita al la 30-a datreveno de Germana Demokratia Respubliko (la 6-an de oktobro 1979)**

... Dum la jubileaj tagoj ne estas superflue rememori la trairitan vojon. Aŭtune 1949, kiam estis fondita Germana Demokratia Respubliko, politika situacio en Eŭropo, kaj ne nur en Eŭropo, estis treege streĉa. Super la kontinento traflugis skvaloj de la „malvarma milito". Jam estis formita bloko NATO-ĉefa milita instrumento de imperiismo. Iuj politikistoj en Okcidento minacis transformi la „malvarman" militon en militon „varmegan". Balancado „ĉe la rando de milito" estis apenaŭ ne ĉefa principo de la ekstera politiko de la imperiisma ŝtataro ...

... Kio rilatas Sovetan Union, mi ankoraŭ kaj ankoraŭfoje ripetas: ni ne celas al la armita supereco. Ni neniam havis, nek havas nun intencon minaci al iu ŝtato aŭ al iu grupo da ŝtatoj. Nia strategia doktrino havas tute sindefendan direkton. Asertoj, ke Soveta Unio kvazaŭ kreskigas sur la eŭropa kontinento sian militpotencon en skaloj ne kaŭzitaj per bezonoj de sindefendo, tiaj asertoj havas nenion komunan kun la realo. Tio estas intenca trompo de la vasta publika opinio.

En Eŭropo, kiel en ĉiuj aliaj regionoj de nia planedo, ni deziras pacon, firman pacon. Tio estas fundamenta bazo de nia ekstera politiko, ĝia vertebra spino. Tiun politikon ni efektivigas konsekvence kaj sendevie.

Kiel prezidanto de Defendkonsilio de USSR mi tute klare konfirmas: dum la lastaj dek jaroj sur la teritorio de l'eŭropa parto de Soveta Unio la kvanto da portantoj de nuklearmilaro ne estis multigita eĉ je unu raketo, nek je unu aviadilo. Kontraŭe, la kvanto da lanĉinstalajoj por mezdistancaj raketoj same, kiel potenco de nuklea ŝargo de tiuj raketoj eĉ iom malpliiĝis. Reduktiĝis ankaŭ kvanto da mezdistancaj bombaviadiloj. Kaj sur teritorioj de aliaj landoj Soveta Unio tiajn armilojn ĝenerale ne dislokas. Dum vico da jaroj ni ne multobligas nombron de niaj trupoj, dislokitaj en Centra Eŭropo.

Mi diru eĉ pli. Ni estas pretaj redukti, kompare al la nuntempa nivelo, kvanton da nuklearmilaj rimedoj mezdistancaj, starigitaj en la okcidentaj regionoj de Soveta Unio, sed certe, nur tiuokaze, se en Okcidenta Eŭropo ne estos aldona dislokado de nuklearmilaj rimedoj mezdistancaj.

Mi volas ankaŭ solene konfirmi, ke Soveta Unio neniam aplikos nuklearmilojn kontraŭ tiujn ŝtatojn, kiuj rifuzas produkti kaj aĉeti nuklearmilojn kaj ne havas ilin sur sia teritorio.

Movataj per sincera deziro forkonduki el la senelirejo multjarajn penojn por atingi militan malstreĉiĝon en Eŭropo, montri ekzemplon en transiro de la vortoj al la realaj agoj, ni, interkonsentite kun la gvidantaro de GDR kaj post konsultado kun aliaj ŝtatoj-anoj de Varsovia Kontrakto akceptis decidon redukti unuflanke kvanton de sovetiaj armeanoj en Centra Eŭropo. Dum sekvontaj 12 monatoj el la teritorio de Germana Demokratia Respubliko estos forkondukitaj ĝis 20 mil sovetiaj armeanoj, mil tankoj, kaj ankaŭ certa kvanto de alia militteknikо.

Ni, estas certaj, ke ĉi-tiu nova konkreta manifestiĝo de pacamo kaj bona volo de Soveta Unio kaj ĝiaj aliancanoj estos aprobita fare de la popoloj de Eŭropo kaj la tuta mondo. Ni alvokas la registarojn de la NATO-landoj laŭmerite taksi la iniciatojn de la socialismaj landoj kaj sekvi nian bonan ekzemplon.

Nia lando pledas por plua vastigo de rimedo pri reciproka fido en Eŭropo. Ni, aparte, estas pretaj interkonsenti pri tio, ke antaŭviditaj en la Fina Akto de Helsinki antaŭsciigoj pri grandaj militekzercoj de surteraj fortoj estu farataj antaŭ pli daŭra templimo kaj ne de la nivelo 25 mil homoj, kiel nun, sed de malplia, ni diru, de la nivelo je 20 mil homoj. Ni estas ankaŭ pretaj – je principoj de reciprokeco – ne okazigi militekzercojn kun partopreno de pli ol 40–50 mil homoj.

Kompreneble, restas validaj proponoj de la socialismaj landoj rilate al antaŭsciigoj pri grandaj militaeraj ekzercoj kaj militmaraj manovroj proksime al la teritoriaj akvoj de aliaj ŝtatoj-partoprenintoj de la tuteŭropa konferenco.

Kaj ankoraŭ unu aferon ni volas proponi al Okcidento: ni devigu nin en la regiono, difinita en la Helsinkia akto, ĝustatempe antaŭsciigi ne nur pri militekzercoj, sed ankaŭ pri movadoj de surteraj fortoj, nombrantaj pli ol 20 mil homojn.

Povas esti esploritaj ankaŭ aliaj ideoj por plifirmigi fidon inter la ŝtatoj, por malpliigi danĝeron de militeksplodo en Eŭropo. Plej konvena loko por pridiskuti larĝan komplekson da rimedoj por milita malstreĉiĝo en Eŭropo ni kiel antaŭe konsideras tuteŭropan konferencon sur politika nivelo, kies preparado kaj kunvoko estas tre aktuala, oni povas diri – maturiĝinta.

Kiel konate, antaŭstaras ankaŭ gravaj interparoloj pri SALT-3. Ni pledas por komenci ilin tuj post validiĝo de la kontrakto SALT-2. En kadro de la interparoloj ni konsentas pridiskuti eblecojn pri limigo ne nur de interkontinentaj, sed ankaŭ de aliaj specoj de armilaro – kompreneble, konsiderante ĉiujn rilatantajn al tiu sfero faktorojn ĉe strikta obeo al la principo pri egala sekureco de la flankoj.

Tiamaniere, USSR, GDR, kaj aliaj socialismaj landoj de Eŭropo proponas klaran perspektivon – reale garantii al ĉiuj eŭropaj popoloj vivon en kondiĉoj de sekureco kaj paco. Nun estas vico de la okcidentaj landoj. Ilia respondo montros, ĉu ili estas pretaj konsideri volon kaj vivgravajn interesojn de la popoloj. Ni esperas, ke realismo, ŝtata saĝo kaj fine simpla sana prudento venkos.

---

Kiel konate, la membro-landoj de NATO ne akceptis la ŝancon donitan en la parolado L. I. Breĵnev kaj plue suriris la vojon al akriĝo de la internacia situacio. Kion signifas kaj planas NATO *vere* (ne laŭ oficialaj deklaroj) tre klare montras la intervjuo kun la iama kunlaborantino en NATO, s-ino Ursel Lorenzen. Intervjuo, certe ne tro konata en okcidentaj landoj.

La red.



Foto: Zentralbild

# NATO SEN MASKO

La NATO-decido de decembro 1979 en Bruselo produkti raketojn de la tipoj Pershing II kaj Cruise Missile kaj loki ilin en okcidenta Eŭropo, sed ankaŭ ĉiuj aliaj paŝoj, per kiuj Usono kaj ĝiaj aliancanoj lastatempe eskalis la armadon, estas ĉiam motivitaj per la aserto, ke tiaj disponoj estas necesaj pro la pli kaj pli granda minaco, kiu laŭdire venas el la oriento kaj devigas la ŝtatojn de la „libera mondo" streĉi siajn defendofortojn. Ke tio estas konscia mensogo por erarigi la popolojn kaj kamufli proprajn NATO-celojn, estis plian fojon pruvite en gazetar-konferenco kun ĵurnalistoj kaj reprezentantoj de radio, televizio kaj informagentejoj el multaj landoj, kiu okazis ĵaŭdon, la 17-an de januaro 1980 en Berlino, ĉefurbo de Germana Demokratia Respubliko.

En la centro de tiu ĉi konferenco estis sinjorino Ursel Lorenzen, iama asistantino de la direktoro por konsiliaj operacioj de la ĝenerala NATO-sekretariejo, kiu transiris en GDR en marto de la pasinta jaro. En la kadro de sia laboro ŝi partoprenis sur plej alta nivelo en kunvenoj de la komitato pri defenda planado (DPC) kaj de la militista komitato (MC). Ŝi kunlaboris kun ĉiuj gravaj sekcioj en la civila kaj militista sferoj de NATO kaj intime komunikiĝadis kun ĉiuj naciaj delegitaroj kaj naciaj militistaj reprezentantoj en NATO same kiel kun reprezentantoj el ĉiuj NATO-ĉefurboj. Do, ŝi havis ampleksan enrigardon en ĉiujn strebadojn kaj planojn de NATO kaj en dokumentojn pri aferoj, kiujn oni zorge kaŝas antaŭ la monda publiko. El tiuj enrigardoj kaj el siaj interparoloj kun altaj oficistoj kaj oficiroj de NATO ŝi ekhavis gravajn ekkonojn, kiuj estis la motivoj por ŝia transiro al GDR. Jen la plej gravaj el ili, prezentitaj de ŝi en la menciita gazetar-konferenco:

1) Sub la gvidado de Usono NATO senĉese strebas al militista supereco super la landoj de la Varsovia Pakto kaj antaŭvidas en ĉiuj konceptoj pri atakoperacioj la senskrupulan aplikadon de nukleaj armiloj. Dum la stabmanovroj de la NATO-komandantaro – ekz. de la WINTEX-serio en la pasintaj jaroj – oni ĉiam ekzercis la aplikadon de nukleaj armiloj kiel unua. La operacia koncepto de NATO estas direktita tiel al translokigo de la militagoj al la teritorio de la socialismaj ŝtatoj kiel ankaŭ al la aplikado de nukleaj kapacitoj. Jam en la malfrua aŭtuno de 1978 la tiama asistanto de la usona defendministro por nukle-strategiaj aferoj, Donald R. Cotter, postulis, ke „por adekvata fortimiga operacia koncepto kaj por efika antaŭendefendado NATO devas akiri sufiĉe grandan frapforton por disbati la malamikajn fortojn sur la teritorio de la Varsovia Pakto kaj de Sovetunio. NATO devas evoluigi la kapablon ligi ĉiujn partojn de la fortoj en Orienta Germanio, Ĉeĥoslovakio, Pollando kaj Sovetio. Tio necesigos la konstruon de aplik-(strike)-sistemoj de pli longa atingodistanco por nukleaj kaj konvenciaj NATO-fortoj."

2) Multaj disponoj de la longdaŭra armadprogramo (LTDP) montras, kiel profunde oni intervenas per tiu strategio en la civilan vivon de la NATO-ŝtatoj kaj iliaj popoloj. Tiel la evoluigo de la aertrafikaj gvidorganoj, de la flugkapacitoj same kiel de analogaj disponoj en la kampo de martrafiko efektiviĝas antaŭrange laŭ militistaj vidpunktoj.

Ĉe ĉio ĉi oni devas esti klara pri tio, ke NATO ne hezitos apliki kernarmilojn kiel unua. Ĉe la NATO-stabmanovroj de la WINTEX-serio en la pasintaj dek jaroj la apliko de kernarmiloj kiel unua estis ĉiam provita. Ĝi estas firma konsistiga parto de la nova dimensio de fleksebla reago (flexible response) kun nukleaj armiloj. Altaj NATO-oficistoj kaj -militistoj konfirmis, ke NATO kompreneble en ĉiu okazo aplikos kiel unua kernarmilojn. Ekde 1973 oni provis la partoprenigon de la komitato por defendplanado (DPC) sur ambasadora nivelo pli kaj pli intense kaj la aplikadon de nukleaj armiloj pli kaj pli ofte. Ĉe WINTEX 77 DPC provis sur ambasadora nivelo sep tagojn.

3) La strategiaj konceptoj de NATO apenaŭ konsideras la reagon de Sovetio kaj de la ceteraj ŝtatoj de la Varsovia Pakto. Pro tio, ke la militistaj gvidstaboj devas pruvi al la eŭropaj politikistoj, ke la operacia kaj strategia aplikado de nukleaj armiloj estas realisma, tiurilataj objetoj estas malatentataj de ili, eĉ ĉe la danĝero de atoma detruo en grandaj partoj de Eŭropo.

Pruvo por tio estas teletajpaĵo de la supera NATO-komandanto Eŭropo al la NATO-gvidantaro ĉe WINTEX 77, kiu entenis la sekvajn postulojn: La NATO-kernarmiloj devas garantii decidan eskaladon kaj sufiĉan ŝokon ĉe la malamiko. La unua aplikado inkluzivas GDR, ĈSSR, Pollandon, Rumanion, Hungarion kaj Bulgarion. Ĝi ampleksas entute 30 usonajn kaj britajn kerneksplodajn kapojn, pafitajn per usonaj, britajn, okcidentgermanaj, italaj, grekaj kaj turkaj trupoj.

4) La praktiko de la tiel nomata ‚Crisis Management', kriza manipulado, de NATO antaŭvidas provoki incidentojn, kiuj tiam estos uzataj kiel motivo por aprobi la unuan aplikadon de taktikaj kernarmiloj flanke de NATO.

Rilate al la tempo de streĉiĝo antaŭ militeksplodo la scenaro por la manovro WINTEX/CIMEX 79 enhavas vicon da krizaj situacioj intence kaŭzitaj de NATO. Krome ĝi antaŭvidas la aplikadon de premo kontraŭ registaroj por devigi ilin al rezigno pri siaj eksterblokaj aŭ neŭtralaj pozicioj. Disponoj efikantaj kontraŭ tio devus esti uzataj kiel pravigo por NATO eskali siajn agadojn en la koncernaj spacoj ĉe konscia malatento al la suverenenco de aliaj ŝtatoj. En tiu scenaro estas ankaŭ proponite uzi la reagon de socialismaj ŝtatoj al NATO-intervenoj en la liberan ŝiptrafikon kiel pravigon por perfortaj agadoj flanke de mararmeaj fortoj de NATO. En la longdaŭra armadprogramo, alineo mararmeo, oni postulas en tiu konekso, jam en tempoj de paco prepari teledirekteblajn minkampojn en marspacoj kaj markoloj, kiujn la socialismaj flotoj devas transpasi.

5) Por kamufli la celojn de NATO, la publika opinio en la okcident-eŭropaj ŝtatoj estis direktita al la NATO-kurso helpe de la mensogo pri „sovetia minaco" kaj aliaj instrumentoj de spirita manipulado.

a) 1974 oni ordonis ellabori „orient-okcident-studaĵon", kiu estis konfirmita en la Vaŝingtona supera NATO-konferenco 1978. Ĝi havis la celon pruvi la ekziston de „sovetia minaco" kaj servi kiel pravigo por la forcita armado en la kadro de la longdaŭra armadprogramo. Tamen ĝi ne povis ne paroli pri la „defensiva ekstera politiko de Sovetio" (punkto 34), kies ĉefcelo „nun kiel antaŭe estas la provo evoluigi amikecan rilaton kun Usono kaj eviti direktan konfrontadon" (punkto 147). Kaj en punkto 189 oni devis koncedi, ke la sovetia registaro probable daŭrigos sian politikon de malstreĉiĝo en videbla

estonteco". Tiuj ĉi konstatoj kontraŭaj al la mensogo pri „sovetia minaco" neniam estis publikigitaj en la okcidenta publiko.

b) En la interna rondo de la NATO-gvidantaro la tiama prezidanto de la militista komitato, admiralo Sir Peter Hill-Norton, diris dum kunveno en majo 1975, ke estas la opinio de la militista komitato, ke post la duflankaj intertraktadoj inter Usono kaj USSR la strategia ekvilibro estas atingita nun vere bone. Per la sama enspiro, tamen, li pentris bildon pri la danĝero de „minaco el la oriento" kaj postulis de ĉiuj NATO-membroj efike plialtigi siajn armadajn elspezojn por longa daŭro. El tiu evidenta kontraŭdiro rezultas, ke NATO komprenas sub „ekvilibro" ĉiam tia militista supereco, kiu ebligu politikon de forto kontraŭ la oriento.

c) En la DPC-kunvenoj en majo kaj decembro 1975 la tiama FGR-ministro por defendo, Leber, iniciatis devigan lingvo-reguligon por ĉiuj medioj. La ĝenerala sekretario de NATO, Luns, energie subtenis tiun penson kaj postulis ankaŭ de aliaj gremioj de la pakto, fine de siaj kunvenoj decidi kaj eldoni direktivojn por la gazetaro, kiuj devus fiksi la enhavon kaj la terminaron por la raportado pri minacanta sovetia militdanĝero. Oni atentigis tiukonekse pri tio, ke publike efikaj „faktoj" por la subteno al la mensogo pri „sovetia minaco" estos liverataj flanke de la sekretaj servoj.

(Laŭ gazetraporto kompilita de D-ro Karl Schulze, Berlin)

**Deklaro de GDR**

*Por nia lando, por ĉiuj popoloj kaj ŝtatoj la venontaj decidoj estas ekstreme gravaj.*

*De Berlin Leonid Brejnev entreprenis grandan iniciaton. En interkonsento kun GDR kaj kun la aliaj ŝtatoj de la Varsovia Pakto Sovetunio reduktos sen iu kondiĉo siajn bataltrupojn en Meza Eŭropo. Ĉi pretas redukti ankaŭ la nombron de mezdistancaj raketoj en la okcidentaj regionoj de USSR – kondiĉe ke NATO en Okcidenta Eŭropo ne instalos novajn usonajn mezdistancajn raketojn.*

*Se temas pri la sekurigo de la paco, ne estas allasebla iu ajn hezito. Ni ne rekonstruis nian landon el ruinoj, por ke ĉio denove cindriĝu. Kion kreis nia diligenteco, ne estu denove detruita. Ni subtenas la porpacan iniciaton de Leonid Brejnev. Ĉie ni bezonas prudenton kaj bonan volon anstataŭ armiĝo-frenezo kaj pormilita politiko. Ne novajn atomraketojn en Okcidenta Eŭropo – sed paŝojn por malarmado!*

*Ne vetarmadon – sed daŭrigon de malstreĉiĝo! Berlin, oktobro 1979*

**Horst Schötzki**

# Nukleaj sekretaĵoj

La suba foto – inkluzive la apartenanta al ĝi subskribo estas prenita el la eldono 47/79 de la ilustrita FRG-revuo „Stern" (stelo). Ekzistas gravaj motivoj por direkti la atenton de niaj legantoj al tiu fotodokumento.

Jam delonge ekzistas en Federacia Respubliko Germanio (FRG) raketoj de la tipo Pershing I, kiuj laŭ la konataj decidoj de la NATO-konsilio en decembro 1979 estos anstataŭigotaj per la kvalite nova tipo Pershing II kun trioble pligrandigita atingopovo kaj nukleaj plureksplodaj kapoj. Parte ili apartenas al la ekipaĵo de la usonaj trupoj tie kantonmentitaj, parte ili estas propraĵo de la federacia armeo. Kiel almenaŭ ĝis nun oni certigis ree kaj ree en multaj oficialaj deklaroj ankaŭ ekz. de sur la tribuno de la Federacia parlamento, la Pershing-I-raketoj de la federacia armeo ja distingiĝas per tio, ke la apartenantaj al ili nukleaj eksplodkapoj ne troviĝas en la posedo de la federacia armeo, sed en rigora gardo de la usonaj militistaj oficoj en FRG. Aliron al tiuj eksplodkapoj havos la federacia armeo nur en kazo de milito kaj eĉ tiam ne aŭtomate, sed nur laŭ tiurilata ordono de plej altaj usonaj oficoj.

**Evidentaj kontraŭdiroj**

Se vere estas tiel, la suba fotodokumento inkluzive la apartenantan al ĝi subskribon ne povas ne nur mirigi, sed eĉ alarmi. Ĉar en ĝi oni parolas pri Pershing I *kun nuklea eksplodkapo* de 400 kilotunoj, kiu klare videble portas la *emblemon de la federacia armeo.* Se unuflanke en oficialaj paroladoj same kiel en personaj interparoloj kompetentaj Bonn-aj politikistoj ree kaj ree deklaras, ke la federacia armeo ne posedas atomarmilojn kaj eĉ ne strebas akiri tiajn, sed aliflanke oni kolportas tiajn fotojn, certe estis kaj estas pli ol pravigite fari kelkajn tiurilatajn laŭcelajn demandojn. Ni opiniis kaj nun kiel antaŭe opinias, ke tiu evidenta kontraŭdiro bezonas respondon konforman al la vero kaj unusencan flanke de kompetentaj Bonn-aj oficoj.

Tiu ĉi respondo, envere, estis ĝis nun ne donita. Pri faktoj, kiujn ni raportas, aŭ opinioj, kiujn ni eligas, oni aliokaze ekscitiĝas kaj koleriĝas ne nur en amasmedioj kaj malŝparas multajn, kvankam malmulte pruvajn vortojn por aserti, ke ĉio ĉi ne estas vera. Sed ĉi-foje regas profunda silento. Nek la ilustrita FRG-revuo „Stern" nek la Bonn-a gazetarofico nek iu ofico de la federacia armeo ĝis nun provis eĉ nur per unu silabo diri klaran aŭ klarigan vorton, kiu nur povus esti utila konsidere al la signifo de la objekto. En la germana lingvo ekzistas proverbo: „Neniu respondo ankaŭ estas respondo!" Ne intencante trotaksi la saĝecon de proverboj, oni tamen ne povas ne konkludi el la ĝis nun prezentiĝanta faktaro, ke la federacia armeo fakte jam disponas pri atomarmiloj kaj ke oni provas pro tio, simple morte prisilenti la „Stern"-publicaĵon kiel malagrablan paneon.

Tiam ni ankaŭ starigis la demandon, ĉu kontraŭe al antaŭaj jaroj la almenaŭ vorte evidenta sinreteno rilate al la dezirego al disponpovo pri atomarmiloj eble povas rezulti el tio, ke oni jam ricevis tiujn armilojn por tiel diri sekrete. Bedaŭrinde tio ŝajnas konfirmiĝi – kaj ne nur en la okazo de la Pershing-raketoj.

**Neŭtrona armilo jam preta**

En sia februara eldono la FRG-junularmagazino „Elan" malkaŝas post tiurilataj, semajnojn daŭrintaj esploroj de la redakcio kune kun militaj spertuloj en Usono kaj FRG, ke ĉiuj konsistigaj partoj de la neŭtrona armilo estas jam

*Prenita el la FRG-revuo „Stern". La teksto sub la foto: En la Federacia Respubliko lokita „Pershing I-raketo" kun 400-kilotuna nuklea eksplodkapo. Atingopovo 740 kilometroj*



produktitaj kaj esencaj partoj de ili jam estas stokitaj en FRG mem. Dum oni publike ŝajnigis, kvazaŭ la konstruado de tiu amasdetruilo estus haltigita, oni sekrete faris la malon. Kiel „Elan" raportas, el depozicioj de la militista konsilanto de la usona deputito Robert Carr (Demokratia Partio) evidentiĝis i.a.:

- La tri necesaj elementoj por la neŭtrona bombo estas jam konstruitaj, nome la porta sistemo, aliaranĝitaj konvenciaj nukleaj eksplodkapoj kaj la propra neŭtrona eksplodkapo, ujo kun la eksplodaĵo Tricio.
- Ankaŭ en FRG el ili troviĝas jam tiel la porta sistemo kiel ankaŭ la aliaranĝitaj nukleaj eksplodkapoj. La specialaj neŭtronaj eksplodkapoj, tamen, povas esti aviadile transportitaj en FRG ene de sep horoj kaj kunmuntitaj en plej mallonga tempo kun la jam troviĝantaj tie konsistigaj partoj al armilsistemo.

Fakte ŝajnas esti tiel, ke jam de ne mallonga tempo oni faras tion sekrete en FRG, kion oni antaŭe publike – kvankam kun malgranda sukceso – postulis: atingi aliron kaj disponpovon pri atomarmiloj jam en pacaj tempoj. La pretemo, per kiu FRG helpis akceptigi la raketodecidon de NATO, montras en la saman direkton. Politikaj observantoj atentigas tiukonekse, ke la preteco de FRG al la lokigo de konsiderinda nombro de tiuj armilsistemoj sur ĝia teritorio donas al ĝi fakte la karakteron de potenco disponanta pri atomarmiloj. Des pli deviga estas la neceso de klara respondo al la demando, kiagrade jam prosperis tio, kion oni tie evidente faras tute sekrete en la sektoro de nukleaj armiloj.

(El „Horizont" n-ro 7/80 trad. D-ro Karl Schulze Berlin.)

Pershing II

# AGU NUN!

## Alvoko de la monda packonsilantaro

En tempo de favoraj kondiĉoj por la firmigo de malstreĉiĝo kaj la realigo de armadlimigo la afero de la paco suferis gravan baton.
Malgraŭ amasaj internaciaj protestoj, antaŭ ĉio ankaŭ en la membrolandoj de NATO, decidis la konsilantaro de NATO, produkti kaj starigi en okcidenta Eŭropo kvalite novajn usonajn nukleajn raketojn.
Rifuzinte la proponon de la socialismaj landoj pri tujaj traktadoj, NATO decidiĝis por plua armado kun la celo, ŝanĝi la estantan ekvilibron de fortoj. Ĝuste kiam Sovetunio komencis redukti siajn trupojn kaj armilaron en Mezeŭropo, NATO entreprenis decidan paŝon en siaj klopodoj atingi militaran superecon. Tio estas eksterordinara danĝero por la monda paco. Per tiu ĉi paŝo komenciĝos nova eskala intensigo de vetarmado. Ekzistas la reala danĝero inversigi la tutan proceson de malstreĉiĝo.
La decido de NATO, akceptita sub la premo de Usono kaj de aliaj fortoj en NATO, montras, ke Usono volas ŝarĝi la popolojn de okcidenta Eŭropo per la sekvoj de la vetarmado. Farante el tiuj landoj usonan depafejon por nukleaj raketoj, ili malestimas la naciajn interesojn de la eŭropaj popoloj.
La rolo de FRG rilate la akcepton de tiu ĉi decido de NATO estas speciale kondamninda. Tiu ĉi politiko endanĝerigas ankaŭ aliajn regionojn de la mondo. Samtempe kun la planoj pri starigo de nukleaj mezdistancaj raketoj en okcidenta Eŭropo anoncis la registaro de Usono novajn paŝojn al armado. Ili ebligu al Usono enmiksiĝi en la internajn aferojn de ŝtatoj en aliaj regionoj el pozicio de forto. La rapida konsento de la ĉina gvidantaro kun la decidoj de NATO ankoraŭ plifortigas la maltrankvilon de la pacfortoj.
Esprimante la pensojn kaj sentojn de milionoj da homoj, la Monda Packonsilantaro kondamnas decide kaj kategorie la decidon de NATO kiel eksterordinare gravan minacon kontraŭ la paco, la malstreĉiĝo kaj la estonteco de la mondo.
La vasta internacia protestmovado kontraŭ la perraketa armado de NATO ludas gravan kaj pozitivan rolon. Ĉiam pli da simplaj homoj kaj ankaŭ da politikistoj konscias la danĝeron, kiu rezultas el tiu decido de NATO. Entuziasme akceptis la homoj per siaj koroj kaj cerboj la ideon pri malstreĉiĝo. Neniu estos preta oferi la sukcesojn de la malstreĉiĝa proceso al nova rundo de vetarmado.
La amaskampanjo kontraŭ la novaj usonaj raketoj en Eŭropo eniris novan, decidan stadion. Decidaj agadoj de la popoloj, ĉefe en tiuj NATO-landoj, en kiuj tiuj raketoj estu starigotaj, povas malhelpi realigi la planojn de NATO. La publiko ne lasu sin trompi per la klarigo de NATO pri laŭdira preteco al „Traktado pri armadkontrolo". La pacfortoj protestis jam de ĉiam kontraŭ ĉiu provo solvi la konfliktojn el la pozicio de forto.
Ni alvokas ĉiujn pacfortojn plifortigi siajn agadojn kontraŭ la novaj usonaj raketoj en Eŭropo! La decido de NATO ne estu realigota!
Malgraŭ la planoj de NATO la okdekaj jaroj devas fariĝi tempo de praktikaj paŝoj al haltigo de vetarmado, al malarmado kaj al fortigo de fido inter la ŝtatoj kaj popoloj per traktadoj sur bazo de egala sekureco.
La Monda Packonsilantaro alvokas la popolojn fari la jaron 1980 jaro de amasagadoj por militara malstreĉiĝo.
Ni invitas ĉiujn pacamajn homojn renkontiĝi dum la Mondparlamento de popoloj por paco en septembro 1980.
Kun nova forto la Monda Packonsilantaro kunlaboros kune kun ĉiuj pacfortoj por ĉesigo de vetarmado, por malarmado kaj malstreĉiĝo.
Oni uzu la homajn kapablojn kaj la materiajn fontojn por forigi mizeron, malsaton, malsanojn kaj nescion, je kiuj suferas ankoraŭ milionoj da homoj.
Diru ne al la novaj usonaj raketoj en Eŭropo!
Antaŭen al malarmado! Fortigu la malstreĉiĝon!

(Trad. Dieter Berndt)

**Mizukawa el Hiroŝima:**

*Jus blindigita patrino*
*kun morta beb' en la sino,*
*kun la okulo blinda kaj larmabunda*
*sin tordis lamente.*
*La scenon en la infaneco mi vidis,*
*kiam per man' patrino mia min gvidis.*
*Neniam la hororo kaj memoro*
*korvunda forlasis min eĉ momente.*

[El la „Bildolibro pri atombombado"]

# Kontraŭ la imperiisma vetarmado

## El la parolado de prof. d-ro Günther Drehfahl, prezidanto de la Packonsilantaro de GDR




*Dum la kunsido de la Packonsilantaro de GDR, la 31an de januaro 1980 en Berlin. Parolas la prezidanto prof. d-ro Günter Drehfahl.*

*La esperantistoj de GDR denove estas reprezentitaj en la Packonsilantaro de GDR. Siatempe en tiu grava instanco membris la prezidinto de CLE kaj de la GDR-MEM-sekcio, Rudi Graetz. Fine de 1979 la Packonsilantaro petis d-ron Detlev Blanke, sekretario de CLE kaj sekciestro en Kulturligo de GDR, transpreni la lokon de Rudi Graetz. D-ro Blanke partoprenis je la 31a de januaro 1980 kunsidon de la Packonsilantaro. Tie la prezidanto, profesoro d-ro Drehfahl faris paroladon, el kiu ni publikigas la sekvan parton.*

Rerigardante la pasintan batalperiodon, la pacfortoj povas fari pozitivan kaj sukcesan bilancon de sia agado. La ĝis nun plej longa pacperiodo kaj la malstreĉiĝo alportis al la popoloj multoblan profiton.

- Ili finigis la tempon de malvarma milito kaj malfermis la vojon al paca kunekzistado de ŝtatoj kun diferenca sociordo,
- ili ebligis la objektivan, konfideman kaj reciproke utilan kunlaboron de eŭropaj popoloj en ekonomio, scienca kaj kultura sferoj,
- ili stimulis la reciprokan koniĝon kaj la kulturan kaj spiritan interŝanĝon inter la popoloj,
- ili kondukis al la Fina Akto de Helsinki kaj al multnombraj signifaj duflankaj kaj multflankaj kontraktoj inter la ŝtatoj, en la nacia intereso de iliaj popoloj,
- ili ebligis SALT I kaj SALT II kaj stimulis la atmosferon de konfido por atingi ankaŭ interkonsentojn pri paŝoj al malarmado.

La decida rezulto, kiun atingis la popoloj en la batalo kontraŭ imperiismo kaj milito, konsistis en la sukcesa trarompo de la tragedia ritmo inter mondmilito – mallonga paca paŭzo – denove mondmilito. Tio estas vere historia faro, ebligita nur per penaj, paciencaj kaj oferplenaj klopodoj kaj respegulanta la novan internacian dividon de fortoj.

Per la malstreĉiĝo la vivo fariĝis por ĉiuj popoloj pli sekura. Tial ne okazu reveno al la tempoj de malvarma milito. Ankaŭ nia respubliko aktive kontribuis al la ŝanĝoj en la mondo. Estas por ni alta rekono kaj samtempe sindevigo, ke la signifaj pac- kaj malarmadproponoj de Sovetunio, kiujn faris Leonid Iljiĉ Brejnev okaze de la jubileo de GDR ekiris sian mobilizan vojon al la popoloj de nia terglobo, el la socialisma germana teritorio, el la ĉefurbo de GDR, al kiu la Monda Packonsilantaro donis la honoran nomon „Urbo de paco".

Tiuj, por kiuj la malstreĉiĝo ekde komenco estis makulo en la okulo, strebas revenigi la tempojn de malvarma milito. En ĝia klimato ili esperas atingi pli facile siajn celojn. Tio estas la veraj kaj tute evidentaj kaŭzoj por la nuntempa pligraviĝo de la internacia situacio.

La ekestinta abrupta turniĝo nin ne surprizis. La internacia evoluo konfirmas, ke malstreĉiĝo, malarmado kaj sekurigita paco ne venkas sammaniere aŭ aŭtomate, sed en kontraŭdiroj kaj pena batalo. Ĉiu eldevigita adaptiĝo de la imperiismo al nova situacio, al la ŝanĝiĝanta divido de la fortoj favore al la paco estas ligita samtempe kun la strebado, haltigi tiun ĉi evoluon per ĉiuj rimedoj kaj utiligante ĉiujn sin proponantajn ŝanĝojn aŭ tie, kie eblas, repuŝi ĝin. Tiu ĉi kurso apartenas al la politiko de la imperiismo, kaj ĝia pliakriĝo vidiĝas jam de certa tempo. Surbaze de tiu ĉi koncepto Usono kaj aliaj NATO-landoj entreprenis de 1945 pli ol 115 armitajn perfortagojn, inter ili la agreson kontraŭ la vjetnama popolo, kaj establis reton de pli ol 2 000 militbazoj en 40 landoj, ĉefe en la proksimeco de la socialismaj ŝtatoj.

La agresiva karaktero de tiu ĉi politiko montriĝas en multaj ekzemploj:

- Ĉiujare la buĝetoj por armigaj elspezoj plialtiĝas, ekzemple la militbuĝeto de Usono al 165,2 miliardoj da dolaroj por la kuranta jaro.
- En majo 1978 la NATO-konsilantaro akceptis longtempan armadprogramon, kiu konduku al militema supereco de la imperiismo. Nur FRG volas en 1980 elspezi pli ol 60 miliardojn da markoj por militaraj celoj.
- Unu jaro pli poste, en decembro 1979 en Bruselo, la sama rondo decidis lokigi preskaŭ 600 novajn usonajn nukleajn mezdistancajn raketojn kaj „Cruise Missiles" en okcidenta Eŭropo, direktitajn kontraŭ la socialismaj ŝtatoj.

Per tio ĉi oni provas forigi la ĝenerale agnoskitan armean ekvilibron, kiu montriĝis en la 70-aj jaroj kiel stabiliga faktoro en la monda politiko. La nuna prezidanto de Usono, kiu je la komenco de sia regada periodo lasis sin honorigi kiel apostolo de malstreĉiĝo, de malarmado kaj de la homaj rajtoj, sekvas hodiaŭ la vojon de la fiaskinta politiko de forto, de minaco kaj ĉantaĝo, kiu kaŭzis jam malsukceson al Truman kaj Dulles.

La energia aprobo de tiuj ĉi kaj de aliaj NATO-planoj fare de la ĉina gvidantaro, kiu faris celkonscian aliancigon kaj komploton kun la usona imperiismo, plenigas per granda zorgo la fortojn, kiuj pledas por paco kaj malstreĉiĝo.

Nuntempe oni profitas de la tielnomata afgana problemo por kaŝi malantaŭ propaganda fulmvualo la verajn politikajn kaj ekonomiajn interesojn de Usono en tiu regiono kaj por deturni la rigardon

de la fatalplena sekvo de la NATO-decido pri raketoj.
La socialismaj landoj pledas por ĝenerala kaj plena malarmado, ili ne volas kaj ne bezonas militon! Ili bezonas pacon, por realigi sukcese la socipolitikajn programojn, servantajn al la bono de la homoj. La socialismo signifas la neigadon de la milito. Per sia ekzisto kaj sia nehaltigebla kreskado ĝi kreis en la historio de la homaro unuafoje realajn eblecojn por forigi por ĉiam la militon kiel politikan rimedon el la vivo de la popoloj. Tio estas historie provita vero.
Sed tiel longe kiel daŭros la imperiisma minaco de senprecedenca armado, la socialismaj landoj ne havas alian alternativon ol ĉiutempe defendi siajn atingaĵojn ankaŭ armile.
Sovetunio kaj la socialismo neniam elvokis kaj elvokos minacojn kontraŭ aliaj ŝtatoj kaj popoloj. La plej alta ordono de la socialisma socio estas servi al la paco, al feliĉa, sekura vivo de la propra popolo kaj de ĉiuj popoloj. Neŝanceligebla principo de la socialisma pacpolitiko estas ĝuste fari ĉion, senrezerve ĉion, por kontraŭbatali ĉiu ajn minacon kontraŭ la paco kaj la vivo, kontraŭ nacia sendependeco, suvereneco, rajto je memdetermino kaj progreso de la popoloj.
La batalo por la finigo de la vetarmado, por konkretaj paŝoj al malarmado kaj por la kompletigo de la politika malstreĉiĝo per malstreĉiĝo en la militsfero fariĝis la plej urĝa demando de nia tempo, la unuaranga tasko por la plua sekurigo de la paco. Ĉi tie ni povas firme fidi je bonaj fundamentoj. En la batalo por la paco evoluis larĝa efikplena fronto de armadkontraŭuloj, kiu sin distingas je nacia kaj internacia niveloj per impresplenaj agadoj kaj praktikas ĉiam pli senteblan influon sur la registarojn kaj parlamentojn.
La spertoj el la pli ol 30-jara agado de la pacmovado post la dua mondmilito pruvis jam plurfoje, ke la fortoj, kiu subtenas nian porpacan batalon en ĉiuj kontinentoj pruvigis sian respondecon ankaŭ en malfacilaj situacioj. La amasmovado de la popoloj kontraŭ la intencata produktado kaj enkonduko de la neŭtrona bombo vidigas la forton kaj efikecon de la unuece agantaj pacfortoj. Kreskis la fido inter la organizaĵoj kaj movadoj interesiĝintaj pri paco, kaj la agado pliprofundigis la reciprokan komprenemon.
En decembro 1979 okazis en Helsinki eksterordinara kunveno de la buroo de la prezidio de la Monda Packonsilantaro. 96 reprezentantoj el 35 landoj kaj reprezentantoj de naŭ internaciaj organizaĵoj kaj de du liberigaj movadoj, en respondeco por la vivo de la popoloj en paco, alvokis la pacamajn homojn en ĉiuj landoj kaj kontinentoj fari la jaron 1980 jaro de amasagadoj kontraŭ la imperiisma vetarmado. Trad. D. k. R. Berndt

## Manfred Arnold

# NATO

Estas en la mondo murd'-aglomerato
kun danĝero granda al homara stato.
Tiuj sangaj lupoj – ja en ŝafornato –
ĉiun ajn minacas per atoma bato.

Tiu militema krima konzentrato
per raketdecido ja je ia dato
planas bombatakon, fulme, sen kompato,
kontraŭ ĉiu paca kaj progresa ŝtato,

kontraŭ malstreĉiĝo de la mondklimato,
kontraŭ ĉiu bona en homar-rilato,
kontraŭ ĉiu homo, ĉiu demokrato,
kiel vera ido, nepo de pirato.

De profitavidaj monopoloj frato
kaj por militistoj bona advokato,
ĝi devene nutras sin per ekspluato
suĉas ĝian vivon el armad'-etato.

Ĝi – en ĝiaj landoj nur minoritato –
agas kaj agitas sen popolmandato,
forĝas novarmilojn ja en grandformato,
por ke mondregado estu rezultato.

Devas vi ekkoni: Tia iniciato
de la malamiko estus via fato!
Ne allasu esti morta kandidato,
sed batalu ĉiam por la paco, frato!

Ĉu malica estis tiu ĉi konstato?
Ne, ĉar tiu bando sin ja nomas: NATO!

---

## Recenzo




**Julius Fučik, Riporto skribita en la pendumila maŝo – Trad. R. Hromada, reviz. kaj komplet. V. Novobilský kaj O. Kníchal. Eld. Panoramo en Prago, 1979.**

La nomo de Julius Fucik famiĝis tra la tuta mondo. Eĉ ekstere de ĈSSR oni nomis laŭ li stratojn kaj placojn (ekz. en Dresden). Promenante tra la parko de sia kvartalo la recenzinto – berlinano – preteriras lian monumenton kaj legas sur ĝi ĉeñe, ruse kaj germane liajn emociajn vortojn „Homoj, mi vin amis, gardviglu!" En kio do estas la grando de tiu viro? Kiaj estas la kaŭzoj de lia famo? Kiu ne scias tion, tiu nepre legu lian faman „Riporton ...", kiu nun fine aperis ankaŭ en Esperanto. En ĝi la leganto trovas – krom redaktaj informoj pri la persono, vivo kaj agado de Fučik – viglan, temperamentan kaj tamen precizan raporton pri liaj travivaĵoj en la GESTAPO-malliberejo de Pankrác (Prago) printempe 1943, pri la cirkonstancoj de la arestado de li kaj de multaj el liaj kunbatalintoj kaj pri la konduto kaj sinteno de kunkaptitoj, gardistoj kaj naziaj funkciuloj. Sed krome kaj ĉefe, la leganto trovas homon de eksterordinara anima grando, homon, kiu malgraŭ la minacanta morto, malgraŭ torturoj kaj ĉiuspecaj malhelpaĵoj konservas sian homecon, konservas sian varman inklinon al la homoj kaj al la vivo, trovas eĉ la korpan kaj animan forton observi sian ĉirkaŭaĵon, memori pri homoj kaj okazintaĵoj ekster kaj en la malliberejo, trapensi koneksojn kaj homajn karakterojn kaj – helpe de riskopreta ĉeña gardisto – surpaperigi ĉion ĉi.
La konatiĝo kun tia eksterordinara homo jam neprigas kaj pravigas la legadon de tiu „Riporto", ne parolante pri la faktoj donitaj en ĝi kaj per si mem historie kaj politike interesaj.
La impresita recenzinto deziras al la Esperanto-eldono de tiu elstara dokumenta verko varman akcepton flanke de la internacia esperantistaro, des pli, ĉar la tradukinto kaj reviziintoj prezentas ĝin en flua, facile legebla lingvaĵo.

D-ro Karl Schulze, Berlin

### Vidi la homojn

*El la libro de J. Fučik*

„Vidi la homojn, kies konscienco difektiĝis, estas pli terure ol vidi homojn turmentitajn korpe. Kaj se viajn okulojn lavis la morto, kiu preterpasis, kaj se vian sentadon incitita de la reviviĝo, vi sentas eĉ sen vortoj kiu ekŝanceliĝis, kiu eble eĉ perfidis, aŭ kiu en iu kaŝita loko de sia animo pripensas, ke eble ne tro gravus, se li iom plifaciligus sian situacion kaj perfidus eble nur tiun plej lastan el siaj kunbatalantoj. Kompatindaj malfortuloj! Ĉu tio estus ankoraŭ vivo, se ĝi estus pagita per tiu de la kamarado!"

Unika, animskua, admona!

# Bildlibro pri la atombombo

*„Estis mateno agrable serena; oni antaŭvidis ardan varmegon kun la koruso de cikadoj kiel kutime en somero.*

*Hiroŝima, la 6an de aŭgusto 1945, je la 8a horo, 15 minutoj. Matennebulo jam forpasis sub la intensa sunbrilo, kiu ankaŭ tiutage aŭguris tipan somertagon kun varmego.*

*Nagasaki, la 9an de aŭgusto 1945, je la 11a horo, 2 minutoj. Jen la fatalaj momentoj, kiam du atombomboj de la usona armeo, urania kaj la alia plutonia, unuafoje uzitaj en milito, atakis la du urbojn. Ili pereigis 130 000–140 000 homojn en Hiroŝima kaj 60 000–70 000 en Nagasaki."*

Aperis 1979 en Japanio libro pri la sekvoj de la unua atombombado. „Hiroŝima – Nagasaki. Bilda Dokumento pri la Atombombado". La ampleksa 350-paĝa librego entenas 390 fotojn kolorajn kaj nekolorajn, kiuj estas faritaj horojn post la bombado aŭ jarojn poste (ĉar atombomba malsano ankoraŭ hodiaŭ rabadas vivon de travivintoj) kaj 93 kolorajn bildojn, kiuj estas desegnitaj surloke aŭ pentritaj de la bombitoj („hibakŝoj") mem.

Entute oni elektis tre zorge el materialo de pli ol 4 000 fotoj kaj 2 500 desegnaĵoj.

Multaj fotoj nur lastatempe estas disponigitaj de la usona mararmeo. Preskaŭ ĉiuj fotoj estas faritaj rekte de la originalaj kliŝoj de la posedantoj. La libro estas verŝajne unika en la mondo. La eldonadon de la libro ebligis per sia mono 15 000 japanaj civitanoj, kiuj formas la bazon por la „Komitato de Japanaj Civitanoj por sendi Donacajn Kopiojn de Bilda Dokumento de la Atombombado al Niaj Infanoj kaj Kolegaj Homoj en la Mondo".

Ĝis nun aperis eldonoj en la japana, angla, hispana lingvoj kaj en Esperanto.

Dum la somero 1979 delegitaro de tiu-ĉi komitato traveturis kelkajn eŭropajn landojn kaj ankaŭ, fine de aŭgusto, estis gastoj de la „Packonsilantaro de GDR", por transdoni la librojn al la reprezentantoj de GDR. Du reprezentantoj de la Japana Pacdefenda Esperantista Asocio (= la japana MEM-sekcio), nome Kimiaki Kurita kaj Ikuo Senga, kiuj apartenis al la delegitaro; transdonis ekzemplerojn de la esperantolingva eldono al la prezidento de Centra Laborrono Esperanto, Rudolf Hahlbohm.

Tiom pri la faktoj. Nun iom pri la fono de la verko. Ni legas: „Kiel eble plej frua efektivigo de la kompleta abolicio de nukleaj armiloj kaj de la plena malpermeso de atom- kaj hidrogenbomboj – tion forte aspiras ĉiuj homoj en la mondo. Ni devas nepre komuniki al la sekvantaj generacioj kaj al ĉiuj homoj en la mondo la neniam ripetendan tragedion de Hiroŝima kaj Nagasaki. Tiu arda deziro kovis kaj naskis tiun ĉi libron.

La projekto startis per ideo hazarde ekhavita.

En iu mezlernejo en Gubernio Hiroŝima la lernantoj regule sendadis al aliaj mezlernejoj en la lando lernomaterialojn pri la atombombado, kiujn ili ricevis de siaj instruistoj kaj gepatroj. El tio sekvis, kaj en iuj lernejoj oni ekhavis lecionojn pri la atombombado, kaj ke naskiĝis kontakto inter la geknaboj jen per korespondo jen per rekta renkontiĝo.

Ĉu do eblos fari la samon adrese al la tutmondaj popoloj? Tio estis la ideo trafinta unu patron, kiu vizitis Hiroŝimon kune kun siaj infanoj kaj estis forte impresita de la valora agado de la geknaboj. Li tuj parolis al siaj amikoj pri la sugesto, kaj tiel komenciĝis la tuta afero."

Kion diri pri la fotoj mem? Ili estas tiom teruraj kaj animskuaj, ke apenaŭ suficas la homa lingvo sin esprimi. Tro malmultaj ja scias pri tio, kio okazis 1945 en tiuj du urboj. Ĝi estas la infero laŭ ĉiuj eblaj variantoj de imago-povo. Se oni trafoliumas la libron, oni ekkomprenas, kio atendos la mondon, se oni ne sukcesas bridi la militpreparantojn.

Por ke la libro ankaŭ aperu en Esperanto, esperantistoj-subtenantoj el Japanio fondis apartan asocion por akceli la eldonadon. Deko da esperantistoj tradukis la tekston sub la kontrolo de Konisi gaku.

Povas okazi, ke japana esperantisto donacos tiun verkon al sia eksterlanda amiko. Tiam tiu nepre sendu sian impreson al „Hiroŝima-Nagasaki o sekaj e okuru esperanto nokai" ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12–3, Siuzyuku-ku, Tokio, 162 Japanio. La libro estas forta kaj siaspeca unika alvoko al la homaro, ĉion entrepreni por ke finfine ekhaltu la vetarmado, venu la plena kaj senkondiĉa malarmado kaj estu sekurigita la paco. En tiu strebado la esperantistoj de GDR estas plene je la flanke de la japana civitana komitato.



# ... kaj ĉu la murdintoj ne kulpas?

Politikistoj kaj amaskomunikiloj de la okcidenta mondo en la pasintaj monatoj ekposedis korinklinon por fuĝintoj. Ne por la palestinanoj forpeataj ekde jardekoj, ne por la homoj el Zimbabvo kaj Namibio, kiuj forfuĝis pro la rasistoj, ankaŭ ne por la centmiloj da nikaragvanoj, kiuj fuĝis pro la Nacia Gvardio de Somoza. Ili valoras al la defendantoj de la imperiismo nur malmulton. La fuĝintoj, pri kiuj temas en ĉi tiu kampanjo, estas homoj el Vjetnamio kontraŭleĝe elirintaj el sia patrio respektive per ŝipoj kaj boatoj aŭ sur landvojo. Multaj el ili ne ricevis restadpermeson en aliaj landoj, aliaj mortis dum la multtaga vagado sur la maro. Estas tiuj homoj, pri kiuj imperiismo laŭdire zorgas. Amplekso kaj intenco de tiu kampanjo bezonigas kelkajn ĝustigojn.

**La historio de la fuĝintoj**

Tute ne estas la unua prifuĝinta kampanjo, kiu estas realigata kontraŭ Vjetnamio. Sed la modelo restas la sama.
1954: Post kiam la francaj koloniistoj estis venkitaj kaj Vjetnamio disigita de imperiismo en nordan kaj sudan partojn, katolikaj klerikoj persvadaĉis la kredantojn de la Nordo al fuĝo. Per la slogano „La patrino de Dio migris en Sudon, kaj ĉiuj kredantoj devas sekvi ŝin tien" oni logis inter 600 000 kaj milionon da katolikoj en Sudon kaj faris ilin objekto de kontraŭkomunisma kampanjo.
1965–1974: Milionoj da homoj – laŭ indikoj de FRG-revuo 10,9 milionoj – estiĝis senhejmaj, kiam dum la tempo de la usona agreso „per ĉiam novaj transloĝigaj kaj urbanigaj programoj por libera pafkampo kontraŭ la malamiko" iliaj vilaĝoj estis neniigataj.
1975: Kiam la fino de la sudvjetnamaj marionetoj de Usono plu estis nur demando pri tagoj, oni volis organizi grandiozan „fuĝulan ondon antaŭ la komunistoj". Ĉirkaŭ unu milionon da homoj oni pelis tra la lando, pli ol centmilo eliris el Vjetnamio dum la lastaj semajnoj antaŭ la liberigo de Sajgono.
1978: De Pekino oni fanatikigas la Hoa-naciecon, vjetnamoj ĉindevenaj, cele al elirigo el la lando. Imperiismaj landoj subtenas la kampanjon asertante ke Vjetnamio „forpelas" la Hoa-anojn.

**Deveno kaj motivoj de la fuĝintoj**

Vjetnamio travivis amaran tridekjaran liberigan batalon, kiu devigis ĝin aktivigi ĉiujn fortojn. Kiam en 1975 la usonaj agresintoj devis ellandiĝi, la lando listigis i. a. la jenajn militajn domaĝojn kaj sekvojn:

- 10 milionoj da hektaroj da rizkampoj detruitaj kaj bruligitaj
- 24 milionoj da bombtruegoj
- 5 milionoj da hektaroj da detruita arbaro – duono de la entuta arbaro
- en la sudo de la lando, antaŭ ĉio en Sajgono, partoj de la enloĝantaro estis senmoraligitaj kaj koruptitaj: Je la liberiĝo ekzistis 1,2 milionoj da senlaboruloj, 500 000 prostituitinoj, 150 000 droguloj, 300 000 venereuloj, sennombraj orfoj kaj almozuloj. Aldonendas la giganta administrada kaj milita aparato de la senpotencigita sajgona kliko, kiu parte apartenis al la profitigantoj de la milito.

Sub tiuj kondiĉoj Vjetnamio devis komenci la novkonstruadon. Naturaj katastrofoj, la necesa defendo je la Pol-Pot-reĝimo en Kamboĝo, la problemoj ĉe la limo al Ĉinio akriĝinta ĝis milito plikomplikigis laituacion. La socialismigan ŝanĝadon en la sudo spertis speciale tiuj partoj de la enloĝantaro, kiuj ĝis tiam profitigis la komercadon per rizo kaj greno. Koncize: Antaŭ ĉio pro du ĉefaj motivoj – pro sia socialekonomie kaj ideologie kaŭzita malamikeco al socialismo aŭ ĉar ili ne volis akcepti la malmolecon kaj senluksecon de la novkonstruado, homoj decidis forlasi Vjetnamion. Krome estas kelkiuj, kiuj kredadis malamikan permensogan propagandon.

**La sinteno de SRV**

Vide al ĉi-tiu situacio la SRV-registaro deklaris jam komence de la jaro 1979 sian pretecon, doni permeson pri forlaso de la lando al civitanoj cele al komunigo kun parencoj vivantaj en eksterlando aŭ pro aliaj homecaj kaŭzoj. Kun la ĉefkomisariejo de UN pri fuĝintoj oni aranĝis la necesajn preskribojn. Por malhelpi necertan sorton al la elvojaĝontoj, tekstas en la interkonsento inter SRV kaj la ĉefkomisariejo de UN „La nombro de la personoj dependas de la amplekso de petoj pri elvojaĝo el Vjetnamio kaj de la eblecoj de la akceptontaj landoj, doni enirajn vizojn". Tiu leĝa ebleco de elveturo memkompreneble ne estis aludata en la kontraŭvjetnamia kampanjo. Finfine la politikistoj kaj amaskomunikiloj de imperiismo vokis al neleĝa forlaso de la lando, por havi objekton por kalumnia militiro per la senhelpe antaŭ fremdaj marbordoj troviĝantoj aŭ drivantoj en maro. Ili, kiuj estas ĉefe respondecaj por la kaŭzoj de la fuĝado, same estas kulpaj al la viktimoj inter la fuĝintoj.

Motivoj kaj celoj de la kampanjo

- Per la kampanjo en Vjetnamio mem estis farataj maltrankvilaĵoj kaj pligrandigataj la ekonomiaj kaj politikaj problemoj de la lando.
- Ĝi estas venĝa militiro de la fortoj, kiuj spertis malgloran malvenkon en la agreso kontraŭ Vjetnamio. Suplemente oni volas gajni la militon almenaŭ propagande.
- La kampanjo apartenas al la strategiaj agadoj fifamigi la socialismon entute.
- La solidarecon kun Vjetnamio, kiun oni multjare kaj tutmonde donis al tiu kuraĝa popolo, oni volas treti en koton kaj sufokigi.

(El „Was und Wie", 8/1979
trad. Michael Lennartz)

---

**Ogiwara el Hiroŝima:**

*Mi staris sur la verando, vidis la fulmon, kaj kredis, ke la bombo trafis nian domon. Kio poste, mi tute ne memoras. Kiam mi revenis al mi, mi, la patrino kaj la fratino estis sub la detalinta domo. La fratino, tiam 21-jara, pretis iri al sia laboro.*
*... Kun la kruroj kaptitaj inter la traboj, ŝi diris: „Mi sufokiĝas pli kaj pli. Panjo, Franjo, fuĝu tuj! Mi mordos al mi la langon por morti." La fajro proksimiĝis. Ni petis helpon de la fuĝantoj, sed ili silente preterkuris. Nenia helpo. La patrino, kun la polmoj kunpremitaj, kriis: „Mi mortu kun vi!" Ŝi ne emis foriri, nur ploris. Mi kaptis kaj tiris ŝin por forkuri.*
*Kia estis la koro de la patrino, kiu devis postlasi sian filinon ankoraŭ spirantan? Ankaŭ ŝi mortis en la 4a de jan. 1963, pro akuta medola leŭkemio, post kvarmonata restado en hospitalo. Estis tago frosta kun peza neĝo, tiel malsimila al tiu momento.*

[El la „Bildolibro pri atombombado"]

## Wolfgang Clausner

# Afganio kaj la homaj rajtoj

De nelonge oni ofertas sur la merkato de imperiisma politiko la tiel nomatan Carter-doktrinon kiel novan markartiklon. Sed la nocio ne estas tute nova. Kiuj nuntempe propagandas ĝin elokventege, jam unufoje provis per tiu ĉi etikedo fari fian politikan koncepton furora vendaĵo. Nome antaŭ iom pli ol tri jaroj okcidentaj medioj same reklamis la principojn proklamitajn de la nuna usona prezidento ĉe lia enoficigo en la formo de enkonduka parolado kaj de „speciala mesaĝo al eksterlando" kiel Carter-doktrinon.
Por esti preciza, oni devus do paroli pri unua kaj dua Carter-doktrino.
Vid-al-vide al la „nova" kreaĵo estas iom instrue memori pri la unua eldono kaj rilatigi tiun al aktualaj eventoj.
Tiutempe la programo formulita de la ĉefo de la Blanka Domo estis suprenstiligita en la okcidento kiel „Granda Ĉarto de engaĝiĝo por la homaj rajtoj". Efektive en ĝi ne estis manko de vortigita humanismo. El la buŝo de la politika gvidanto de la plej forta imperiisma potenco oni aŭdis asertojn kiel tiu, ke ekde nun la forto de Usono baziĝos ne antaŭrange sur la grando de ĝiaj armilaj arsenaloj, sed „sur la nobeleco de ĝiaj ideoj". „Nia konfeso al la homaj rajtoj", tiel Carter en januaro 1977, „devas esti absoluta". Ĉe tio gravas akceli la samecon de la ŝancoj. Malriĉo kaj nescio, malsato kaj malsano estas la malamikoj, kontraŭ kiuj oni devas militi. Kaj en tiu konekso Carter montris sin ankaŭ komprenema por tiuj popoloj, „kiuj sopiras kaj postulas sian lokon ĉe la suno".

**Kio komenciĝis kun la aprila revolucio**

De tiam ja vere ne mankis okazoj, en kiuj la proklamanto de tiel noblaj intencoj povus pruvi, kiel serioze li prenas ilin.
Por paroli pri Afganio: Apenaŭ pli ol unu jaron post la pretendema programdeklaro de Carter, en aprilo 1978, la popolo de tiu mezazia lando leviĝis en kontraŭfeŭda, nacidemokratia revolucio. Ĝi volis, por paroli per la vortoj de la usona prezidento, „sian lokon ĉe la suno". Ĝi komencis liberiĝi el tiuj jarcentojn aĝaj socialaj kaj ekonomiaj katenoj, kiuj tenis la landon ĉe Hindukuŝo en mezepoka postrestinteco kaj faris ĝin unu el la 25 plej malriĉaj landoj de la tero – kun jara meznombra enspezo de 100 usonaj dolaroj po enloĝanto.
La afgana aprila revolucio sin direktis kontraŭ malriĉo kaj malsato: Per agrara reformo ĝi donis al kampuloj kaj farmistoj sen aŭ kun tro malmulte da kampoj teron senkoste kaj per tio unuafoje sufiĉan bazon por ekzistado. Ĝi nuligis la ŝuldservuton, en kiu la plimulto de la kampara loĝantaro estis tenita per malplimulto de grandbienistoj kaj uzuristoj. Ĝi komencis la realigon de ekonomia evoluiga programo, por forigi la senlaborecon. Pagoj kaj salajroj estis plialtigitaj.
La afgana aprila revolucio estis samtempe la preludo por militiro kontraŭ la nescio: Ĝi enkondukis grandan kampanjon por elsavi la 90 procentojn de analfabetaj afganoj (ĉe la virinoj tiu kvoto sumiĝas eĉ al 99 procentoj) el la skurĝo de la analfabeteco. Unuajn paŝojn oni faris sur la vojo al sukcesigo de ĝenerala lernodevo – unue ĝis la kvara klaso; pli ol 800 novaj bazaj lernejoj estiĝis, forcita estis la edukado de instruistoj kaj la eldonado de lernolibroj.
La afgana aprila revolucio pruviĝis deirpunkto de energiaj streĉoj por plibonigi la medicinan prizorgadon de la popolo; antaŭe ekzistis por la loĝantaro de 20 milionoj nur 800 kuracistoj kaj 75 malsanulejoj, la meznombra vivatendo troviĝis ĉe 40 jaroj.
La afgana aprila revolucio faris leĝo la egalrajtecon de la virino kun la viro, ĝi malpermesis la sklavsimilan aĉeton de fianĉinoj kaj donis al la virinoj egalajn ŝancojn en klerigo kaj profesio.

**Faroj montras vortojn mensogoj**

Ĉiu el tiuj disponoj estas nekontesteble identa kun la realigo de elementaj homaj rajtoj. La afgana popolo do komencis realigi por si tion, kion sinjoro Carter deklamis siaj idealaj konceptaĵoj – kaj tio kun mondvasta pretendo. Prenante la vortojn de la usona prezidento kiel sincerajn dirojn, oni devus do atendi de li, la plej alta reprezentanto de la plej riĉa imperiisma lando, minimume simpation, se ne eĉ energian subtenon al tiu klopodado. Sed tute kontraŭe. Tiel absolute ne estis evidente celita tiu „absoluta konfeso al la homaj rajtoj", kiu, proklamita de Carter, ŝajnis por la amasmedioj – precipe de FRG – taŭga rimedo eskaladi senbare sian ofensivon de ideologia diversio kontraŭ la ŝtatoj de la socialisma komunumo.
Usono kune kun Ĉinio alprenis malkaŝe malamikecan sintenon al la afgana popola potenco ekde la venko de la aprila revolucio. Agentoj estis komisiitaj kolekti en eksterlando kontraŭrevoluciulojn fuĝintajn el Avganio, formi el ili bandojn, liveri al ili armilojn kune kun instrukciistoj. Oni donis generalstaban helpon en la planado kaj realigo de barbaraj teroragoj, kiujn oni efektivigis de sur fremda grundo kontraŭ Afganio. Oni akompanis tiujn provojn de la eksporto de kontraŭrevolucio per kampanjo de senmezura kalumnia agitado kontraŭ la afgana popola potenco, en kio oni, tamen, sin retenis en la tempo, en kiu Amin provis alifunkciigi la revolucio en akton al akirado de senlima persona potenco kaj informis la imperiismajn ŝtatojn pri sia perfido.
Des pli laŭta kaj historia estis la kriegado, kiam la afgana revolucia konsilio sub Babrak Karmal komencis korekti tiun fatalan evoluon, enkondukis la konsekvencan daŭrigon de la kurso de la aprila revolucio kaj en tio certigis al si sovetian helpon por repuŝi agresajn agojn direktitajn de eksterlando.
La liberigo de 15 000 politikaj malliberuloj de la Amin-reĝimo kaj la restaŭro de la civitanaj rajtoj – inter ili de la religia libereco – fare de la veraj reprezentantoj de la popola potenco en Afganio estis, kiel konate, tute neniu motivo por elmontro de kontentiĝo flanke de la „homrajtaj apostoloj" en Usono – same kiel flanke de iliaj vasaloj en aliaj okcidentaj landoj. Male oni deduktis el ili la mensogan motivadon por tiu politika programo, kiu nune prezentiĝas kiel nova Carter-doktrino.
Se rilate al la eventoj en Afganio la FRG-gazeto „Süddeutsche Zeitung" (Sudgermana Gazeto) en la eldono de la 19-a de januaro konstatas, ke „la granda kampanjo de Carter por la homaj rajtoj finiĝis", oni devas korekti tion ĝuste en konekso al la sinteno de Usono al la afgana evoluo de post aprilo 1978: Tian kampanjon Carter neniam faris! Tion koncedis eĉ la Hamburg-a semajna ĵurnalo „Die Zeit" (La Tempo), tute ne suspekta pro komunismaj simpatioj. En la eldono de la 25-a januaro 78 ĝi skribis: „La homrajta kampanjo (de sinjoro Carter – la aŭt.) dekomence suferis pro sia hipokrita selektiveco. Riproĉita estis nur tiu, kiu estis negrava aŭ sendanĝera – aŭ kiu sen tio apartenis al la alia tendaro.

**Malantaŭoj de rolŝanĝo**

La transiro de Usono de homama frazeologio al agresaj minacoj, la rolŝanĝo de la mondmoralisto al mondĝendarmo, la anstataŭigo de la unua per la dua Carter-doktrino signalas fakte ne ŝan-

# La „Hitlerjungen"[1] el Frankfurt/Main

La verkado de televiziaj publicistoj el GDR, kiuj per siaj dokumentadaj filmoj respegulas la nuntempajn okazaĵojn, ĉiam trovas tre grandan intereson de la aŭskultantoj. La kaŭzo por tio estas, ke en ĉiuj tiuj filmoj estas konstatebla pasia pledo por la homo – ĉu por la subprematoj en suda Afriko, por la persekutatoj en Pinoĉeta Ĉilio aŭ por la batalantoj en heroa Vjetnamo! Same granda estas la intereso, kiam per neforigeblaj faktoj tiuj estas senmaskigataj, kiuj ŝatas paroli pri rajtoj de homoj, sed kaŝe planas novajn krimojn kontraŭ la homaro. Serio da dokumentadaj filmoj estiĝis en FRG, ĝi havas la titolon „La manipulata socio". Ĉiu parto de la serio evidentigas, ke la socia sistemo de tiu ŝtato – en la intereso de l'armad-profitantoj – estas direktita al kontraŭkomunista fanatikigo de milionoj da homoj. Unu el la lastaj filmoj de la serio pruvas, ke tiu-ĉi fenomeno eĉ kaptas infanojn! Pri la estiĝo de la filmo diris la aŭtoroj:

En nia dokumentada filmo „Ĉu vi konas Kappler-on[2]) de novembro 1977 ni demandis antaŭ kinejo en Frankfurt/Main vizitantojn de la filmo „Hitler – kariero" de Joafiim C. Fest pri ilia opinio rilate al la faŝisma pasinteco. Inter la multaj homoj venantaj el la kinejo eĉ estis infanoj. Dekdujara knabo parollerte diris: „Mi certe kredas, ke la vivo estus pli bona, se ni vivus en la tempo de Hitler." Tiu-ĉi respondo timigis nin. La televiziaj aŭskultantoj de GDR same sentis, kiel pruvis multe da opiniaj rimarkoj post la prezentado de la filmo. Tiam ni intencis rerenkonti tiun-ĉi knabon ĉe iu okazo kaj pridemandi lin pli detale. Malfruan aŭtunon de 1978 denove staris la nun dektrijara Kaj-Uve kaj lia dekkvinjara amiko Armin antaŭ la kamero. Ni estis preparitaj, por io. En 1978 okazis en Frankfurt/Main kiel ankaŭ en multaj grandurboj de FRG pluraj novnaziaj demonstracioj, garditaj de la polico. Ĉe tio protestantaj antifaŝistoj estis batitaj teren kaj kelkaj el ili estis vunditaj. „Hitler-ondo", ĝis tiam nekonata, superfluegis la loĝantaron per publikaĵoj, libroj kaj sondiskoj. Ĉio ĉi certe postlasis spurojn ĉe la juna generacio. Sed kion ni devis aŭdi el la buŝoj de tiuj-ĉi knaboj, superis niajn plej malbonajn atendojn.

„La sino ankoraŭ estas fekunda, el kiu tio rampis", diris Brecht. Kiom ĝi estas, tion oni scias, aŭskultante tiujn-ĉi knabojn.

Ambaŭ knaboj devenas el tute normalaj mezgradaj familioj de FRG. La patro de Armin estas oficisto en la oficejo pri laboro. La gepatroj de Kaj-Uve estas eksedziĝintaj, kaj li vivas ĉe la geavoj.

Ambaŭ knaboj estas lernantoj kaj ne aliĝintaj al iu politika junul-organizaĵo. Tamen ni nomas ilin „Hitler-knaboj".

La sekvantan dialogon, plimallongigitan nur iomete por „DDR-Revue", ni havis kun ili, dum ili foliumis librojn, kiuj gloregas la duan mondmilito n per vortoj kaj bildoj.

---

ĝiĝon en la celoj de la usona ekstera politiko, sed nur modifon de ĝia metodika ilaro.

Por tio Afganio ne estis kaŭzo, sed kruda preteksto. En realo la Carter-doktrino n-ro 2 estas esprimo por tio, ke la demagogia koncepto de la „defendo de homaj rajtoj" pruviĝis netaŭga por sukcesigi la nun kiel antaŭe ekzistantajn planojn de la usono imperiismo akiri la mondregadon. Do oni malkaŝe revenas al la politiko de la granda bastonego, kiel ĝin praktikis jam la antaŭuloj de Carter – kaj kun kiu ili same fiaskis.

„Ekde Afganio Carter antaŭ ĉio serĉas denove aliancitojn, kiom ajn brutalaj, subpremantaj, malagrablaj ili estu", skribis „Die Zeit" en la jam menciita artikolo. Tio estas kompreneble nur duonvero. Usono neniam rezignis pri tiaj aliancitoj, kaj „Die Zeit" mem ne nur scias tion tre bone, sed eĉ sciigas tion: „La ŝaho (do la buĉisto de la irana popolo – la aŭt.), dum li regadis, povis esti certa pri la bonvolo de Carter. Fine de 1977 li (Carter – la aŭt.) tostis al la ŝaho en Teherano: ‚Neniun gvidanton de la mondo mi renkontas kun pli granda dankemo kaj pli granda amikeco!'" Notu bone: Tio okazis en tempo, kiam Carter plenumis ankoraŭ siajn „liberajn homrajto-ekzercadojn".

La nuntempa usona administracio serĉis siajn politikajn amikojn ĉiam laŭ la samaj principoj de elekto. Kiel konate, ĝi protektis la Pol-Pot-klikon murdantan la propran popolon. Ĝi kuraĝigis la Pekinajn hegemoniistojn, asertante, ke la ĉina interveno en Vjetnamio „ne endanĝerigas la ĉinan-usonan alproksimiĝon . . .". Ĝi ne nur toleras la izraeliajn agresantojn, kiuj nun kiel antaŭe tenas okupitaj teritoriojn de tri arabaj landoj kaj ĉiutage kulpas pri masivaj agresagoj kontraŭ la UNO-membroŝtato Libano, sed eĉ donas al ili kreditojn kaj armilhelpon. Kurante amoke kontraŭ la Olimpikaj Ludoj en Moskvo ĝi interfratiĝas kun tiaj politikaj gangsteroj kiel la ekzekutisto de Ĉilio Pinochet kaj la torturisto de Haitio Duvalier.

Nerompita estas la kontinueco, per kiu la usona imperiismo tra jarcentoj kaj sendepende de la ĉiufoja „doktrino" partoprenas la disbatadon de naciaj liberigaj movadoj kaj la strangoladon de progresivaj strebadoj, per kiu ĝi provas konservi la potencon al murdemaj diktaturoj – tiel okazis en Gvatemalio, Irano, Sudvjetnamio, Ĉilio, Nikaragvo ktp. – . Kaj en ĉio ĉi la amasmedioj de FRG fervore donas flankantan pafhelpon. Neniu fanfarona fortelmontro de la usona administracio, kiu ne estus senrezerve subtenata de la fiagitistoj en FRG. En tiu kontraŭkomunisma kalumnia kampanjo oni aŭdas nur ege malofte ankaŭ tian sobran ideon, kiel laŭtigis ĝin la jam citita „Süddeutsche Zeitung" per la rimarkinda konstato: „De la Carter-doktrino, anoncita kun tiom da antaŭaj laŭroj, la mondo povas ne multe atendi." Ĝi povas, kiel oni ja devas aldoni, atendi tute nenion, kio estus positiva por la popoloj, por la homaj rajtoj kaj por ties plej grava – por vivo en paco.

(El „Horizont" n-ro 7/80 trad. D-ro Karl Schulze.)

Armin: Mia nomo estas Armin. Mi havas dekkvin jarojn kaj vivas en Frankfurt. Mia lernejo estas la Falk-Real-lernejo. Mi frekventas la klason 9a.

Kaj-Uve: Mia nomo estas Kaj-Uve. Mi havas dektri jarojn kaj vivas en Frankfurt.

Demando: En kiu lernejo?

Kaj-Uve: En la kompleta lernejo de Bockenheim-Süd.

Demando: Kiun klason vi frekventas?

Kaj-Uve: La okan.

Demando: Kial plaĉas al vi ĝuste tiu-ĉi libro?

Armin: Ĉar iel imponas al mi, ke infano iras al milito, kaptas spionon, mortigas lin kaj ricevas por tio „Eisernes Kreuz" (feran krucon)[3]). Tio iel imponas al mi. Mi ja ne trovas bona la sencon, ke la soldatoj forkuras, kaj oni prenas la infanojn, sed ...

Kaj-Uve: Do estas interese, kion tiuj faris tie.

Armin: Tio interesas min, kiel kaj kio okazis dum la dua mondmilito.

Kaj-Uve: Ĉar la plenkreskuloj ĉiam rakontas tiom pri ĝi.

Armin: Ili rakontas pri la milito, kion ili travivis ktp.

Kaj-Uve: Kaj kiaj grandaj herooj ili estis. La popolo fidis al Hitler.

Armin: Jes, komence jes, ekde 1933. Tiam ja estis roza tempo por Germanio – kompreneble ĝis la milito. Aŭ en 1938, tiam li ja faris interkonsentojn kun aliaj landoj.

Kaj-Uve: Jes, tiam Germanio prosperis.

Armin: Sed en 1939, tiam komenciĝis. Tiam li unue, en 1939, konkeris Pollandon. Tiam, en 1940, li konkeris Francion, kaj fine, en 1941, li faris militiron kontraŭ Ruslando, ĝis 1942/1943. Kaj tiam ŝajnis, ke Germanio venkos la militon. Sed poste, kiam ni malvenkis la Ruslandan militiron, kiam nia armeo estis oferaĉita, kiam la ...

Kaj-Uve: Kiam venis la „Ami" (amerikano).

Armin: Kaj tiam la resto ja perfidis nin, la italo forlasis nin ktp. En Afriko ni jam majstris la situacion kontraŭ la anglo, kaj tiam ĉio venis per unu fojo. Tiam la ruso enmarŝis, tra Berlino, kaj ĉiuj de niaj militbazoj jam rompiĝis. Adolf povintus gajni la militon. – La afero kun Pollando tion oni faris lerte, tiun „repafadon" ... Pollandon li ja ekhavis tute rapide, kaj kun Francio, tio estis senutila, sed tiam ni havis ...

Kaj-Uve: Ekzemple Stalingrad estus ...

Armin: Sed ke li tiam komencis kontraŭ la rusoj kaj samtempe batalis kontraŭ la angloj. La anglo estis por ni fakte la pereo. Li kunmetis floton, maran potencon. Ni ja ankaŭ havis pezajn ŝipojn, ekzemple „Bismarck" kaj similan, „Graf Spee" kaj la malpezajn kaj pezajn krozŝipojn.

Kaj-Uve: Certe, la ruso nun havis ... la ruso ne havis ŝancon kontraŭ ni. Kaj li retiriĝis pli kaj pli, ĝis venis la vintro. La germanoj, ĉu kion ili havis? Nur leĝerajn vestaĉojn. Ili tute ne havis ŝancojn. Ili nokte frostmortis unu post la alia.

Armin: Sed tio estis sabotado, la malvarmo, la frostmorto, la vestoj. Oni sendis la vestojn, la vintrovestojn al Afriko kaj la somervestojn al Ruslando. Kiamaniere tio povas okazi? Tio estas tute klara sabotado ...

Kaj-Uve: Do ankaŭ mi pensas: Se ne estintus kelkaj oficiroj ktp., kiuj sabotis, tiam Germanio verŝajne estus venkinta la militon. Ĉar ni ja havis sufiĉe da armiloj ktp., ni ja havis la fortosuperecon.

Armin: La oficiroj tute klare kulpis, ke ni malvenkis la militon. Ni havis bonan armeon, ni tute klare estis la pli bona potenco.

Kaj-Uve: Estis nenio pli bona, ol kion havis Germanio. Kaj tiam venas iuj idiotaj oficiroj, ili venas freŝe de la akademio, de la militakademio, kaj ili ricevas titolon, fariĝas kapitano aŭ eĉ eble generalo aŭ io. Kaj tiuj tiam tion gvidas. Anstataŭ preni tiukaze spertan soldaton, tian kaporalon, kiu havas batalspertojn. Ne, oni allasas tiajn spritaĵ-figurojn al tiaj gravaj postenoj. Mi tion ne opinias bona.

Demando: De kiu vi scias ĉion ĉi?

Kaj-Uve: De kiu mi scias tion? Nu, de mia patro. Li ankaŭ ĉeestis en milito, kaj li rakontis al mi, kiaj nekapablaj oficiroj tie ĉeestis, kiuj la tutan militon ...

Demando: Kiajn filmojn vi ŝatas plej multe?

Kaj-Uve: Do mi plej multe ŝatas militfilmojn. Ekzemple, kiam en tia filmo la tankoj atakas. Tiam ne interesas min, kiamaniere oni movas levilon kaj ekveturas kun la tanko, sed kiamaniere ekzemple ili konkeras urbon per tankoj. Kiam ekzemple ĉiuj viciĝas kaj alterne tiom longe pripafas la urbon, ĝis nur restas cindro. Pleje tiuj brutaj scenoj, do la militscenoj, prefere la batalscenoj, kiam ili ekzemple ... ne la pafadon, sed kiam ili kun bajoneto aŭ kun tranĉiloj, kiam ili batalas kun siaj tranĉiloj, kun nuraj




*Junaj membroj de nova faŝisma partio en FRG*
Foto: Zentralbild

manoj . . . ili tiam disvolvis tian povon . . . tio ĝenerale ne estas. Antaŭ ĉio, kiam estas multe da agado en la filmoj, kiam iu kapablas salti de sur domo kaj ekzakte sur alian homon kaj tiam mortigas lin. Kaj tion mi opinias bona. Kiam mi venas el tia filmprezentado, en kiu estis kolose multe da agado, oni fakte estas tiom emociita per la filmo . . . kaj se eksplodus milito, jes, tiam mi volus – nun, laŭ mia pripensado – mi tuj volus kapti armilojn kaj kunfari. Mi nun estus, kiam mi nun vidis en la filmo, ke iu kun la tranĉilo . . . kvankam la alia havas pistolon . . . ekiras kontraŭ la alia, tiam ankaŭ mi provus tion, ĉar tio ankaŭ en la filmo sukcesis. Mi provus imiti la homojn, la heroojn . . .

Demando: Ĉu milito ĝenerale devas esti?

Kaj-Uve: Milito estas neevitebla en nia homaro. La homoj, do la popoloj denove komencas kvereli. Milito, tio simple apartenas al la homaro.

Demando: Kiu viaopinie volas militi?

Armin: Rusoj.

Kaj-Uve: Ruslando.

Demando: Do kial?

Armin: Mi ja ne volas diri, ke ili intencas militon, sed momente do fakte ŝajnas, kvazaŭ ili jam planas atakon.

Kaj-Uve: Iu lando ĉiam intencas militon. Tiel estis ĉiam. Rilate al la dua mondmilito estis Germanio, kaj al la unua mondmilito ankau estis Germanio, bonvolu.

Demando: Kaj ĉu hodiaŭ?

Armin: Kaj nun tute klare ŝajnas al mi esti Ruslando, ĉar Ruslando . . .

Demando: De kiu vi havas tiun opinion?

Armin: De kiu mi havas tiun opinion? Mi mem formas ĝin al mi.

Kaj-Uve: Do el radiaj informoj. Oni do iel aŭdas ion. Ekzemple en gazeta informo, tie mi foje trovis, ke la ruso kolektas siajn tankojn kaj similaĵojn. Estas gazetoj, kiuj kolose bone raportas tion . . .

Armin: Mi informiĝas pri iu temo, kaj tiam mi konkludas el tio mian opinion, kiel kaj kion mi pensas pri tio.

Demando: Kie vi informiĝas?

Armin: El radiaj informoj, gazetoj.

Demando: Kaj kion vi legas?

Armin: Sensaciajn gazetojn, „Bild-Zeitung"-on (bildgazeton).

Kaj-Uve: Mi legas do unue „Bild-Zeitung"-on. Do tion, kion oni legas ĉi-tie en la domo.

Demando: Ĉu vi scias ion pri GDR?

Armin: Tio estas Ruslando.

Kaj-Uve: Tial tio estas Ruslando: La „Ami" ktp., tiuj iam post la milito dividis tion inter si, jes. Kaj la ruso tie nun ordonas. La „ami" ktp., lin ja ĝenerale jam ne konsideras en GDR. Miaopinie tio estas Ruslando, ĉar la ruso plej grandparte regas tie.

Armin: Do, GDR . . . tie la komunismo jam enpenetris. Do, la komunismo enestas en la popolo.

Demando: Kio do estas komunismo?

Armin: Tio estas la maniero de Sovetunio, mi opinias. Komunismo, socialismo, tio do estas . . . kiel mi povas klarigi tion?

Kaj-Uve: Kiel mi aŭdis el la rakontoj de miaj familianoj ktp., tio estas en Ruslando, do la komunismo estas tiel . . . iu partio estas . . . do en la lernejo ni foje lernis tion . . . iu partio estas . . . oni ja povas elekti, sed nur ekzistas sola partio por elektado. Kaj kiu publike diras ion kontraŭ la partio, tiu tuj estas enkarcerigata ktp.

Demando: Kiamaniere vi regus landon?

Armin: Unue fakte purigi la landon. La gemaljunulojn kaj kriplulojn, kaj unue redukti la infannombron ĝis . . . eble ĝis nulaj infanoj. Kaj tiam mi elportigus la maljunulojn kaj malfortulojn kaj ĉiujn kriplulojn, por ke mi havu sanan popolon.

Demando: Kiel vi opinias tion?

Armin: Nu jes, estingi, mortigi . . . Mi venis el militfilm-prezentado, kaj ni interparolis pri terorismo. Tio ja ankaŭ estas interligita kun perfortaj agoj en Germanio. Kaj ni havas . . . kaj ni kaptis la ideon, ke oni devas esti radikala en Germanio . . . ekzemple por teroristoj instali la punon de morto ktp.

Kaj-Uve: Jes, kaj kiam la puno de morto ne efikas, oni povus agi tute ruze. Ekzemple oni lasas malfermita la pordon . . . kiam venas la teroristo, oni simple pafas. Poste oni diras: Alten la manojn!

Armin: Mi ordonus punon de morto por teroristoj. Kaj krome mi torturus ilin publike. Tia sadisto mi estus. Tiam tio subite finiĝus. Kiam ili vidas, ke iliaj kunuloj estis pendumitaj je la piedoj kaj malrapide oni en iliajn vundojn . . .

Kaj-Uve: Kun salo.



*La intervjuitaj knaboj Kai-Uwe kaj Armin. En la fono sur la filmafiŝo oni vidas la filmtitolon „Hitler – Eine Karriere" (Hitler – kariero)*

Armin: Surŝuti salon kaj tiam rapide turmenti, ĝismorte. Tiam tio rapide finiĝos. Eble okazos kelkaj ribeloj, kaj ili diras: Nu, nun ni venĝos nin por niaj kamaradoj.

Kaj-Uve: Tiam ni ankoraŭfoje komencas . . . se mi fariĝos policisto, mi verŝajne pafus pli frue ol la aliaj, mi pafus glacie malvarme.

*

Post fino de la lerneja tempo respektive metia lerntempo Armin intencas fariĝi profesia oficiro ĉe la „Bundeswehr" (federacia armeo), Kaj-Uve ĉe la polico aŭ federacia armeo. Post tri respektive kvin jaroj ili estas pretaj por la novaj jarserioj de la FRG-armeo, kiu havas gvidan rolon interne de NATO!

(El „DDR-Revue" 9/79
trad. M. Arnold)

[1]) „Hitler-knaboj",
[2]) faŝista militkrimulo, libere vivinta en FRG
[3]) faŝista militordeno

# 35 jaroj liberigo de la germana popolo el la jugo de la faŝismo

*Antaŭ 35 jaroj la Ruĝa Armeo kaj la armeoj de la Alianculoj liberigis la germanan popolon de la faŝismo. La plej grandan militan pezon portis Sovetunio. Ĝis kiam ĝiaj trupoj atingis Berlinon, fine kaj definitive frakasinte Hitler-on, Sovetunio devis elteni teruran batalon.*
*Famiĝis la 900-taga rezistado de Leningrado, dum la tempo de la blokado 1941–1944. La konata soveta verkisto Nikolaj Tiĥonov verkis du skizojn pri tiu malfacilega tempo.*

**N. Tiĥonov**

## Malamiko ĉe sojlo de la urbo!

En tiuj ĉi tagoj german-faŝistaj hordoj tiel proksimiĝis al la urbo, ke de tegmentoj de altaj domoj oni povis vidi iliajn poziciojn. Tramoj iris nur ĝis la pordegoj de Kirov-uzino kaj konduktorinoj anoncadis: „La vagono ne plu iros. Plue estas la fronto".

Trajnoj jam ne povis iri ien ajn, kaj ĉio ŝajnis terura fabelo: kial do oni ne povas veturi al rimarkindaj leningradaj apudurboj, nek al Peterhof, nek al Detskoje Selo, nek al Gatĉina – promenadi en la parkoj, ripozi sur la marstrando, viziti la famekonatajn palacojn! La vaporŝipoj jam ne povis naĝi sur Neva ĝis Slisselburg – tie jam estis germanoj. Junaj leningradanoj soldatiĝis kaj batalis sur la kampoj kaj en la arbaroj, kie ili petolis dum sia infaneco.

Leningradanoj leviĝis por defendi sian naskiĝurbon. Senĉese sur stratoj marŝis taĉmentoj, novaj batalionoj iris al la batalo. Kaj la iro estis mallonga – tio estis la plej terura kaj neordinara.

Tie kie estis paca astronomia Pulkov-observatorio pafis kontraŭ-aviadilaj baterioj kaj tie kie ĉiam regis silento aŭdiĝis senĉesa bruado.

La forirantajn militistojn adiaŭis iliaj parencoj. Kuniris la patrinoj kaj edzinoj, portante surmane la infanojn. Ili kuniris ĝis tiu loko de la vojo post kiu jam eksplodis obusoj.

Iu juna flegistino adiaŭis la patrinon kaj fratinojn kaj eliris el la hejmo. Ŝi veturis per tramo tra la urbo kaj la urbo ŝajnis al ŝi pli bela ol iam ajn, ŝajnis ke la malamiko estas ie malproksime. Sed post kelkaj horoj ŝi jam rampis sur herbo ekaŭdinte alvokon de vundito kaj malfermante sian medicinistan sakon. Subite ŝi ekaŭdis raŭkajn kriojn kaj ekvidis homojn en nekonata uniformo. Tio estis atakantaj germanoj – rekte kontraŭ ŝi.

La junulino rampis en kavon post obuseksplodo kaj ekestis inter du militlinioj. Sovetianoj komencis pafadon kaj germanoj alteriĝis. La germanoj rimarkis la junulinon en la kavo, kriis kaj blasfemis. Ŝi ankaŭ komencis pafi preninte pafilon ĉe grave vundito. Soveta oficiro diris:

– Ni savu nian junulinon!

Li alvokis soldatojn por kontraŭatako kaj la germanoj estis forpelitaj. Dum la atako la junulino estis vundita. Oni sendis ŝin en Leningradon al hospitalo sed jam vespere ŝi sufiĉe bonfartis kaj iris hejmen por ripozi kaj matene reveni al batalo.

Ŝi denove vidis la konatan por ŝi urboparton – Vasilevski Ostrov, riveron Neva kaj stratojn kun ombroplenaj arboj, la domon kie ŝi naskiĝis, siajn patrinon kaj fratinojn. Al ŝi ŝajnis ke ŝi travivis la tutan vivon, sed post tiu minuto kiam ŝi matene forlasis la hejmon pasis nur dek horoj.

Jen kion signifas – la malamiko ĉe la sojlo!

... Sur stratoj marŝis kaj denove marŝis leningradanoj al la fronto. Ŝajnis ke la urbo naskas novajn kaj novajn regimentojn kaj ke tian forton povas superi neniu malamiko. Sed subite sur strato post Moskva-stacidomo aŭdiĝis eksplodoj. En la ĉielo forestis aviadiloj kaj oni ne anoncis kontraŭaviadilan alarmon. La fumo disiĝis kaj sur la tero restis kavoj.

Tio estis la unuaj kavoj post la unuaj germanaj obusoj trafintaj en la urbon. Poste oni kutimiĝis al ĉiutaga pripafado de la urbo, sed tiumomente tio estis io nova.

(Tradukis G. Teterin, el „Por la Paco", X, Moskvo 1971)

## Tiel oni vivis dum tiuj tagoj

Ho, tiuj sunplenaj, helaj tagoj, plenaj da frosta kraketado kaj frosta vento – la tagoj de la unua blokada vintro! Ĉarmo de ĝardenoj kun branĉoj superŝarĝitaj per neĝo, surŝutitaj per brilanta prujno; kvazaŭ la naturo deziris speciale substreki kiel luksa estas ĝia vintra vivo kaj kiom malhela estas la vivo de la sieĝita urbo.

Sunsubiro sur la rivero Neva. La fajra globo de la suno jam estingiĝis post nebulo. Sur ĉio kuŝas senvivaj bluaj ombroj. La ŝipoj, travintrantaj sur la rivero, ŝajnas esti forlasitaj de homoj, la ferdekoj estas dezertaj. Neĝamasoj kuŝas sur la kajo – eĉ unu animo forestas ĉi tie. Maldensa ĉeno de homoj iras trans la rivero malrapide – malrapide, kvazaŭ ili timas rapidpaŝi. Ili ne povas tion fari.

Ili sin trenas kvazaŭ fantomoj, envolvitaj ĝis okuloj. Neĝuragano forblovas iliajn spurojn.

En la urbo forestas pano, varmo, lumo, akvo. Ĉi tien, al Neva, al surglacia truo ĉe ŝtona ŝtuparo iras por preni la akvon virinoj kaj infanoj. Ili similas eskimojn, tiel pezaj estas iliaj vestoj. Ili surmetis ĉiujn varmajn objektojn, sed tamen ili sentas malvarmon, ĉar ili fariĝis malfortaj pro malsato. Sed tamen ili iras pro la akvo, por alporti ĝin hejmen, en siajn mallumajn loĝejojn, kie la murojn kovras atlasa prujno kaj tra la frakasitaj fenestroj en ĉambrojn penetras neĝo. Glacieto kraketas en vakaj kuirejoj.

La virinoj kaj infanoj alkroĉas sur glitveturiloj – sitelojn, ladkruĉojn, kaserolojn – ĉio taŭgas, ĉion oni povas plenigi per akvo, tia glacia, ke estas timige eĉ tuŝi ĝin. Fortoj forestas por rapide malsupreniri al la rivero laŭ glitigaj ŝtupoj, sur kiujn senĉese ĵete elverŝiĝas akvo el la manoj de lacigitaj kaj malfortaj akvoportistoj. Tiu akvo tuj glaciiĝas kiel tavoloj malglataj, dikaj kaj glitigaj.

Turmenta estas eĉ malsupreniro laŭ tiu ŝtuparo. Tamen ankoraŭ necesas levi supren pezan sitelon, kiu fortiras brakojn, necesas starigi ĝin sur glitveturilon

# La sekreto de „Enigma"

Baldaŭ post la finiĝo de la dua mondmilito la ĉefministro de Britujo, Winston Churchill, prezentante al reĝo Georgo VI la ĉefon de la brita sekret-servo diris: „Jen, dank' al sekreta armilo, uzita en ĉiuj frontoj, ni venkis en la milito".
La eldiritaj tiam vortoj povis, kompreneble, surprizi ĉiun, sed ilian sencon oni komprenis multajn, multajn jarojn pli poste, kiam iom-post-iom oni komencis disponigi por konatiĝo la arkivajn dokumentojn el la periodo de la dua mondmilito kaj kiam multajn el tiuj ĉi dokumentoj oni senigis je la stampo „strikte sekreta".
La sekreta armilo, pri kiu menciis Winston Churchill, estis tutsimple la scipovo deĉifri ĉiujn gravajn ordonojn, kiujn en la periodo de la dua mondmilito oni diskonigis el la kancelario de Hitler, el la ĉefstabejo de la „III-a Regno", de la gvidantoj de Wehrmacht, Luftwaffe kaj Kriegsmarine. Pli precize dirite, temis pri la deĉifro de la kodo de hitlera cifermaŝino, helpe de kiu la hitlera komandantaro transdonadis la ĉifritajn ordonojn al siaj militunuoj kaj operacaj grupoj. Tiu ĉi maŝino havis la nomon „Enigma". Deĉifris ĝin poloj.
La tuta afero komenciĝis en la komenco de la tridekaj jaroj, kaj do sufiĉe longan tempon antaŭ la eksplodo de la dua mondmilito. Tiam ĝuste, en la Ĉefstabo en Varsovio, en la oficejo por ĉifroj, oni enlaborigis tri junajn homojn; ili estis: asistanto de la Instituto pri Matematiko en Poznano Marian Rejewski kaj liaj kolegoj – Jerzy Rózycki kaj Henryk Zygalski, kiuj jus ricevis la diplomojn de magistro pri matematiko. Ĝuste la tuta triopo de la junaj kaj tre kapablaj homoj, krome bonege konantaj la germanan lingvon, trapasis specialan eksperimentan-instruan kurson kaj laboris en provizore aganta filio de la oficejo por ĉifroj, establita ĉe la Matematika Instituto en Poznano.
Ilia tasko estis laboro pri malkaŝo de sekretaj germanaj ĉifroj. Kaj ĝuste en tiu periodo – pli precize ekde la 1927 jaro – oni registris ĉe la aŭskulto-fako sekretajn germanajn depeŝojn, pri kiuj eĉ la plej bonaj polaj specialistoj pri la deĉifrado estis senpovaj. La solvon de tiu ĉi enigmo oni konfidis al la junaj poznanaj matematikistoj. Post multaj semajnoj da laboro ili sukcesis malkaŝi, ke la ĉifroj estas aŭdigataj per speciala cifermaŝino. Tiun ĉi maŝinon la germanoj nomis „Enigma". Tiam la pola sekretservo aĉetis en Germanujo la komercan version de tiu ĉi maŝino kaj per ĝi oni ekkonis ĉiujn matematikajn problemojn, necesajn por ekkoni la principojn de la funkciado de la milita versio de la cifermaŝino, kaj per tio – la principojn de la deĉifrado de la ĉifroj. De tiu tempo la hitleraj ĉifroj estis regule legataj en Varsovio, malgraŭ tio, ke la germanaj specialistoj certigis, ke „Enigma" estas de neniu deĉifrebla.
En la 1938 jaro ŝajnis tamen, ke ili pravos. La germanoj modernigis tiam plene la maŝinon, ŝanĝis la kodojn, deĉifrilojn kaj multajn aranĝojn. La hitleraj ĉifroj fariĝis por kelka tempo nedeĉifreblaj. Kolektivo da polaj specialistoj sub la gvido de Marian Rejewski laboris tiam kun duoble pli granda streĉo. Grupo da poznanaj matematikistoj preskaŭ ne forlasadis la sidejon de la Ĉefstabo. Samtempe vigle agis la pola civila servo, dezirante akiri kiel eble plej multe da informoj pri la priservado de la nova germana cifer-maŝino, nomita tiam „Enigma-Du". Fine, el parto de la akiritaj informoj, kiel ankaŭ surbaze de kelkaj sekretaj dokumentoj liveritaj al Pollando fare de la franca sekret-servo, la polaj specialistoj pri la legado de la ĉifroj, helpe de la kolektivo da inĝenieroj kaj teknikistoj, malkovris la modelon de „Enigma II". Proksimiĝis la momento, en kiu la hitleraj ĉifroj denove estis ĉesontaj esti sekreto por la pola sekretservo. La poloj faris du modelojn de „Enigma II". Ĉe la fino de julio de la 1939 jaro venis al Pollando reprezentantoj de la franca sekret-servo kaj de la angla sekret-servo. En Kabacki-arbaro apud Varsovio okazis tiam strikte sekreta konferenco de reprezentantoj de tiuj ĉi tri sekretaj servoj, dum kiu la poloj informis la gastojn pri la maniero elprofiti la maŝinon kaj pri la laboroj ligitaj kun la deĉifrado de la nova sistemo de la kodoj. Oni dividis tiam ankaŭ la taskojn por la plej proksima estonto.
En tiu ĉi divido de la taskoj la poloj prenis sur sin la teorian flankon de la problemo, la angloj estis liverontaj informojn, laŭ kiuj la ŝlosilo de „Enigma II" funkciis ĉiun tagon. El la du faritaj en Pollando ekzempleroj de „Enigma II" unu oni transdonis al la franca sekretservo, la alian – al la angla sekret-servo.
Kiam en spetembro de la 1939 jaro la hitleraj armeoj eniris Pollandon, la specialistojn pri la deĉifrado de „Enigma II" oni tuj transportis tra Rumanujo al Francujo. Tie la franca sekretservo kreis al ili apud Parizo bonegajn kondiĉojn por la plua laboro.
Nun, kiam ĝis la definitiva solvo de la enigmo de „Enigma II" jam mankis nur kelkaj ĉeneroj, la laboro antaŭeniris tre rapide. Des pli rapide, ke neniu ŝparis la fortojn, neniu kalkulis la horojn pasigatajn ĉe la laboro. La tutan entreprenon gvidis pola matematikisto Marian Rejewski. Fine, la 17 de januaro de la 1940 jaro, la nova sistemo de la germana cifer-maŝino ĉesis esti sekreta kaj nekomprenebla. La maŝino „Enigma

---

kaj la glitveturilon altreni hejmen, kaj la hejmo estas ĉe Isaaka-katedralo kaj eĉ pli malproksime.
Knabinoj, kompatante la patrinojn, malsupreniras kun tekaldronoj alkroĉiĝante al frostigitaj ŝtonaj muroj, prenas akvon, supreniras kaj verŝas la akvon el la tekaldronoj en sitelojn. Kiom da fojoj necesas malsupreniri kun tekaldrono, porti ĝin per ambaŭ manoj revenante, ĉar peza ĝi estas tiu maloportuna kaldrono! Neĝaj tuberoj pro verŝita akvo aperas sur vesto. Vento transformas ilin en glacion. Vaporo iras el buŝo. Homoj spiras per malfermitaj buŝoj. Tio, kio estis gaja amuzo aliatempe, nun fariĝis infere malfacila afero.
Akvo! Vi malfermas kranon kaj strie fluas blanka ŝpruco, fluas senfine. Vi malfermas kranon, varman kaj malvarman, kaj la bankuvon enfluas blueta krepusko, kiu ebriigas vin per varmo. Kaj kiel estas agrabla post la banado – forta, varmega teo kun konfitaĵo!
Tio estas tiel simpla: se la krano malfunkcias, vi telefonas kaj tuj venas al vi riparisto – bravulo ŝercema, altkreska kaj lerta. Li rapide riparos viajn kranojn kaj tubojn.
Kaj jen – ĉio forestas. Mortis ĉiuj kranoj, ĉiuj tuboj estas mortaj. Malamiko ĉirkaŭas la urbon per blokado. La malamiko volas mortigi leningradanojn per malsato, igi ilin plendi. Sed ĉiutage veraj procesioj timigaj kaj longaj iris tra la urbo pro akvo – tio estis nevenkeblaj leningradanoj, kiujn nenio povis fleksi.

(Elrusigis Z. Semenova, el „Por la Paco", X, Moskvo 1971)

II" komencis agi kontraŭ la armeojn de Hitler.

La angla kaj franca sekret-servoj, povante jam deĉifri la hitlerajn ordonojn, timis nur, ke en la okupaciata de la germanoj Pollando la malamiko povas trovi spurojn de la agado de la pola oficejo por ĉifroj, aŭ orientiĝos, ke la poloj laboris pri solvo de la sekreto de la maŝino „Enigma", aŭ ke povus okazi, ke iu el la inĝenieroj aŭ teknikistoj partoprenintaj en la laboroj, malkaŝos al la malamiko la treege gravan sekreton.

Ĉi-specaj timoj estis tamen tro fruaj. Ĝis la fino de la milito eĉ ne plej eta informo pri tiu ĉi temo atingis la germanojn.

Hodiaŭ, multajn jarojn post la milito, eĉ al simpla laiko estas malfacile subtaksi la gravecon de la malkovro de la polaj specialistoj. Sufiĉas diri, ke dank' al la transkaptado de la germanaj ordonoj, la komandantaro de la aliancaj armeoj en la okcidento konis la hitlerajn planojn de la invado kontraŭ la britajn insulojn, la precizajn datojn de la hitleraj aeroperacoj, al kiuj tiom heroe kontraŭstaris la alianca aer-forto, en kiu agis ankaŭ la pola aviado.

Dank' al la ekrego de la sekreto de „Enigma II" estis precize konata la dato de la hitlera aer-atako kontraŭ la urbon Coventry, la operacaj planoj de la armeoj de Rommel en Afriko, la regionoj de la aktivado de la hitleraj subakvaj ŝipoj, la nombro kaj armilar-stato de la germanaj taĉmentoj defendantaj sur Monte Cassino la alireblon al Romo. La kono de la germanaj ĉifroj permesis ankaŭ al la alianca komandantaro absolute plenan konstaton, ke la malamiko ne atendas invadon en la regiono de Normandio. Kiom da soldatoj oni savis dank' al tio ĉi?

Ni menciis nur parton de la ekzemploj. Ne ĉiuj aliancarmeaj dokumentoj rilatantaj al „Enigma" jam estas malkaŝitaj.

Multaj el ili kuŝas ankoraŭ en sekretaj arkivejoj. Sed tamen unu afero estas nekontestebla – tiun ĉi sekreton solvis polaj specialistoj, kaj kelkiuj herooj de la agado „Enigma", inter ili Marian Rejewski kaj Henryk Zygalski, vivas ĝis hodiaŭ.

(Laŭ Pola Radio, Esperanto-redakcio)

Bernd Jentzsch

# LA IL-FLAGO

Avo streĉas sian poŝhorloĝon multe tro ofte. La tutan longan tagon li tenas ĝin en la mano kaj komparas senlace, ĉu ĉio okazas laŭ la ĝusta sinsekvo. Frumatene li staras la unua sur la kruroj, nur poste leviĝas la virkoko. Kiam avo surmetas la antaŭĉemizon kaj la virkoko ankoraŭ ne kokerikis, li treniĝe iras al la kokejo kaj frapas al la tabulvando. Nu, jen denove via malordemo! En la najbara domo jam tintas la bluaj-blankaj kafotasoj. Komercisto Lindeler butonumas sian veŝton el silkrepso, kaj akurate je la kvina kaj tridek li krakadas per la Framo-aŭto laŭ la vilaĝa strato, por aĉeti en la subdistrikta urbo blokmalton, kafosurogaton kaj akrajn lavpulvorojn por sia nutrajbutiko.

Lina, nejuna fraŭlino, kiu de post la morto de avino prizorgas la mastrumadon por avo, ĝustatempe malfermis la fenestrojn de la du dormejoj kaj kuspis la plumkovraĵojn sur la ĉepiedajn finaĵojn. La nuboj moviĝas super la domo kun adekvata rapideco. Malsupre en la herbo ventumas la vento. Avo estas feliĉega. Li iras en la kuirejon kaj prenas fortikan matenmanĝon. La fumaĵitan lardon li frandas de sur la tranĉilpinto. La aero fleksiĝas pro multaj facilmovaj, flirtantaj, profundaj, bone balanciĝantaj notadoj pri la horo. Sonmekanismoj kaj mekanikaj voĉoj moviĝas. Dufoje la kukolo, katenita per reveniga risorto, saltas el la dometo. En la loĝoĉambro mûĝas dek unu sonoj de Westminster-horloĝo. Kvazaŭ aro da vitraj abeloj ok sonoj de sonoriletoj ek- kaj forflugas el la dormĉambreto. La poŝhorloĝo de avo vibras apud la lardotranĉilo. Lina, kies oreloj sen tio nur estas imitaĵoj, nur bezonas retrokalkuli kvin minutojn, kaj jam ŝi trovis la akuraton horon. Avo amas siajn horloĝojn. Li diras, ke ili indikas, akurate je la sekundo, la lokajn horojn de ĉiuj landoj, kiuj plej brave avancas kontraŭ la regno. Kiam ili marŝos tra Braŭnsdorf ĉe Mulde, li svingos la konvenan flagon kaj krios al la soldatoj la hejmlandan horon. El la flikpeca kesto de avino eliĝas por li abundo da flagmaterialo. Ĉu necesas mencii, ke la alkriojn li eligos en la lingvoj de la koncernaj landoj? De post Stalingrado li aŭskultis pro tio certajn sendstaciojn. Kaj kie aliloke la trupoj laŭmarŝos, se ne laŭ la ĉefstrato, kiu ligas Leipzig kun la domo de avo. Eble ĉe la piedo de la monumento memore al la Batalo de l'Nacioj oni ordonos iomete interrompi la triumfiron, ĉar tiu konstruaĵo tuŝas profesiajn interesojn kaj estas la unua kultura prezentaĵo de post Minsk aŭ Normandio, tiel ke la vojaĝo tra Braŭnsdorf ankoraŭ prokrastiĝos iomete. Avo faris siajn preparojn. Hodiaŭ antaŭtagmeze Lina finfine kudros la serpon sur la preskribitan lokon. Kial do ĝi troviĝas sube de la martelo? Lina diras, ke ĝuste tiel estas la ordo, laŭ kiu la iloj estas aranĝitaj en la metia remizo de avo.

Intertempe jam plenumiĝis la sepa horo. Avo paŝas antaŭ la pordon kaj rigardas laŭ la vilaĝa strato. Jen li vidas ion kirliĝantan, ventradon de homalto, kiu proksimiĝas rapide kaj montriĝas en la fokuso de lia maljunaĝa miopeco kiel Teichel-Edmund. La aranee gestantaj manoj malutilas al la fajnagordado de la ricevo. Kiam eblas akuste deĉifri tiun Edmund, avo tiras la buŝangulojn malsupren. Do ĉe Meuselwitz la antaŭenmarŝo de la rusoj estis haltigita de la civilula sturmtaĉmento, kaj komercisto Lindeler komandis ĝin. Kiel unua faro avo eksidas sur la ŝtona benko apud la dompordo. Do ili apenaŭ restadis iomete ĉe la monumento memore al la Batalo de l'Nacioj, vigle marŝis antaŭen, kaj mallonge antaŭ la celo interkirlis ilin tia komandanto kun sia bataldevigita Framo-armilo kaj en sia veŝto el silkrepso.

Poste eksonas bumsti! Avo manipulas ĉe la poŝhorloĝo kaj traktas la kronon, kiu obeas kaj ne kontraŭstarigas rezistom, ĉar la risorto disiĝis per unu eko, sekve de kio la balanciero ĉesis balanciĝi kaj la montriloj vigle forglitis: Kie sur la trementa tergrundo de Dio nun estas la naŭa kaj kvarono akurate? Kune kun la poŝhorloĝo, kiu, tamen, montras pli grandajn balistikajn kapablojn, avo forlasis la ripozbenkon, kvankam sekve de premo, nome aerpremo, kaj nun li kuŝas surventre en la herbo. Tuj li volas rigardi – leviĝi sur la krurojn li senpene kapablas –, kiel aspektas la aliaj aparatoj ne regulitaj laŭ regna tempo, ĉar nun simple paroli pri horloĝoj li ne emas post tiu timbala aŭ kanona bato. Avo havas antaŭsentojn kaj enorelan susuradon. La bona Lina, kiu kaŭras en sia dormoĉambreto kaj kudras la flagon, paŝas al la fenestro kaj montras kelkajn senkoherajn partojn de la sonorileta horloĝo, ĉe kio ŝi kredinde asertas, ke ŝi ne tuŝis ĝin per la kudrilo. Vian malbonaŭdon benu Dio, avo krias supren al ŝi, kaj kapmove Lina prenas tion kiel rekonon de sia pruvita tiurilata senkulpeco. En la ĉambroj, kuirejo kaj loĝoĉambro, kiujn avo inspektas de sur la stratflanko, la sama sentempa bildo, kukolo kaj Westminster – oni volus diri: Paco al ilia cindro.

Avo estis antaŭdirinta al si trankvilan

tagon, la nuboj moviĝis super la domo per adekvata rapideco, malsupre en la herbo ventumis la vento. Tagmeza ripozado, komparo de la horoj, fumaĵita lardo de sur la tranĉilpinto: tion li antaŭvidis veni. Kion li nun vidas veni, estas la pintoj de la unua ukraina fronto. La kanonbatoj finiĝas. Estas trankvila pretermarŝo, por kiu, konsidere al la kampara regiono, la komandanta generalo serie konektis sesdekon da kampĉaroj. Havigi la akuratan horon momente ne eblas, kaj kiel deĵorinta riverinspektoro avo ja ne donos nefidindajn indikojn, des malpli en fremdloka dialekto. Li limigas sin al ŝultrolevado. Sed la bonaj spiritoj tute ne estas formortintaj. Lina finis la surkudradon kaj kiel signo de sia kapablo manipuli simbolajn ilojn, ŝi flirtigas la martelo-kaj-serpo-flagon el la fenestro de la dormoĉambreto. Detala svingado ne volas ekesti: Kion Lina ne aŭdas, tion perceptas ŝiaj okuloj. Dum ŝi ĝismorte ektimas kaj mortante informas avon pri la proksimiĝo de la regna armeo, la flagtuko glitas el ŝiaj manoj kaj senhaste glisas malsupren direkte al la venkinta drako. Kiel iam sur foiroj de pacaj tempoj la tendotukoj, dum la veturado malsuprenigitaj sur raŭpsimilan karuselon, instigis la kamparan junularon al longaj kvikoj kaj ĉarma siblado, tiel nun la defilantaj trupoj estas kaptitaj de forta sento, tiel ke la betuloj de la hejmlando aperas antaŭ iliaj okuloj.
La armekorpo ekhezitas. En la fenestra aperturo neniu estas videbla, ĉar Lina kovas sian timon en la kokejo. Tute senintence avo fariĝas demonstra objekto. Pli rapide ol koncentraj cirkloj disvastiĝas en akvo, antaŭ la domo de avo ekplantiĝas atendoplena duoncirklo. Avo kapablas duonkompreni, ke oni ne demandas lin pri la horo. Pri kio alia do? Oni tute ne demandas. Ĉirkaŭprenoj kaj dankoj kaj ĉiu tria okulo humida. Mi ja kutimis al ne malmulto, avo resumas sian ĝisnunan vivon, sed via maĥorka-tabako ja estas fia langmordulo. Majo eĉ mildigas la rigoran kazon de nedaŭra enloĝigo. Situanta meze de la vilaĝo kaj ĉe la ĉefstrato, memkompreneble masiva kaj loĝejo de nia kara kamarado: Kial oni tiuokaze serĉu alian domon por la loka komandanto? Por avo ĉiuj vojoj estas malfermitaj. Li scipovas legi kaj skribi, kiel oni ekscias per demandoj, li estis riverinspektoro: Do, tuj morgaŭ vi povos aranĝi al vi vian kabineton. Mi pensiuliĝis jam en la tridekoka jaro: Avo ekprenas esperon, same la aliaj: Kiu ripozis tiel bone, translokos montojn, kaj montojn vi devos transloki kiel vilaĝestro.
Bona estus nun konjako aŭ prova gluto el la rumpoto, kiun avo prefere prisilentas, ĉar li ne estas avo de nova tipo. Li prezentas pretekstojn pri sia netaŭgeco por tiu ofico: reŭmatismon, la ĝardenon kaj diskverelon kun sinjoro subdistriktestro en la subdistrikta urbo. Tio perfektigas la aferon. Aŭ ĉu eble la grandbienisto Kothe pluе estru la vilaĝajn aferojn? Finfine oni eĉ ne hezitos nomi Wibberich, Kragelstein, Näther kaj Supel, ĉiuj pure brunkoloraj Braŭnsdorf-anoj. Krome kelkaj dekduoj da nomoj, kiuj sonas jam pli bone, ja troveblas sur krucoj el betula ligno kaj kelkaj tute ne. Kaj kio koncernas sinjoron subdistriktestron, en tio avo rajtas esprimi sian opinion. Pro hokfiŝado sen hokfiŝa permesilo la maljuna Wigorski principe ne plu estos eligata el la servistara domo, kaj krome li estos tuj enigita en la sinjoran domon.
Kaj avo streĉas multe tro ofte sian poŝhorloĝon. Kelkfoje, dum maltrankvila dormo kaj ĉiuokaze nun, lia dekstra dikfingro kvazaŭ per si mem glitas sur la meza kaj montra fingroj, kvazaŭ li turnus la kronon. Ankaŭ al vi mi unue devas trovi la ĝustan sintenon, avo interne rezonas, kaj kiel vilaĝestro li antaŭrange hejmenvenigos la komercistom Lindeler. Poste li haltigas la spiron. Sed facile ne estas al li.

(El la novelaro „Bettina pflückt wilde Narzissen" (Bettina plukas sovaĝajn narcisojn) trad. D-ro Karl Schulze, Berlin)

---

# Konkreta historia lekcio

Apenaŭ revenintaj el mallonga vojaĝo tra kelkaj socialismaj landoj de Eŭropo, ni estas ankoraŭ sub forta impreso de ĉio kion ni vidis en la vizititaj lokoj.
Hazarde nia vojaĝo preskaŭ sekvis la spurojn de la dua mondmilito. Ĉie, en Ĉeĥoslovakio, DDR kaj Pollando, oni elvokis al ni precipe la teruraĵojn de la plej detrua milito el la historio . . .
En la centro de Berlino ni jam estis vidintaj kiom senglore finiĝis, post neimageblaj viktimoj flanke de la tuta homaro, tia freneza entrepreno.
En Varsovio, Berlino kaj aliaj vizititaj urboj, ni ne povis kredi al niaj okuloj, ke tiaj juvelaj placoj, avenuoj kaj kvartaloj renaskiĝis, kiel birdo Fenikso el sia propra cindro kaŭzita de la plej detrua milito.
La palpebla kontrasto inter la obskura pasinteco kaj la brilanta estanteco plifortigis en ni la konvinkon, ke ni devas fari ĉion por defendi la pacon, la plej necesan bonon de la homaro; ni devas fari ĉion por haltigi la frenezan vetarmadon; ni devas fari ĉion por ke la raciaj estaĵoj ne ĉasu plu unu la aliajn kiel la plej sovaĝaj bestoj, ni devas fari ĉion, por ke la fanatismo – ĉu religia, ĉu politika aŭ alispeca – ne detruu plu brutale niajn moralajn kaj materiajn valoraĵojn, ellaboritajn dum jarcentoj per tiom da klopodo fare de la plej elstaraj reprezentantoj de nia speco en ĉiuj generacioj; ni devas fari ĉion, por ke la mirinda Alexander-Placo en Berlino, la moderna komerca centro en Varsovio kaj ĉiuj ceteraj mirindaj rekonstruaĵoj ne transformiĝu denove en grandegaj rubaĵamasoj; fine, ni devas fari ĉion, por ke la racio, esenco de nia digno kaj fiereco, okupu sian merititan lokon en nia civilizita mondo, por prilumi nian vojon kaj gvidi nin al vera humanismo.
En la okcidenta parto de Berlino, kuŝas la iama domo de la naziista Parlamento (der Reichstag). Oni diris al ni, ke oni volas rekonstrui ankaŭ tiun historian konstruaĵon. Kompreneble, ke la forigo de ĉiuj sekvosignoj de la terura evento devas ĝojigi nin, sed eble estus oportune, ke tiu monumento de trista rememoro restu en sia nuna lamentinda aspekto, kiel simbolo de totala malvenko de militisma aroganteco kaj elokventa lekcio de la historio. Ĝi devas konkrete montri al aliaj eventualaj militarismaj aventuristoj, kien nepre kondukos ilia frenezeco. Tio konvinkos eble ankaŭ ilin, ke la sola alternativo por konstrui mondon pli justan kaj pli bonan restas la vojo de la pacaj traktadoj, ripetfoje proponita kaj strikte respektata de la socialismaj landoj . . .

Toma Macovei, Rumanio

Nadija Andrianova

# Unu paĝo el la granda vivo

## (Historio de unu Lenin-busto)



En 1978 jaro, kolektante la materialojn por la planota libro – „Sukcena bordo", dediĉita al unu el 15 sovetaj respublikoj – Latvio, mi pasigis tie en oficvojaĝo kelkajn neripeteblajn monatojn, plenplenaj da streĉa laboro, vojaĝoj, renkontoj kun interesaj homoj kaj diversaj homsortoj.

Tiutempe, dum la laboro en arkivoj, bibliotekoj, trafis miajn manojn tre interesa materialo, kunligita kun la historio de mondfama nun ruĝmarmora busto de V. I. Lenin, skulptita antaŭ pli ol kvindek jaroj en Parizo fare de unu talenta latvadevena majstro. Opiniante ĝin interesa ankaŭ por la vasta E-legantaro, mi decidis rakonti pri ĝi sur la paĝoj de ĉi tiu revuo.

Kiel sciate, la antaŭrevolucia vivo kaj agado de V. I. Lenin dum multaj jaroj estis intime kunligitaj kun Parizo. Li tre ŝatis Francion, plurfoje revenadis tien kaj multaj lokoj en ĉi lando konservas la memoron pri lia restado tie.

Unuan fojon Lenin venis Parizon en 1895 j. Juna 25-jara marksisto travivis tiam antaŭnelonge grandan familian tragedion – la ekzekuton de sia pli aĝa amata frato Aleksandro kaj li mem estis persekutata de la polico. Sed li venis kaj tuj enprofundiĝis en la streĉa plena de arda entuziasmo kaj vervo laboro: renkontiĝadis kun la samlandanoj, politikaj elmigrintoj, kiel li mem, lekciis, disputis, zorgis pri fondiĝo de tipografio, preparis partiajn kongresojn kaj konferencojn, skribis artikolojn por gazetaro, verkis librojn... Senlaca, senĉesa laboro, batalado... Vere titana laboro!

Nun multaj francoj kaj turistoj diversnaciaj vizitadas domon № 4 sur la strato Mari-Roz, kie li loĝis en 1909 ĝis 1912 jj. – nun estas la modesta muzeo tie: nur la plej necesa meblaro kaj multaj libroj kaj periodaĵoj, same kiel en aliaj liaj muzeoj; en Smolnij, en Kremlo, Gorki...

Pri kelkfoja pli-malpli longdaŭra restado de Lenin en Francio (Parizo, Bretonio, Longvi, Pornik, Nico k.a.) tutkompetente rakontis en sia artikolo „Lenin en Parizo", skribita speciale por la moskva revuo „Jarcento XX-a kaj Paco", en la jaro 1970, kiam la tuta progresema homara solene celebris la 100-jaran lian jubileon, la filino de la plej elstara aganto de la franca komunista movado Marsel Cachin (Kaŝen) – Mari-Louise Cachin-Ĵak. En sia artikolo la aŭtorino skribis ankaŭ, ke en Francio A. V. Lunaĉarskij konatigis V. Uljanov kun talenta skulptisto Aronson, menciis pri lia bonega skulptura portreto de Lenin, kiu estis siatempe grandsukcese ekspoziciita en Parizo.

Kaj jen en miaj manoj la eseo de A. Lunaĉarskij „Lenin el ruĝa marmoro". El ĝi ni ekscias jenon.

... Unufoje frumatene iu delikate frapis je la pordo de la ĉambro en la hotelo „Ora leono", kie li loĝis kun sia edzino. Lunaĉarskij atendis la alvenon de Lenin, sed persone ili ankoraŭ ne estis konataj. „Mi ellitiĝis, – rememoras Lunaĉarskij. – Sur la ŝtuparo estis mallume. Mi ekvidis nekonatan viron en kaskedo, apud liaj piedoj staris la valizo...

– Mi estas Lenin. La trajno venis ege frue, – diris li.

– Jes, – konfuzite respondis mi. – Edzino mia ankoraŭ dormas.

Lasu vian valizon ĉi-tie, ni iru trinki ie kafon..."

Kaj li gvidis la gaston al ateliero de sia bona konato, skulptisto Naum Aronson, kies labortago komenciĝis kutime treege frue...

Tiel okazis la konatiĝo hazarda, kiu kroniĝis per la kreo de unu el la plej esprimplenaj skulpturaj portretoj de V. I. Lenin. N. Aronson rememoris post jaroj, ke la personeco de Lenin profunde impresis lin de la unua rigardo, precipe lia potenca kranio – „sokrata" kranio, kiel difinis li por si mem.

Kaj tuj la skulptisto esprimis la deziron skulpti la buston de sia hazarda gasto, ankoraŭ tute ne imagante, kion signifos tiu homo en la historio de la homaro, – skulpti almenaŭ kiel la modelo de la greka antikva filozofo Sokrato. Pri tiu sia deziro li duonvoĉe flustris al Lunaĉarskij, petante persvadi la gaston pozi al li.

Kvankam tute ne esperante je konsento, Anatolij Vasiljeviĉ tamen rakontis al Lenin pri tiu peto de la mastro kaj pri Sokrato. La reago estis neatendita: Vladimir Iljiĉ kovris al si per manoj la vizaĝon, laŭte ekridegis kaj longe ne povis halti...

Nur unusola renkontiĝo. Sed la rememoro pri ĝi ne lasis la majstron. Kaj en 1925, jam post la morto de Lenin, li proprainiciative, sen iu ajn mendo, komencis skulpti laŭ memoro la buston de Iljiĉ.

Du jaroj daŭris ĉi laboro. Ĉirkaŭ dudek variantoj de la portreto estis kreitaj, tamen la tre postuleman al si majstron ili ne kontentigis kaj li senkompate neniigadis ilin. Nur en 1927 jaro la artisto finfine eksentis, ke li sukcesis modli Lenin „kiel la inspiranto de milionaj amasoj, kiel simbolo de forto", – tiel skribis li poste en siaj rememoroj...

En aprilo 1927 j. N. Aronson, tiutempe jam mondfama skulptisto, aŭtoro de larĝe konataj statuoj de Danto kaj Ŝopeno, Turgenev kaj Belinskij, Pasteŭro kaj Karl Markso, Mocarto kaj Vagnero, same kiel skulpturaj grupaj komponaĵoj: „Maljuna komunano", „Spartako", „Juno proleto", „Granda Rusio" k.a., speciale venis Moskvon kaj alportis sian novan laboron por ekspozicii ĝin.

Tiam pasis nur tri jaroj post la forpaso de Iljiĉ. La vundo necikatriĝinta estis ankoraŭ tute freŝa en la koroj. Kaj miloj da homoj venadis al Rumjanceva muzeo, kie estis eksponata la busto. Inter ili venis ankaŭ N. K. Krupskaja, la edzino kaj fidela kunbatalantino de Iljiĉ. „Jes, tio estas parto de Lenin", – diris ŝi, kaj ĉi vortoj estis plej alta aprezo ŝiaflanka: ĝis tiam neniu el skulptistoj, kiuj celis enkorpigi la bildon de Lenin, estis indigita per simila laŭdo.

La sukceso estis grandega. Ĉiuj gazetoj skribis pri enorma emocia influo de Lenina portreto, kiu bonege respeguligas lian temperamenton, forton kaj saĝon.

Mi provos fari „vortan portreton" de ĉi busto, nun konstante ekspoziciata en Moskva Centra Muzeo de V. I. Lenin.

Materialo – pecego de ruĝbruna marmoro. La vizaĝo, konata por ĉiu homo sur tuta nia terglobo. Altega „sokrata" frunto. Atentemaj saĝaj okuloj. Energie kunpremitaj lipoj. Homo. Tribuno. Gvidanto. Filozofo... En tiu portreto, ĉizita el eterna materialo

- por jarcentoj, vere estas io eksterordinara, iuj novaj nuancoj
- kompare kun la aliaj samspecaj skulptaĵoj de Lenin.

Kaj kio okazis kun tiu la plej unua busto de Lenin, alveturigita en 1927 Moskvon? Ĝi malaperis senspure. Onidire la skulptisto donacis ĝin al la helpfonduso por senhejmaj infanoj. Povas esti, ke ĉi

gipsa skulptaĵo simple rompiĝis, la materialo je estis ne tro firma. Tamen tiu arta ĉefverko ne pereis. Reveninte Parizon la skulptisto rekreis la saman buston, jam el la ruĝbruna marmoro. Sed kiamaniere ĉi busto trafis la Centran muzeon de V. I. Lenin? Tio ankaŭ estas interesa, duondetektiva historio.

. . . La dua mondmilito ĉirkaŭkaptis preskaŭ tutan Eŭropon. Francio sopirĝemis, sed ne cedis: pli kaj pli ekflamigadis la Rezistomovado de makisanoj. La tero brulis sub la piedoj de faŝistaj okupantoj. Sentante, ke ilia fino, malvenko neeviteble alproksimiĝas, ili febre celis fortransporti el la lando ĉion plej valoran. En unu el tiuj milittrajnoj sub la signo „Absolute sekrete" estis la arttrezoroj de la mondfama ĉefa artmuzeo de Parizo – Luvro.

Tamen la makisanoj-fervojistoj decidis malhelpi tion nepre. Kaj ili elpensis genie-simplan, sed ege riskoplenan planon por trompi malamajn invadantojn: deprenis ĉiujn ŝildojn kun francaj nomoj de stacioj, pendigis iujn germanajn kaj ekfunkciigis la trajnon . . . laŭronde . . . Tio estis vera ludo kun la morto! Sed la sorto favoris al partizanoj: ili gajnis.

La trezoroj de Luvro estis savitaj kaj revenis Parizon, inter ili ankaŭ la marmora busto de Lenin, kiu post la milito okupis sian lokon en la Centra muzeo, lianoma.

Tio okazis en 1956 j., kiam la nevino de N. Aronson venis sovetan ambasodorejon en Parizo kaj, plenumante la volon de la mortinta aŭtoro, je la nomo de lia vidvino kaj ĉiuj familianoj, enmanigis la buston de Lenin al la sovetaj diplomatoj kiel la donaco al soveta popolo. Kaj de Parizo ĝi estis zorgeme ekspedita Moskvon.

Jen kia interesa historio kaŝas sin malantaŭ tiu konata nun por milionoj ruĝmarmora busto de nia senmorta Iljiĉ, kies 110-an jubileon post la naskiĝtado ni soleno celebris en aprilo 1980.

---

**Nadija Andrianova**

## Ĝis kiam nia ter' ekzistos . . .

Planedon turnis tiu Hom' al Suno.
Titan'. Gvidanto. Filozof'. Tribun'.
Li vojon montras al Estont' el nuno –
por tuta ter', simbol' de l'homa jun' . . .
Al junularo testamentis –
studi, studi,
en la teatr' de l'viv',
ne esti nur spektant',
sur „granda sceno"
nur aktivan rolon ludi,
estante firma, celkonscia batalant'.
Nin gvidas lia vero,
granda, aŭdaca,
por la plej altaj idealoj
en batal',
en la epoko nuna,
ŝtorma, mortminaca
ĉi sola vivdonanta vero de l'real'.
En ĉies kor' honesta
lia nomo vivas, –
standardo nia
en batal, labor'.
Kiel la maja tondro
sonas: „LENIN" –
kaj renoviĝas Teron
kun fervor'.
Kaj ĉiam lia suna ver' aktivas,
fiero nia kaj eterna glor'.
En ĉies kor' senmorta
Lenin vivas, –
al nova
hela
mondo
semafor' . . .

Septembro 1979
Kievo

## Porpaca ekspozicio en Samarkando

La 20an de septembro 1979 en la centra ekspozicia salono de urbo Samarkand (Uzbekistan) okazis solena malfermo de la grandskala ekspozicio „Estu ĉiam la paco!" dediĉita al la Internacia Jaro de la Infano. Ĝi estis organizita far Samarkanda Esperanto-Klubo de Interpopola Amikeco kunlabore kun la regiona filio de Uzbeka Amikeca Asocio. Ĉiuj elpaŝintoj aprezis la porpacan aktivadon de samarkandaj esperantistoj kaj substrekis la gravan rolon, kiun Esperanto plenumis en la realigo de la ekspozicio. La ekspozicio estis vere internacia. Estis eksponataj materialoj (porpacaj afiŝoj, flugfolioj, revuoj ktp.) ricevitaj el ĉ. 30 landoj. Pri la evento vaste sciigis gazetaro, aperis tipografie presitaj afiŝoj kaj invitiloj. Ni plenkore dankas al ĉiuj reeĥintoj kaj speciale al la personoj grave kontribuintaj por sukceso de la ekspozicio, Roland Schnell (gvidata de li MEM-sekcio tradukis nian alvokon germanlingven kaj disvastigis ĝin en porpacaj medioj de FRG – vere imitinda ekzemplo!), Lenke Dombovári, Zoltan kaj Eva Váli (Hungario), Joe Gamble (Usono), Henri Masson (Francio), Petro Poliŝĉuk (USSR). La ekspozicio tre sukcese funkciis dum du semajnoj. Estis dediĉite, ke en Samarkando ĝi fariĝu tradicia kaj ĉiujara. Tial nia kluba alvoko restas daŭre valida!

Nadija Andrianova

# La tutmonda forumo de laboruloj

(Fragmento el la libro „Ekbruligis mi fajron en kor'...)

Per la fragmento ni atentigas pri konsiderinda libro kaj ĝia aŭtorino. La libro „Ekbruligis mi fajron en kor'..." aperis en la ukraina lingvo en la eldonejo „Veselka", Kiev 1973 en kvanto de 30 000 ekzempleroj. En 1977 aperis la dua ilustrita eldono per 50 000 ekzempleroj. La libro estas aparte grava por la esperantistaro. Ĝi temas pri mirinda homo, la blinda esperantisto Vasil Erošenko (1890–1952), kiu estis naturtalento, poeto de Oriento kaj Okcidento, „eterna vagabondo" kun eksterordinara sorto. La biografio tuŝas ankaŭ la historion de la Laborista Esperanto-Movado, kiel la fragmento atestas. Recenzo pri „Ekbruligis mi fajron en kor'..." en la UEA-revuo „esperanto" (10/1977) tekstas i. a. „Ĝi estas verkita kompetente, kun profunda amo. La libro entenas rarajn, neniam antaŭe publigitajn fotojn kaj faktojn. Ĝi rakontas pri la vivo de la blinda homo, kiu vidis la mondon pli bone ol multaj vidantoj. Lia vivo estis tiom neordinara, ke ĝi ne estas kredebla, tamen ĝi estis vere tia. Erošenko verkis precipe japane kaj Esperante. Kvankam li ĉefe verkis prozon, li estas konsiderata kiel poeto, ĉar lia prozo estas saturita de poezieco. Nemultaj liaj verkoj estis publigitaj. La kruela sorto neniigis lian arkivegon. Vivaj dialogoj, senfinaj detaloj faras la legadon interesokapta. La libro meritas esti eldonita ankaŭ en Esperanto kaj en naciaj lingvoj". Same kiel pri Nikolao Ostrowski oni povus adresi al li la vortojn de Maksim Gorki: „Lia vivo estas plej konvinka ilustraĵo de la triumfo de homspirito super korpo." Paradoksa fakto: Erošenko, ukraina laŭ deveno, fariĝis klasikulo de japana literaturo. Plimulto de liaj verkoj estas skribitaj japane kaj Esperante. Liajn humanajn alegoriajn fabelojn tradukis ĉine lia granda amiko Lusin.
La ukraina verkistino Nadija Hordijenko-Andrianova (membro de la unuiĝo de sovetaj verkistoj) fervora esperantistino laboras en ĝenroj de belartaj tradukoj, literatura kritiko, publicistiko kaj prozo.

Rudolf Hahlbohm

Komence de la 1926 jaro inter la moskva esperantistaro disvastiĝis agrabla novaĵo: la VI-a Internacia Kongreso[1]) de laboristoj-esperantistoj okazos en ilia lando, en la lulilo de la Granda Oktobra Revolucio. Leningrado, komence de aŭgusto.

Vasil Jeroŝenko[2]) ege ĝojis eksciinte, ke ankaŭ lin oni elektis delegito de tiu-ĉi reprezenta tutmonda forumo de laboruloj. Superonte sennombrajn barojn kaj obstaklojn intencis alveni al la Kongreso reprezentantoj el 23 landoj de Eŭropo, Azio kaj Latina Ameriko. Ne ĉiuj el ili sukcesis ricevi de siaj registaroj vizojn por eniri Sovetion. La aliĝintoj el Belgio, Francio, Hispanio, Italio, Pollando, Japanio, Ĉinio, Kolumbio kaj Urugvajo entute ne ricevis permeson enveturi Sovetan Ruslandon. La plej multnombraj estis la delegacioj el Germanio, Anglio, Ceĥoslovakio, Finnlando, Nederlando, Hungario kaj Aŭstrio. Krom eksterlanda delegitaro alvenis kelkaj centoj da plej aktivaj esperantistoj preskaŭ el ĉiuj respublikoj de la vastega Sovetunio. El Ukrainio venis 20 personoj. Entute en la laboro de la Kongreso, laŭ nekompleta statistiko, partoprenis pli ol 400 fakte venintaj kongresanoj el ĉirkaŭ 700 aliĝintaj.

La sesan de aŭgusto, vendrede vespere, okazis la solena malfermo de la Kongreso, post kiam la tuta kongresanaro, kun standardoj kaj muziko, en granda demonstracio venis tra la stratoj ĝis Taŭrida Palaco (tiutempe-Palaco de Urickij).

La solena malfermo estis disaŭdigita per radio.

... Jen eksilentas la lastaj akordoj de „La Internacio". Unuanime, kun aplaŭdoj oni elektas la prezidantaron kaj la sekretariaron de la Kongreso. La elektitoj okupas la lokojn ĉe la prezidantara tablo.

La tribunon suriras la gvidanto de la sovetaj esperantistoj kamarado Ernesto Drezen kaj tuj komencas sian salutparoladon.[3]) „– Karaj gekamaradoj" – aŭdas Vasil lian emociigitan fortan voĉon. „– Specialan plezuron mi havas saluti vin, en la nomo de Sovetlanda Esperantista Unio, en la lando, kie la potenco apartenas al la laboristoj kaj kamparanoj. Mi estas ĝoja, povante saluti la delegitojn de la Sesa Internacia Kongreso de laboristoj-esperantistoj en la unua urbo de proletara revolucio – Leningrado..."

Jeroĉenko ne detenis sin kaj plej unua ekaplaŭdis; al li aliĝis la tuta grandega salono. Longe-longe ne kvietiĝis la ovacio. „– Ĉu iam kaj ie", – daŭrigis la parolanto, – „honore al kongreso esperanta estis aperigataj specialaj poŝtmarkoj? Ne, tion faris unuafoje en la mondo la Sovetia Popolkomisario por la poŝto kaj telegrafo. Ĉu iam kaj ie kongreso esperantista kaj speciale kongreso laborista estis salutata de ministro por klerigo per tiaj varmaj kaj kuraĝigaj paroloj, kiel tion faris nia popola komisaro por klerigo – kamarado Lunaĉarskij?"

Kaj denove longe ne kvietiĝas la ovacio en salono.

„– Ĉu ne estas io eksterordinara kaj simbola", – post kelkminuta paŭzo daŭrigis la oratoro, – „ke dum tiu-ĉi jaro anstataŭ modestaj ejoj de iu klubo laborista ni kunvenas en la historiaj ĉambroj de la palaco, kie dum jardeko funkciis la parlamento de la cara Rusio, kie okazis malfermo kaj laborkunsidoj de la dua kongreso de la Komunista Internacionalo?..."

La oratoro finis sian salutparoladon per esprimo de plej sinceraj bondeziroj al la okazonta kongreso, ke ĝia laboro estu plensukcesa kaj fruktodona.

Denove – entuziasmaj aplaŭdoj, sonoj de „La Internacio". Ĉiuj ekstaras kaj unuanime kantas la esperantigitan himnon proletaran.

Poste oni anoncis kaj ĉiuvoĉe akceptis la tagordon de la kongreso. La delegito el Moskvo N. Nekrasov legas ruse kaj tradukas esperante la salutleteron de la honora prezidanto de la kongreso kamarado A. V. Lunaĉarskij. Jen estas la teksto de ĉi letero: „Al la VI-a Internacia Kongreso de Laborista Esperantistaro Unuecfronta.

Mi devas konfesi, ke mi mem ne parolas Esperanton kaj ne sufiĉe konas la bazojn de tiu-ĉi lingvo. En mi ankoraŭ vivas kelkaj aprioraj konsideroj pri tio ke dubinde ke per vojo de artefarita lingvo oni povas krei tiun unikan lingvon de la internacia komunikado, kiun celas Esperanto.

Tiu-ĉi movado vastiĝas kun nerefutebla potenco kaj transformiĝas je unu el la plej seriozaj fenomenoj de la moderna socia vivo. Oni ne povas ankaŭ nei, ke la adeptoj de Esperanto, konsciante sin konduktoroj de la ekstreme progresivaj formoj de la homa interkomunikado, sentas certan proksimecon al la granda komunista movado kaj ke inter la komunistoj iufoje tutaj organizaĵoj aliĝas al la movado Esperantista.

Mi tutanime deziras al Esperanto pluan pliproksimiĝon kun la avangardaj formoj de la batalo laborista kaj pluajn sukcesojn.

29. VII. 1926 A. Lunaĉarskij."[4])

Kiam silentiĝis la lasta vorto de la salutletero la tuta salonego eksplodis per vervaj aplaŭdoj. Vasil Jeroŝenko, retenante la spiradon, atente fiksaŭskultadis al ĉio, kio okazis en la plenplena salono.

Li ĝojis ankaŭ pri tio, ke lia filatela kolekto pliriĉiĝos per du unikaj poŝtmarkoj, kiuj aperis honore al ilia Kongreso.

Ĉi-tiuj poŝtmarkoj je nominalo 7 kaj 14 kopekoj aperis en cirkulado 8-an de aŭgusto, dum la tria labortago de la Kongreso. La amikoj detale priskribis al Vasil, kiel ili aspektas. Ambaŭ poŝtmarkoj estis faritaj laŭ la skizo de la pentristo V. Kuprijanov. Sur ili estas pentrita la obelisko de Soveta konstitucio

en Moskvo. Supre – la vortoj: „Poŝto. USSR“ – ruse kaj esperantlingve. Krom tio videblas la E-teksto: „Internacia Proletaria Esperanto-Kongreso“. En la ovala kadreto oni reproduktis per morsa alfabeto la tekston: „Proletoj de ĉiuj landoj, unuiĝu!“. Sube – la emblemo de Sovetunio, serpo kaj martelo. Kaj tute supre, dekstre kaj maldekstre, du kvinpintaj steletoj... Post la interrompo okazis ankoraŭ unu neforgesebla evento.

Komence juna leningrada esperantisto-aktivulo, unu el la sekretarioj de la Kongreso S. Podkaminer[5]) citis longegan liston de la plej ĉefaj organizaĵoj kaj entreprenoj, sovetaj kaj eksterlandoj, kiuj sendis salutleterojn al la Kongreso. Entute venis tiom multege da salutdepeŝoj kaj telegramoj, ke aŭskulti ĉiujn dum unu vespero absolute ne eblis.

Poste Ernesto Drezen solene anoncis:

„– Kaj nun, gekamaradoj, unuafoje en la historio de Esperanto-kongresoj okazos la interŝanĝo de standardoj inter la germana urbo Leipzig kaj la rusa urbo Smolensk!“[6])

Kaj sub akompano de brua ovacio kaj aklamoj sur la scenon kaj la tribunon suriris uniforme vestitaj esperantistoj – sovetaj ruĝarmeanoj kaj germanaj ruĝaj frontbatalantoj. La delegitaron de Okcident-Saksiaj ruĝfrontbatalantoj gvidis aktiva aganto de laborista movada Otto Bässler.[7]) El Smolensk alvenis speciala delegacio de la ruĝoficira lernejo je la nomo de Mjasnikov. Solene disfaldiĝas du purpupaj standardoj kun pentritaj sur ili la kvinpinta stelo kaj pugno kaj ore broditaj surskribaĵoj. – ruse kaj germanlingve: „Proletoj de ĉiuj landoj, unuiĝu!“

La muziko ludas salutmarŝon. Ovacio, Vervaj aklamoj...

Vasil Jeroŝenko ne estis pasiva observanto de la Kongreso. Li aktive partoprenis en ĉiuj laborkunsidoj, kiuj okazadis en la granda aŭlo de la Palaco de Laboro, en pridiskutado de prelegoj, en disputoj, ekskursoj al Smolnij kaj post la fino de la Kongreso – al Moskva Kremlo...

Kaj la 10-an de aŭgusto matene dum la lasta labortago de la Kongreso, post la aprobo kaj akcepto de la rezolucioj, li kune kun ĉiuj delegitoj ĝoje kaj entuziasme voĉdonis por aprobo kaj konfirmo de la solena promeso de laboristaj esperantistoj: ĉiam memori pri sia aparteno al la klaso proletara, ĉie – en sia propra lando kaj eksterlande – per la helpo de la lingvo internacia semi la veron pri la ŝtato laborista, pri la celoj laboristaj, pri iliaj revoj kaj aspiroj. Tiu-ĉi solena promeso estis unanime aprobita per ĉiuj voĉoj krom unu sindeteninta.

Post la konciza konkludparolado de kamarado Drezen denove sonas muziko de „La Internacio“ kaj ĉiuj starante kantas la vortojn de la proleta himno tutmonda.

Per tio la VI-a Internacia laborista kongreso, kiu eniris en la historion de Esperanto-movado kiel unu el la plej brilaj kaj sukcesoplenaj, finiĝis, delegitoj kaj gastoj forlasis la gastaman Leningradon, forveturinte hejmen.

Vasil Jeroŝenko kun la grupo de samurbanoj revenis Moskvon...

## Notoj de la redaktoro

[1]) Temas pri la kongreso de la tiamtempe progresema Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT).
Pri la tuta kongreso vidu la „Protokolo de la VIa Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda“ en „Sennaciulo“, ekstra numero, novembro 1926.

[2]) Jeroŝenko aŭ Eroŝenko, blinda sovetrusa poeto kaj esperantisto. Vidu i.a. Otto Bässler „Eroŝenko, memore al la blinda esperantista poeto“, „Paco“ 7 giŝ 8/1970, p. 36–37 (GDR-eldono), librojn pri Jeroŝenko ne nur skribis Nadija Andrianova sed ankaŭ A. S. Ĥarkovskij. Jen la du titoloj: *Nadija Gordienko Andrianova:* „Zapaliv ja u serci vogon“, Kijev 1977, eld. „Veselka“, 304 p. Tiu libro estas romano. *A. S. Ĥarkovskij:* „Ĉelovek uvidevŝij mir“, Moskva 1978, eld. „Naŭka“, 292 p. Tiu libro estas science dokumentita ĵurnalisma rakonto.

[3]) Komparo kun la protokolo de la VIa SAT-Kongreso evidentigas, ke la aŭtorino ne redonas fidele la tekston sed arbitre kunigas partojn de la salutparolado de E. Drezen. Ekzemple tute mankas en la originalo la nekomprenebla rilato inter esperantaj poŝtmarkoj kaj la salutmesaĝo de Lunaĉarski.

[4]) Laŭ la protokolo ekzakte.

[5]) Estas fakto, ke la konata soveta esperantisto, unu el la plej eminentaj nuntempaj veteranoj de la rusa Esperanto-movado, la internacia alte ŝatata komunisto, prof. S. Podkaminer el Leningrad, estis sekretario de la LKK de tiu kongreso.

[6]) Pri tio vidu D. Blanke: „Pri la kontribuo de la laboristoj esperantistoj por la evoluo de la germana-soveta amikeco en la tempo de la Respubliko de Weimar“ GDR-Paco 1975, krome en D. Blanke (Red.) „Socipolitikaj aspektoj de Esperanto“, HEA, Budapest 1979.

[7]) Otto Bässler, unu el la plej eminentaj veteranoj de la germana kaj internacia laborista Esperanto-movado, vivas en Leipzig/GDR. Li estas membro de Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR.

Eduard von Bauernfeld

# La malsana leono

Leon' malsaniĝis je kapa doloro.
En sia kavern' estis granda fetoro.
Kaj li – por distriĝi – ordonis subite,
inviti al li iujn bestojn vizite.
Laŭ ordo tuj venis al tiu kunven'
la vulpo, la ĉamo kaj ankaŭ l'azen'.
Volonte neniu ĉi-tie sin trovis,
sed oni do fine l'azenon enŝovis.
Tremante l'azeno kavernon eniris,
dum ĝia angoro la koron kuntiris.
La reĝo demandis la gaston inside –
kaj liaj okuloj jam brilis avide –:
„Vi diru, azen', ĉu odoras ĉi-tie?“
„Ho, reĝo“, ĝi flaris, „mefitas ja fie!“
Ŝatante la veron, pro tiu-ĉi vort'
l'azeno sin mem tuj kondamnis al mort'.
Ensaltis la ĉamo, kaj ĝia animo
terure tremegis, skuiĝis pro timo.
„Laŭ kio odoras la lok', mia ĉamo?“
„Ĉi-tie odoras ja kvazaŭ balzamo.“
Eĉ tiu flatulo ne plie furoris,
ĝi nur por leona stomako valoris.
Nun venis la vulpo sur mola pied'.
Ĝi kiel kondutos en tiu proced'?
„Parolu, vulpeto, ĉu tiu odor'
ĉi-tie mefitas laŭ naŭza fetor'?“
Sed ternas la vulpo: „Mi devas deklari:
pro mia kataro ne povas mi flari.“
La reĝo silentis kaj mordis la lipon,
etendis post tio al vulp' ĉaman ripon:
„Nu, prenu kaj manĝu, ĉar mian favoron
vi havas, ruzulo, pro tiu okaz'.
Ĉar eĉ malkonfesi malbonan odoron
kapablas nur vere la plej bona naz'!“

(Trad. Manfred Arnold)

Ludwig Renn

# Kontraŭmilita kanto

Agitistoj ree krias:
– Militon! Militon!
Por malsaton forgesigi:
– Militon! Militon!
Ni preparu armilaron
Kontraŭ la malamikaron: –

Malamikoj – ili mem!
Por monsako de l'kriistoj:
– Murdon! Murdon!
Por profiton ili havu:
– Murdon! Murdon!
Nun denove ni, soldatoj,
Murdu la proletajn fratojn:
Ili – nia amikar'!

Ne nacioj plu batalu:
– Ruĝ-front'! Ruĝ-front'!
Sed la klaso kontraŭ klaso:
– Ruĝ-front'! Ruĝ-front'!
Tamen ni armeaniĝos
Kaj potence ni armiĝos: –
Estu la civilmilit'!

Intervenci ili volas:
– Milito! Milito!
Sovetunion plendetrui:
– Milito! Milito!
Sed malhelpos ni detruon
Kaj defendos la konstruon: –
Ĉiu fort' por Soveti'!

Do milito komenciĝu:
– Milito! Milito!
Fuŝ' por ili ĝi fariĝu:
– Ruĝ-fornt'! Ruĝ-front'!
Germanio kaj Francio,
de Rusio ĝis Britio,
Estos nur Sovet-Uni'!

(Originale verkita en Esperanto, el „La nova etapo" 1/1932)




Rudolf Zimmermann

# Mortis vera homo

Howard Fast, la usona verkisto, diris al ni: „Ĉefaĵo estas, ke ni estu homoj, simplaj, modestaj homoj, nur homoj!"
Post la dua mondmilito aperis en Germanio du libroj, kritike pritraktantaj la politikon kaj staton de Germanio dum kaj post la milito. Iu ĝis tiam nekonata aŭtoro raportis en siaj verkoj „Krieg" (milito) kaj „Nachkrieg" (postmilito) pri aktivecoj de ŝovinistoj kaj reakciuloj. Lia tria romano „Adel im Untergang" (pereanta nobelaro) malkaŝis la pseŭdonimon Ludwig Renn.
La nun malkaŝita pseŭdonimo estis skribita de altnobela familiano, kies patro edukis la princojn de la saksa reĝo. Tial Vieth von Goltzenaŭ – la privata nomo – bone konis la intrigojn kaj kalumniadojn inter siaj klasanoj.
Li fariĝis oficiro. Kiam la oficiroj ŝatis plej eble laŭtajn kriojn de la kaporaloj kaj suboficiroj, Vieth von Goltzenaŭ mallaŭdis kaporalon, postulante: „Voku, ne kriu!" La unuan tagon de la milito oni lin marŝigis kun sia kompanio al Francio, kie li restis dum la tuta milito.
En tiu kompanio estis konato de mi. Li skizis Vieth von Goltzenau jene: „Li estis bona kompaniestro. Li manĝis kun ni el unu kaldrono. En nia kompania kuirejo ne okazis rabadoj de nutraĵoj por la bono de oficiroj kaj la kuirejaj soldatoj."
Li estis kun siaj kamaradoj kaj soldatoj kun ili en la kaŝejoj, kie la soldatoj vivis. Li konis ĉies privatajn zorgojn kaj li konstatis, ke la moralo de la soldatoj superis tiun de la oficiroj. Tiel el Vieth von Goltzenaŭ fariĝis Ludwig Renn. La sincereco de la simplaj homoj, ilia fideleco kaj kuraĝo lasis lin ekkoni, ke la popolo estas pli valora, ol la publika vivo tion kredas. Lia amo apartenis al la popolo.
Post la milito li fariĝis polica oficiro, ĉar li kredis, ke en la juna germana respubliko nun la popolo vere regos. Sed li konstatis, ke ree la kapitalistoj regas per la socialdemokratoj. Li konstatis, ke ŝovinistoj kaj reakciuloj sin kaŝis inter la gardantoj de la ordo. Kiam li atentigis la estraron, li devis ekkoni, ke tiu ĉi estraro sciis kaj toleris tion. Forlasinte la policon li studis lingvojn kaj sciencojn. Sed kiam la posta diktatoro Franco en Hispanio subpremis la liberecon, Ludwig Renn militservis kun la respublikanoj. Post la bruligo de la regna parlamentejo en Germanio oni lin enkarcerigis du kaj duonan jarojn. Post la dua mondmilito li revenis el sia eksilejo Meksikio. Lian sekvantan aktivecon kiel verkisto li dediĉis al pluraj libroj por infanoj, por helpi al ili, kompreni la mizeron de infanoj en aliaj landoj kaj la zorgon de nia socialisma ŝtato por la infanoj. Ili ja estos la ŝtatanoj de la estonto.
Ludwig Renn estas unu el tiuj raraj homoj, kiuj forlasis la hejman luksan neston por servi al humanismo. Li ne estis pasiva pacifisto, sed dediĉis sian militajn sciojn al la demokratio. La 21an de julio 1979 li mortis. Ni lin ne forgesu!

Ludwig Renn

# Senlaborula kanto[1]

Kiam ĉiuj iras stampi,
Antaŭ la giĉetoj rampi,
Ĉiuj faras aĉmienon,
Volas manĝi ĝis satveno,
Ĝis sat venos en la ver,
Estas bela la afer',
la afer'.

Vi eliri ne deziras:
Kion serĉi ekster dom'?!
El la lit vi ne eliras
Pro malsato trompu hom',
Venas jam tagmanĝa hor'.
Manĝ-matena restis for,
restis for.

La infanoj tre maldikas:
Ili manĝi devus pli,
Se vendist ankoraŭ donos,
Ni do zorgi ne bezonas,
Pensi pri morgaŭa tag'
Kaj pri nutro en stomak'.
en stomak'.

Se mizero tiel kreskos
Kaj montriĝos sen elir',
Ĉiu dir malpermesata
Al prolet, al ruĝa frato.
Venos la eksplod en foj',
Marŝos ni en rekta voj'
rekta voj'!

1) La poemo troviĝis en „La nova etapo" 1/1932
Foto: Zentralbild

Detlev Blanke

# LUDWIG RENN – La esperantisto

Por ni esperantistoj Renn ankaŭ estas interesa pro la fakto, ke li eklerninte Esperanton en 1930, komencis verki en la internacia lingvo. La nomo de Renn estas ligita al la Internacia Asocio de Revoluciaj Esperanto-Verkistoj (IAREV), kiu fondiĝis fine de 1931. En la oficiala organo de IAREV „La nova etapo", kiu 1932 ekaperis en Moskvo, inter la 15 subskribintoj de „Deklaracio de la nov-fondita internacia asocio de revoluciaj esperanto-verkistoj (IAREV)[1]" ankaŭ troviĝis la subskribo de L. Renn, kiu samjare elektiĝis prezidanto de IAREV[2].

La planon verki „ruĝan dekameronon", kiu devus montri la ŝanĝon de la homo en USSR post la revolucio, kaj kiun devis kunverki ankaŭ Ludwig Renn[3]) ne realiĝis.

Renn havis bonajn rilatojn al Germana Laborista Esperanto-Asocio kaj faris por ĝi propagandajn prelegojn, ekzemple en kinejo Babylon en Berlin, kiel memoras Willi Vildebrandt. Kelkfoje tiuj aranĝoj estis malpermesitaj de la polico, kiel oni legas en „Internaciisto"[4]). Verŝajne Renn en sufiĉe bona grado regis Esperanton.

En sia romano „Rußland-Fahrten" (rusiaj vojaĝoj) li i. a. skribas pri epizodo: „Vespere oni min akompanis de la hotelo al kunveno... Iu germane parolis. Tiu estis verkisto, kiu apartenis al neniu partio kaj al neniu ligo de proletaj verkistoj... Poste unu parolis Esperanton. Post la fino de la salutado mi volis diri al la esperantisto ruslingve, ke mi komprenis ĉiun vorton, kvankam mi tre malmulte scipovas Esperanton[5]).

Tiam Renn ankoraŭ nur komprenis Esperanton. Sed li verŝajne rapide eklernis la lingvon tiel bone, ke li scipovis verki en ĝi. Eble nur du originale verkitaj poemoj estas el lia plumo.

„Senlaborula kanto" kaj „Kontraŭmilita kanto" aperis en „La nova etapo" 2/1932 kun la indiko „originale verkita en Esperanto". „Senlaborula kanto" estis represita en „der esperantist" n-ro 46 (marto-aprilo 1971) paĝo 17, unuafoje post la milito, kaj „Kontraŭmilita kanto" aperis en „der esperantist" 3-4/1974 (65/66). En letero de 11. 10. 1970 al Centra Laborrondo Esperanto Ludwig Renn skribis „Senlaborula kanto". Ĝi estis al mi tute nekonata, kaj ĉar mi fakte forgesis Esperanton, mi ĝin eĉ nur parte povis traduki germanen. En germana lingvo la poemo apenaŭ ekzistas, sed ĝi devas esti originale verkita en Esperanto, por kiu celo, mi ne scias".

Krome Renn verkis interesan eseon pri Esperanto en „La nova etapo", 1/1932, paĝo 6. Tiun eseon kaj la du poemojn ni represas en ĉi-tiu numero.

Restas mencii, ke Renn tuj post la potencakiro de la nazioj estis arestita. Ankaŭ la esperantistoj enviciĝis en la protestŝtormon kaj postulis lian liberiĝon[6]). En la ĉina gazeto „La mondo" oni eĉ skribis pri lia morto[7]), feliĉe erare.

En la jaro 1936 la nazioj devis elprizonigi Ludwig Renn. Pri tio ankaŭ eksciis IAREV. kiu en sia organo „Internacia literaturo" (Nova serio, numero 3/1936, p. 3) tre varme aplaŭdis lin.

Ni tie legas:

„Kara Ludwig Renn, malgraŭ ĉiuj perfidaĵoj eksciu, ke via iama energia laboro pro fondiĝo de nia IAREV ne restis vane perdita! Malgraŭ ĉio nepre kuntrenita en la teruran mezepokan nokton kreitan de faŝismo, vi perdis la kontakton kun ni kaj longdaŭre estis sufokita de nigraj manoj. Dum multaj kaj multaj monatoj ni malesperis, ĉar plurfoje oni false anoncis pri via morto. Nun, feliĉe malfermiĝis por vi la pordo de l'karcero kaj vi povas finfine vidi la sunon de l'libero!

Dumtempe, ĉar vi la gvidanto ne povis kontribui per siaj tutaj fortoj la entreprenon, ni ne perdis kuraĝon, kaj plej alten levis la torĉon falitan el viaj manoj. Vi seninterrompe restis, kaj ankoraŭ restas nia Prezidanto. Se momente via sidloko restas neokupita apud ni ĉiuj, almenaŭ vi konstante estas kun ni, partoprenas niajn debatojn en nia animo. Ŝajne, ni baldaŭ povos denove akcepti vin, karega Ludwig Renn! Atendante, akceptu la plej sincerajn elkorajn bondezirojn de ĉiuj IAREV-anoj, kiuj pere de ni vin salutas plej amikece.

N. Borisov, H. Bourguignon,
E. Spiridoviĉ, O. Bajanova, N. Ŝtejnberg,
B. Eggers"

Sed Renn ne plu povis dediĉi sin al IAREV kaj al Esperanto. Li iris al Hispanio por partopreni la batalon kontraŭ la faŝisto Franco.

Estas konate, ke tie li ankaŭ havis kelkfoje kontakton kun esperantistaj batalintoj.

Laboristaj esperantistoj ankaŭ informas, ke Renn siatempe planis verki militistan vortaron en Esperanto. Povas esti, ke li eĉ finverkis la manuskripton. Certeco pri tio ne ekzistas.

Post la dua mondmilito Renn ne plu reaktiviĝis por Esperanto.

Pere de „Popola Fronto" mi salutas ĉiujn antifaŝistajn Esperantistojn en la mondo
Ludwig Renn
Valencia, 4.7.37

*Ludwig Renn sendis salutojn al la legantoj de la esperantlingva hispana revuo „Popola Fronto" (N-ro 18, 15a de julio 1937)*

**Notoj:**

1) „La nova etapo", Moskva 1/1932, p. 5
2) kp. Enciklopedio de Esperanto, vol. II, Budapest 1933–34, p. 464
3) „Sur posteno" (Leningrad), 2–3 (139–140), 1933, p. 23
4) kp. „Internaciisto" n-ro 13–14, 1931, p. 104
5) Renn, Ludwig „Russland-Fahrten", Lasso-Verlag Berlin 1932, S. 75
6) kp. „Internaciisto" n-ro 52 (decembro 1932)
7) kp. „La mondo", n-ro 6, majo 1933, monata organo de ŝanhaja Esperantista Ligo
8) kp. W. G. Keable „Esperanto the aggressor language FM 30-101-1", en „The British Esperantist", june 1968, p. 364

# Ho sport'! Vi-paco!

En 1912, post la fermo de la V-aj Olimpikaj Ludoj en Stokholmo, estis anoncite, ke en literatura konkurso la unuan lokon kaj oran medalon por „Odo al Sporto" gajnis Ĵorĵ Horod (Francio) kaj Martin Eŝbaĥ (Germanio).
Tamen la premion ili ne ricevis, ĉar tiuj aŭtoroj . . . ne ekzistis. Sub tiu duobla pseŭdonomo en la konkurso partoprenis la 49jara prezidanto de l'Internacia Olimpika Komitato, Pjer de Kuberten.
La originalo de la odo estas gardata en Lozanno, en malgranda biblioteko de modesta vilao „Mon Repo", ĉe la bordo de Ĝeneva lago, kie loĝis lastajn jarojn Pjer de Kuberten.

**Ho sport'!**
**Vi – ĝuo!**
**Vi fidela, konstanta**
**kuniranto de la vivo.**
**Trapasas jarcentoj.**
**La vivo jubilas.**
**Vi vivas, ĉiutempe, sport'!**
**Ho sport'! Vi – paco!**
**Vi aranĝas bonajn, amikecajn rilatojn**
**inter popoloj.**
**Vi – konkordo!**
**Vi kunigas la homojn, kiuj soifas unuecon.**
**Vi instruas diverslingvan,**
**multogentan junularon estimi unu la alian.**
**Vi estas fonto de nobla, paca, amika konkurso.**
**Vi kolektas la junecon – nian estontecon,**
**nian esperon, – sub siajn pacajn standardojn.**
**Ho sport'!**

**Vi – paco!**

Esperantigis
Aleksandr Logvin, Moskvo

---

Heinrich Heine

# Obstina komerco

La maljuna sinjoro Ŝole vivis en hungara distrikturbo, en kiu estis lokita husara regimento. Li pruntedonis monon al la oficiroj kaj ankaŭ zorgis pri iliaj aliaj aferoj. La oficiroj ne nur ŝatis lin, sed ankaŭ fidis al li. Tiel multe, ke oficiro, translokita en alian garnizonon, restis ankoraŭ dum jaroj kliento de la maljuna Ŝole.
Iam okazis, ke juna oficiro, translokita ien en la malproksimon, pro la mono ekhavis grandajn malfacilaĵojn. Li posedis valoran malnovan ringon de sia familio kaj decidis vendi ĝin. Memkompreneble al neniu alia ol al la maljuna Ŝole. La afero urĝis. Li metis la ringon en malnovan, ruĝan ledskatolon kaj sendis ĝin al la monpruntedonisto kun mallonga, kategoria letero: „Kun tio mi sendas al vi mian malnovan familian ringon. Se vi donos al mi 3 000 da guldenoj, ĝi apartenos al vi. Se tio ne estas ebla, resendu ĝin. Mi ne negocas kaj ne malaltigos la prezon." Du tagojn poste alvenas jena telegramo: „ringo ne valoras tri milojn stop mi donas maksimume du milojn".
La oficiro respondis: „prezo tri milojn stop ne preta negoci". La trian tagon la maljuna plu negocis per nova telegramo: „mi donas du milojn kaj kvin centojn stop pli multe neniukaze." La oficiro respondis: „prezo por ringo tri milojn stop ne preta negoci stop tuj resendu ringon."
Pasis kelkaj tagoj, tiam la oficiro ricevis poŝte malgrandan paketon. Li malfermis ĝin kaj trovis en tio la ruĝan ujon, ankoraŭfoje ŝnurita kaj sigelita. Ĉe tio leteron kun jena enhavo: „Sinjoro leŭtenanto! Kiel eksperto mi diras al vi, ke tiu ringo ne valoras tri milojn. Nenie en la mondo vi ricevos tiel multe. Mi nur povas doni al vi 2 800 da guldenoj, maksimume, kaj tiom eĉ nur pro simpatio por vi. Se vi volas doni ĝin por tio, ne necesas malfermi la skatolon, sed resendu ĝin al mi. Tiam mi forsendos la monon sekvontan tagon. Sed se vi ne volas doni ĝin por 2 800, tiam vi konservu la ringon. Mi ne aĉetas ĝin."
Leginte tion la oficiro estis kolera. Sed tamen li decidis, ne doni la ringon malpli multekoste. Li malfermis la ujon. La ringo ne estis en tio, sed anstataŭ ĝi malgranda paperfolieto: „Nu bone. 3 000."

(Trad. Manfred Arnold)

Kurt Tucholsky

# LA HOMO

Homo havas du gambojn kaj du konvinkiĝojn: unu, kiam ĝi fartas bone kaj alian, kiam ĝi fartas malbone. La lasta nomiĝas religio. Homo estas vertebrulo kaj havas nemortontan animon krome ankaŭ patrolandon, por ke ĝi ne iĝu tro petolema.
Homon oni produktas per natura maniero, sed tion ĝi sentas nenatura kaj ne ŝatas priparoli pri tio. Ĝi estas produktita, sed oni ne demandas ĝin, ĉu ĝi volas esti produktita.
Homo estas utila vivaĵo, ĉar ĝi servas por suprenpuŝi petrolakciojn per soldatmorto, por plialtigi la profiton de minposedantoj por ministomorto, krome por kulturo, arto kaj scienco.
Krom inklinoj por produkti idojn, por manĝi kaj trinki, homo havas du pasiojn: fari kverelojn kaj ne aŭskulti. Oni eĉ povus difini la homon, kiel estaĵon, kiu aŭskultas neniam. Se ĝi estas saĝa, ĝi faras bone agi tiel, ĉar nur malofte ĝi aŭdas iun prudentan. Homoj ŝatas aŭskulti promesaĵojn, flataĵojn, laŭdaĵojn kaj komplimentaĵojn. Koncerne flataĵojn rekomendiĝas, fari ilin ĉiam tri numeroj pli grandaj, ol oni opinias ilin ĝuste eblaj.
Homo malenvias nenion al sia speco, pro tio ĝi elpensis leĝojn. Ĝi ne estas rajtigata, sekve ankaŭ aliaj ne estu rajtigataj. Por fidi je iu homo, oni agas bone, sidiĝi sur ĝin, minimume dum ĉi tiu tempo oni estas certa, ke ĝi ne forkuras. Kelkaj ankaŭ fidas je karaktero.
Homoj dividiĝas en du partoj: en vira parto, kiu ne volas pensi kaj en ina parto, kiu ne povas pensi. Ambaŭ havas tielnomatajn sentojn: ĉi tiujn oni plej certe generas ekfunkciigante iujn nervopunktojn de organismo. En ĉi tiuj kazoj kelkaj homoj sekrecias lirikon.
Homo estas planto-kaj viandomanĝeganta estaĵo, okaze de nordpolusaj veturoj ĉi tie kaj tie ĝi ankaŭ manĝegas ekzemplerojn de sia propra speco, sed tio denove estas egaligata per la faŝismo.
Homo estas politika kreaĵo, kiu plej ŝatas pasigi sian vivon premegante je pecegoj. Ĉiu pecego malamas la aliajn bulojn, ĉar ili estas la aliaj kaj malamas la proprajn, ĉar ili estas la propraj. La lastan malamon oni nomas patriotismo.
Ĉiu homo havas hepaton, lienon, pulmon kaj flagon; ĉiuj kvar organoj estas vivnecesaj. Laŭdire ekzistas homoj sen hepato, sen lieno kaj kun nur duona pulmo. Homoj sen flago ne estas.
Malfortan agadon por produkti idojn homo ŝatas eksciti kaj por tio ĝi havas kelkspecajn rimedojn: bovbatalon, krimon, sporton kaj justicon.
Kunhomoj ne ekzistas. Ekzistas nur homoj, kiuj regas kaj tiaj, kiuj estas regataj. Sed ankoraŭ neniam iu homo regis sin mem: ĉar kontraŭstaranta sklavo estas ĉiam pli potenca ol despoteca mastro. Ĉiu homo estas malsupera al si mem.
Kiam homo sentas, ke ĝi ne povas plu suprenlevi sian postaĵon, tiam ĝi iĝas pia kaj saĝa; tiam ĝi rezignas pri la acidaj grapoloj de la mondo. Ĉi tio nomiĝas „interna eniro". La diversaj aĝogradoj de homoj opinias diversaj rasoj unu la aliajn; maljunuloj kutime estas forgesintaj, ke ili ankaŭ estis junaj aŭ ili forgesas, ke ili estas maljunaj kaj gejunuloj neniam komprenas, ke ili povos maljuniĝi.
Homo ne ŝatas morti, ĉar ĝi ne scias, kio venos poste. Kiam ĝi kredas esti informita pri tio, ĝi ankaŭ ne ŝatas morti, ĉar ĝi deziras ankoraŭ vivi iomete. Ĉi-kaze „iomete" estas: eterne.
Cetere, homo estas estaĵo, kiu frapas, faras malbonan muzikon kaj instigas sian hundon boji. Kelkfoje ĝi ankaŭ estas trankvila, sed ĉi-kaze ĝi estas morta.
1931

(trad. Hans Buth)



*Kurt Tucholski, kies 90-an naskiĝtagon oni festis la 9an de januaro 1980, estis unu el la plej profilaj politikaj satiraj verkistoj de la germana literaturo. Li mem sin nomis „pacifisto de plej akra speco". Li estis eminenta literaturrecenzinto, poeto, eseisto, kies verkaro en GDR ĉiam denove estas reeldonata.*
Foto: Zentralbild

Kurt Tucholsky

# LA PULO

En la Departement du Gare – tute ĝuste, tie, kie situas Nimes kaj la Pont du Gare: en suda Francio – sidis en poŝtoficejo iom maljuneta fraŭlino kiel oficistino, kiu havis malbonan kutimon: Ŝi malfermis iomete la leterojn kaj legis ilin. Tion ĉiu sciis. Sed kiel estas en Francio: Dommastrino, telefono kaj poŝto estas sanktigitaj institucioj, kaj kontraŭ ili oni kapablus agi, sed kontraŭ ili oni ne rajtas agi, kaj pro tio neniu faras ĝin. La fraŭlino do legis la leterojn kaj kaŭzis per siaj maldiskretaĵoj al la homoj en la urbo kaj ekstere kelkan ĉagrenon.
En departemento loĝis en bela kastelo saĝa grafo. Grafoj kelkfoje estas saĝaj, en Francio.
Kaj tiu grafo iun tagon faris jenan:
Li venigis notarion en la kastelon kaj skribis dum ties ĉeesto al iu amiko:
Kara amiko!
Ĉar mi scias, ke la poŝtfraŭlino Emilie Dupont konstante malfermas niajn leterojn kaj legas ilin, ĉar ŝi estas altgrade scivolema, tial mi sendas al vi per tiu letero – por fini ŝian agadon – vivantan pulon.
Multajn elkorajn salutojn.
Grafo Koakso.

Ĉi-tiun leteron li fermis en ĉeesto de la notario. Sed li tute ne enmetis pulon.
Kiam la letero atingis la amikon, enestis pulo.

(Trad. Manfred Arnold)

# DENASKAJ ESPERANTISTOJ: Kun ĝojo ni anoncas...

## Eliza Kehlet

„Kun ĝojo anoncas la naskiĝon de Dida, fratineto de Cezo, la feliĉaj gepatroj Alfa kaj Bobo Beto." Jen – jubilas la esperant-lingva gazetaro – nova Denaska Esperantistino. (La fraton Cezo oni same prijubilis kelkajn jarojn antaŭe!)
La sola akceptebla eldiro en tio estas, ke eta Dida estas denaska ino – denaska esperantistino: ne! Se tia pia deziro sufiĉus – kiom da esperantistoj devus jam ekzisti. Sed esperantistojn oni ne ricevas denaske ĉar:

A. unue la infanoj devas entute lerni paroli, ĉu Esperanton, ĉu nacian lingvon, ĉu plurajn samtempe; kaj
B. esti esperantisto signifas ne nur scii la lingvon. Oni devas ankaŭ uzi ĝin diversmaniere, interesiĝi pri la Esperanta kulturo en ĝiaj diversaj esprimformoj, eventuale membri kaj/aŭ kunlabori en la organizoj.

B. evidente ne sekvas aŭtomate el la plenumita punkto A. Kaj A. implicas longan laboron laŭ ĉiuj vidpunktoj flanke de la gepatroj.
Pri B. – esti esperantisto kaj kiel oni fariĝas tia, post kiam oni ensorbis la internacian lingvon kiel infaneto – mi nenion volas skribi ĉi tie, kvankam la afero ja estas tre interesa; ĉar ŝajnas al mi, ke tio jam ne plu estas afero de infanaĝo, sed pli okazas en la posta periodo de junaĝo.
Sed mi ŝatus servi vin per manpleno da pripensoj pri mia punkto A. – proprigo de Esperanto al la infano. Nu, proprigi al etinfanoj nacian lingvon estas afero pri kiu oni skribis jam amason da fakliteraturo, sekve mi nur atentigas, ke mi celas tiun bazan lingvolernadon, kiu okazas ĝis ĝuste antaŭ ol la infano eklernas legi kaj skribi. En siaj unuaj jaroj infano tute nekonscie lernas lingvon de siaj gepatroj, gefratoj, ludkamaradoj ktp. – kaj tute simile ĝi povas en la sama periodo kvazaŭ lude proprigi al si ankaŭ Esperanton. Oni ja delonge akceptas plurlingvecon ĉe infanoj kiam temas pri naciaj lingvoj, speciale en plurlingvaj landoj. Kial do tiom da miro (ankaŭ inter esperantistoj!) kiam infano parolas nacian kaj internacian lingvojn? Ĉe plurnacilingvaj infanoj oni ja ankaŭ delonge vidis, ke plurlingva edukado ne trostreĉas la infanan cerbon. Etaj infanoj havas nekredeble grandan lernokapaciton. Ili devas en la unuaj jaroj lerni tiom da diversaj aferoj, ke unu aŭ du lingvoj pli estas sensignifa aldonaĵo. Kaj estas tute indiferente ĉu tiu lingvo estas nacia aŭ internacia.
Mi konas diversajn argumentojn de gepatroj, kiuj kvankam mem bone parolantaj Esperanton, ne volis paroli ĝin al siaj infanoj.
Ekzemple:

1. „Mi ne scias infanlingvaĵon en Esperanto."
2. „Mi ne volas konfuzi/troŝarĝi la infanon."
3. „Esperanto ne estas afero por infanoj."
4. „Niaj familianoj (amikoj, najbaroj, nia poŝtisto, pastro ...) pensus ke ni estas stranguloj."
5. „Mi volas instrui ĝin pli poste, tiam la infano povas mem decidi."

Al tio mi ŝatus diri jenon:
1. Ĉiu scias paroli al sia infano en sia nacia lingvo sen nepra uzo de ,bebolingvo'. Ĝuste tiel oni do ankaŭ parolu al sia infano en la Internacia Lingvo. Persone mi ĉiam tre malŝatis la et-et-lingvaĵon en kiu ajn lingvo kaj mem neniam diras brum-brum aŭ vaŭvaŭ, sed aŭto kaj hundo.
2. Plurlingva edukado ne konfuzas la infanon, se la plenkreskulo ne konfuziĝas. Tio signifas: se oni interkonsentas, kiu plenkreskulo parolu kiun lingvon al la infano kaj strikte persistas en tio (ĉiam – ĉie) la infano same ne miksos la lingvojn kaj sekve ne konfuziĝos. Pri ŝarĝo oni povas paroli nur ĉe la plenkreskuloj – ili devas montri grandan lingvodisciplinon. La infano, kiel mi diris supre, neniel estas troŝarĝita per pluraj lingvoj.
3. Kompreneble, ĝi estas afero por infanoj. Ĉiu lingvo estas tia.
4. Gravas nur, kion vi mem pensas. Se vi mem ne sentas, ke vi estas stranguloj, viaj infanoj ankaŭ ne sentos sin strangaj – kaj ĉiuj aliaj havas bonan ŝancon uzi siajn rezervojn da toleremo.
5. Se vi komencos instrui ĝin pli poste, vi donos al infano, kiu jam konscie lernas en la lernejo, plian laborŝarĝon. Pri la nacia lingvo vi ja ne lasus la infanon decidi: ĝin ĝi ja devas akcepti por posedi komunikilon. Plia komunikilo povas esti nur avantaĝo, des pli ke internacia lingvo estas internacia komunikilo. Mi komprenas, ke oni lasas junajn homojn mem decidi pri ekz. religio. Sed lingvo ne estas religio.

Konkludo do: mi ne komprenas, kial gepatroj, kiuj regas Esperanton kaj nacian lingvon, ne transdonas ankaŭ Esperanton al siaj infanoj. Oni ja mem estas esperantisto, ĉar oni en tiu afero vidas ion valoran kaj utilan. Ĉu ne ĉiuj gepatroj strebas pludoni al siaj infanoj ĝuste valorojn?
Sed se oni deziras eduki sian infanon esperantlingve, oni ne devas sidiĝi kun la jam 4-jara infano kaj nun kvazaŭ en lecionoj voli ,instrui' al ĝi la lingvon. Tio estus kompatinda infano. Kaj mi kompatus ankaŭ la ,instruiston', pri kies fiasko mi apenaŭ dubus. Kontraŭe, oni devas komenci de la unua momento. Ekde la unua tago de la kunvivado la infano aŭdu de la koncerna persono (ekz. patro aŭ patrino) nur Esperanton. Kaj tiu lingvouzo devas daŭri en ĉiuj situacioj. Oni uzu Esperanton same nature kiel oni uzus ĉiun ajn alian naturan lingvon.
Sed eble ĝuste tie kuŝas problemo? Ĉu eble malgraŭ ĉiuj kontraŭaj asertoj tiuj gepatroj tamen sentas Esperanton kiel ion (tia maldeca vorto!) ,artan'?

(El „Kontakto" n-ro 60 [1978])

## Ludwig Thoma

# La milito

(Lerneja stilekzercaĵo)
La milito (latine bellum) estas tiu stato, en kiu du aŭ pluraj popoloj elprovas ĝin unu kontraŭ la alia. Oni jam konas ĝin ekde plej malnovaj tempoj, kaj ĉar ĝi tiel ofte estas citata en la biblio, oni nomas ĝin sankta.
En antikva Romo oni fermis la templon kiam la milito komenciĝis, ĉar la dio Jano eble ne ŝatis ĝin.
Sed tio estas ridinda superstiĉo kaj estis forigita flanke de kristanismo, kiu pro ĝi ne fermas la preĝejojn.
Ekzistas religiaj militoj, konkermilitoj, ekzistadmilitoj, naciaj militoj ktp.
Se unu popolo malvenkas kaj komencas ankoraŭfoje, tiam oni nomas ĝin venĝomilito.
Iam plej ofte estis religiaj militoj, ĉar tiutempe la homoj volis, ke ĉiuj homoj amu Dion sammaniere, kaj pro tio batmortigis unu la alian. Nuntempe pli multe estas komercmilitoj, ĉar la mondo jam ne estas tiel ideala.
Kiam en antikva epoko estis milito, kontraŭbatalis eĉ la dioj. Kelkaj dioj helpis al tiuj, aliaj al la aliaj. Tion oni povas legi ĉe Homero. La dioj sidiĝis sur la montetojn kaj rigardis. Kiam ili koleriĝis, ili batis unu la alian sur la kapojn. Pli precize, la pragepatroj kredis tion.

Erich Weinert

# PRI DIVERSSPECAJ BESTOJ

Leon' kunvokis iam siajn bestojn,
balbutis longe, plene de riproĉ',
kolere intensigis siajn gestojn
kaj fine fiksis per solena voĉ':
„Ni devos gajni venkon ja milite
por savo de l'naci' kaj dinasti'!"
El subul-brustoj sonis kortuŝite
la Vivu! al milit' kaj monarki'.
Demetis la azenoj nun buŝumon
kaj laŭdis militistajn aventurojn.
Pintigis vulpoj sian anserplumon
kaj skribis artikolojn kaj broŝurojn.
Leono skribis: „Miaj karaj ŝafoj!
La reĝo vokas! Ek al viaj glavoj!
La granda horo ne toleras revon!"
Kaj ĉiu ŝaf' plenumis sian devon,
kuregis al la limo de l'najbaro,
ke ĝi traboru malamikajn korojn.
Enlande restis intelektularo:
patruj' bezonis ja kulturvalorojn!
Azenoj sur katedroj sin ekzercis
deklami multe da herobaladoj;
sed porkoj nun per gras'
kaj led' komercis
kaj zorgis tiel popolnutradoj.
Vulturoj akaparis kun rikano
kaj kreis kun la lupoj sindikaton.
La ŝafoj nur fidele nutris ŝtaton
per sia sango kaj per sia lano.
Nun hajlas venkoj, krias la barbaroj.
Jam superŝafa estas ŝafa forto.
De predamas' pleniĝas la arbaroj,
negocoj iĝas plej brilanta sporto.
La lupoj sin ornamas per ordenoj,
la porkoj eĉ grasiĝas ĝis kreviĝo.
La ŝafoj, malsatante, sen feliĉo,
ja sian lanon perdis pro la penoj.
Malpliboniĝis ŝafpopol' sen paŭz,
kaj tio estis la profunda kaŭz':
La porkpopol' en altaj pozicioj
avidis je grandegaj manĝporcioj.
Sed tio por la ŝafoj estis naŭz'.
Subite nokte regas nur silent',
la sataj ventroj aŭdas komunikon:
Pafilojn turnis ja la ŝafa gent',
kaj ili fondis ŝafan respublikon!
Jen fuĝis hejmherooj en arbarojn.
Al la leono tremis ĉiu ost'.
La porkpopolo kaŝis siajn varojn
kun tima sent' pro ĉiu ŝafa vost'.
Nun sentis sin en sia hejma rond'
la ŝafoj super ĉio en la mond',
kaj donis — unueca fratpopolo —
al ĉiu rabobesto amnestion.
Ĉi-tiuj venis, montris kun bonvolo
akordon, egalecan harmonion,
promenis kiel ŝafoj inter ŝafoj
kaj ĵuris pri publikaj paragrafoj.
Sociajn barojn oni nun mallevis;
azeno, lupo, porko kaj vulturo
denove grandan dignon nun ricevis;
sed kie estis por la ŝaf' futuro?
La ĉefa ŝaf'ne timis eĉ respondi:
„Nenion ol nutraĵon ni bezonas.
La supraj bone la regadon konas.
Do lasu vin konstitucie tondi!"
Azenoj tuj kondutis kun aŭdaco,
la porkoj iĝis grasaj pli kaj pli,
gazetojn vulpoj kreis pri l'naci',
leono eĉ aperis je l'surfaco.
Ordenojn portis lupoj sur la bendoj,
al la vultur' prosperis dividendoj.
Subite estis ja en ĉiu loko
malnova tempo kaj feliĉepoko!
Kaj intertempe ankaŭ la luparo
figuris laŭ juĝista manier',
oferis kelkajn ŝafojn sur altaro,
agintajn iam por la ŝafliber'.
La ŝafoj kuŝis inter remaĉuloj
kaj maĉis herbon, pagis laŭ postuloj.
Kaj estis foje ŝafo sen pacienc',
ŝafestro kriis: „Kia dekadenc'!
Eltenu digne nun, en pun' de Dio
pro nia propra kulpo kaj intenc'!"
Komprenis tion ĉiu brava ŝaf'
— ĝi ĉiam estis ja nature sklav' —
kaj hejmeniris sen ceremonio.
Ja ili estis ŝafoj sen fobio!

(Trad. Manfred Arnold)

Oni devas ridi pri tio, ĉar tio estas tiom infaneca, ke estas diversaj dioj, kiuj interbatiĝas.
Hodiaŭ la homoj nur kredas je unu Dio, kaj kiam milito komenciĝas, ili preĝas, por ke Li helpu al ili.
Ĉe ambaŭ flankoj diras la pastroj, ke Li subtenas ilin, kio do ne eblas, ĉar ili ja estas du.
Nur poste tion oni vidas. Kiu malvenkas, tiu tiam diras, ke li nur estas tentita.
Kiam la milito komenciĝas, muziko ludas. La homoj tiam kantas sur la strato kaj ploras.
Tion oni nomas nacia himno.
Ĉe ĉiu popolo tiam la reĝo rigardas el la fenestro, per kio la entuziasmo pligrandiĝas. Tiam komenciĝas la esenca parto de la milito, kiun oni nomas batalo. Ĝi komenciĝas per preĝo, tiam oni pafas kaj la homoj estas mortigataj. Kiam ĉio estas finita, la reĝo rajdas tien kaj reen kaj rigardas, kiom da homoj estis mortigataj.
Ĉiuj diras, ke estas malĝoje, ke tia devas esti. Sed tiuj, kiuj restas sanaj, konsoliĝas, ĉar tio estas la plej bela morto.
Post la batalo oni ree kantas piajn kantojn, kio jam ofte estas pentrita. La mortintaj estas metataj en amastombojn, kie ili kuŝas, ĝis iuj profesoroj elfosigas ilin.
Tiam oni portas la uniformojn en muzeo; sed plej ofte postrestas nur la butonoj.
La pejzaĝon, kie la homoj mortis, oni nomas kampo de honoro.
Kiam sufiĉas, la venkintoj hejmenmarŝas; ĉie estas granda ĝojo, ke la milito finiĝis, kaj ĉiuj homoj iras en la preĝejon, por danki al Dio pro tio.
Se iu pensas, ke ĝenerale estintus pli prudente, se oni tute ne estus komencinta, tiam li estas socialdemokrato*), kaj li estas enkarcerigata.
Tiam venas la paco, en kiu la homo degeneras, kiel skribis Schiller. Precipe la invalidoj degeneras, ĉar ili ne ricevas monon kaj povas gajni nenion.
Kelkaj ricevas gurdon, per kiu ili ludas patriotajn kantojn, kiuj entuziasmigas la junulojn, por ke ankaŭ ili iam batu forte, kiam komenciĝas.

Ĉiuj, estintaj en la milito, ricevas rondajn medalojn, kiuj tintas, kiam la posedanto promenadas kun ili. Multaj eĉ ricevas reŭmatismon kaj tiam fariĝas lernejaj servistoj, kiel la nia.
Tiamaniere la milito ankaŭ produktas bonon kaj fekundigas ĉion.

(Trad. Manfred Arnold)

*) (Tiu rakonto estas skribita en la jaro 1909. M. A).

# Tri tradukoj el la „Faŭsto“

*Traduki en Esperanto la ĉefverkon de Goethe, „Faŭsto“, certe estas tre ambicia entrepreno. Ĝis nun en Esperanto nur aperis la plena teksto de la unua parto (Faŭsto I), kiun faris N. Barthelmess. Ĝin eldonis siatempe SAT. Sed ankaŭ aliaj tradukantoj klopodis pri sukceso, kvankam ne estas konate, ĉu ili tradukis la tutan unuan parton.*
*Ni scias pri fragmenta traduko de Boris Mirski (pseŭdonimo „Bela Manto“) aperigita en „La Nova Epoko“ (Moskvo), oktobro 1922. Mirski jam mortis 1919.*
*Kaj fine la konata tradukisto d-ro Karl Schulze el Berlin (GDR), kiu tradukis „Nuda inter lupoj“ de Bruno Apitz, la „Trigroŝan Romanon“ de B. Brecht kaj multajn rakontojn, poemojn kaj aliajn tekstojn, publikigitajn precipe sur la paĝoj de „der esperantist“ kaj „Paco“ ankaŭ provis. Ni publikigas tre konatan fragmenton el la unua sceno („la unuaj voroj de Faŭsto“) en la tri diversaj tradukoj kaj invitas al fruktodona kaj kuraĝiga komparo.*

*1. BORIS MIRSKI (1919)*

## Nokto

*(Faŭst sidas maltrankvile*
*en sia fotelo ĉe la pulto, en malvasta*
*gotika ĉambro kun alta arkaĵo.)*

**Faŭst:**
Filozofio! Havu ĝin!
Scienco jura, medicin',
Ho ve, teologia tent',
En kiun pens' enstudis sin, –
Mi ĉion lernis kun atent'.
Nun, kompatinda malsaĝul',
Mi staras post ĉi vana streĉ'
Ol iam malpli saĝa eĉ. –
Magistr' nomiĝas mi, doktor',
Kaj dum dek jaroj de fervor'
Maldekstren, dekstren, – laŭ okaz', –
Disĉiplojn tiras je la naz',
Kaj fine venas al konkludo,
Ke vana estas ĉiu studo.
Bruligas koron tiuj rememoroj.
Jes, vere, mi estas pli inda,
laŭ moroj,
Ol ĉiuj magistroj, skribistoj,
doktoroj:
Ne tranĉas min duboj, skrupuloj
pri vero,
Timigas nek diablo, nek tuta infero.
Kaj tial neniam mi ĝojon atendas;
Neniam mi veron ekkoni pretendas,
Kaj eĉ en la penso ne volas prospekti,
La homojn bonigi aŭ ilin direkti.
Ĉe mi neniu monda don':
Nek bon', nek mon', nek iu kon'.
Ne volas vivi hundaĉido
Kiel mi vivas; al magi' do,
Min mem transdonis en esper',
Ke sensirmiĝos el mi ver';
Ke rajtos mi, se mi bezonas,
Ne diri kion mi ne konas;
Ke mi esploros kun efik'
La universon ĝis radik', –
Konjektos ĉiujn kreofortojn,
Ne dialektos nudajn vortojn . . .
Ho se vi trovus, lunorond'.
Min lastan fojon en ĉi mond'!
Vin dum laboroj sen rezult'
Mi vidis super mia pult'; –
Vin super libroj tie ĉi,
Amik' malĝoja, vidis mi!
Ah! Se mi povus al montar'
Senzorge flugi en krepusk'
Kun elfoj en kavernembusk',
En ros' min bani dum maten'
Libera de l'scienca pen'!
Ĉu sidas mi en ĉerk' sen bru'?
Ho malbenita fia tru',
En kiun suna lumo eĉ,
Penetras nur kun pen' kaj streĉ'!
Fenestrojn baras libromur',
Dismordas kiun vermoj dum,
Kaj ĝis plafono ŝtopas nur
Peĉ' da papero, polv' kaj fum'.
Kaj ĉie glasoj en la rond',
De la prapatroj sola rest',
Da instrumentoj plena nest', –
Jen estas mond'! Jen via mond'!
Kaj vi demandas, kial kor',
Veas en brust' kun tia prem',
Kaj kial viglas la dolor'
En ĉiu mov' kaj vivotrem'? –
Anstataŭ la natur' kaj lum',
En kiun homon metis sort',
Ĉirkaŭas vin nur ŝim' kaj fum'.
Skeletoj, ostoj, ripoj, mort'!
Do supren! For el tiu kript'!
Kaj tiu libro de mister',
De Nostradamus manuskript'
Vin gvidu dum la sorĉaper'.
Komprenos vi en astrokur'
Kaj se demandos vin natur',
En streĉ' potenca de l'ekscit'
Ekkonos lingvon de spirit'.
La seka penso kun obstin'
Nun sondu en ĉi simboluj' . . .
Spiritoj! Vi ĉirkaŭas min,
Se aŭdas vi, respondu tuj!

*2. NORBERT BARTHELMESS*
*(ĉirkaŭ 1922)*

## Nokto

*En alte volbita malvasta*
*gotika ĉambro.*
*Faŭsto maltrankvila sur sia seĝo*
*apud pupitro.*

**Faŭsto:**
Studojn mi ha! de filozofi',
Jurista art' kaj medicin',
Kaj ankaŭ, ve! teologi'!
Kun arda pen' praktikis ĝis fin'.
Jen staras nun mi malsaĝul'!
Kaj mia saĝo estas nul'.
Nomas magistro min, doktor' la mondo,
Mi tiras dek jarojn jam en rondo,
Jen supren, jen tra rekt' kaj kurbo,
Lernemulojn ĉe la nazo en turbo –
Kaj vidas, nenion ni scii povas!
La koron brul' sufoki provas.
Mi estas pli saĝa ol ĉiuj filistroj:
Doktoroj, skribistoj, pastroj,
magistroj;
Ĉagrenas min nek dub' nek skrupuloj,
Timas mi ne pro demon-inferuloj –
Sed tial forlasis min ĉiu ĝojo,
Nekredas scii pri l'vera vojo,
Ne kredas mi, ke mi povas instigi,
Konverti la homojn kaj plibonigi.
Ne ankaŭ havas monon mi,
Nek gloron, mondbelaĵojn pli;
Rezignus eĉ hund' pluvivon tian!
Do arton aspiris mi magian,
Ĉu per spirita buŝ' kaj forto
Mi scius pri mistera vorto;
Ke mi ne plu, kun ŝvitgutado,
Paroli devas pri nesciado;
Ke vidu mi, el kiu fondo
Interne kunteniĝas mondo,
Ekkonu agopovon, semojn,
Ne plu trafosu vortoskemojn.
Ho, ke ci vidu, plenlunbrilo,
Lastfoje nun min en ekzilo;
Ĉe l'tablo cin dum multaj horoj
Mi ĝismaldormis en doloroj:
Jen, super libroj kaj papero,
Amik' ci venis en mizero!
Ha! volus mi sur pint' montara
En cia lum' iradi kara,
Fantomvagadi ĉe l'montkavaĵo,
En cia brilado sur herbaĵo,
Libera de ĉia sci' profana
En cia ros' min bani sana!
Ankoraŭ, ve! mi en karcero?
Malbena kelo sen aero,
Eĉ lumo, kiun ĝi tralasas,
Koloran vitron lace pasas!
De libramaso limigita, –
Ĝin polvo kovras, verm' konsumas,
Papero ĝin de la fum' nigrita
Ĝis alta volbo borderumas;
De glasoj, vazoj densa rondo,
De instrumentoj prema aro,
Prapatra krome dommeblaro –
Ĝin nomas ni mondo! jen via mondo!
Kaj vi demandas, kial koro
En brusto time kunpremiĝas?
Nekomprenebla pro doloro
Vivemo tuta rigidiĝas?
Anstataŭ viva la natur',
En kiun kreis homojn Dio,
Ĉirkaŭas vin skeletoj nur,
En fum' kaj putro mortkranio.
For! Ekforkuru vasten vi!
De Nostradama propra mano

Mistera libro tiu ĉi
Ĉu ne sufiĉa akompano?
Konigas ĝi la stelkuradon,
Kaj se natur' instruon donas,
Spiritan interparoladon
Anima via fort' ekkonas.
Klariĝas vane signoj kaŝaj
Per seka meditad' al vi . . .
Vi apud mi, spiritoj paŝaj;
Respondu, se aŭdata mi!

*3. KARL SCHULZE (1979)*

# Nokto

*(En alte volbita malvasta ĉambro gotika*
*Faŭst maltrankvile*
*sur fotelo ĉe pupitro.)*

**Faŭst:**
Ho, jam mi pri filozofi',
Jurisprudenc' kaj medicin',
Bedaŭre eĉ teologi'
Penege ja okupis min.
Jen mi nun staras, malsaĝul'!
Kaj sciokresko estas nul';
Magistro mi, kaj eĉ doktor'
Kaj jam dek jarojn kun fervor',
Malsupren, supren, kurbe, rekte
Disĉiplojn trompas mi perfekte –
Kaj vidas, ke ne eblas scio!
La koron preskaŭ rompas tio.
Ja mi pli saĝas ol tiuj filistroj,
Doktoroj, skribistoj, pastraĉoj,
magistroj
Skrupuloj aŭ duboj ne min deprimas,
Mi la inferon, diablojn ne timas –
Per perdo de ĝojo, tamen, mi pagas,
Scii esencon mi ne imagas,
Mi ne imagas povi instrui,
Al plibonigo de l'hom' kontribui.
Nek monon krome, nek honoron
Mi havas, kaj ne mondan gloron;
Eĉ hund', ne tiel vivus ĝi!
Do mi min donis al magi',
Ĉu eble el spiritaj sferoj
Mi lernu ion pri misteroj;
Ke ne plu, ja sen iu scio,
Parolu ŝvite mi pri ĉio;
Ke mi ekkonu, kio kerne
La mondon ligas plej interne,
Ekvidu ĉiujn semojn fortojn
Kaj ĉesu maĉi nurajn vortojn.
Ho se vi vidus, brila lun',
Lastfoje mian plagon nun!
Ja ofte en noktmeza hor'
Vi trovis min kun peza kor':
Ĉis vi, amiko morna, venis!
Ho, ke en via lumo kara
Promenus mi sur alt' montara,
Fantome ĉe kavernoj ŝvebus,
Krepuske tra herbejoj strebus,
Kaj for de konsciencĥaoso
Sanbanus min en via roso!
Ve! ĉi karcer' min tenas plu?
Mucida, damna brika tru',
En kiu eĉ la lum' ĉiela
Malklaras pro vitral' malhela!
Limigas min ĉi libramas',
De l'vermoj predo kaj de l'polvo,
Kadrita de paperfatras'
Ĉis supre ĉe la alta volbo;
Skatoloj, glasoj en la rond'
Kaj instrumentoj senkvalitaj,
Praavaj iloj enŝtopitaj –
Jen via mond'! nomiĝas tio mond'!
Vi miras, kial via kor'
Premiĝas time en la sin',
Neklara sento de dolor'
En plena viv' malhelpas vin?
Ja vin ĉirkaŭas ne natur'
Vivanta, dia don' al ni,
En fum' kaj putro estas nur
Skeletoj, ostoj ĉirkaŭ vi.
Ek! Fuĝu! Al la land' libera!
Ne estas al vi akompan'
Sufiĉa tiu ĉi mistera
Volum' el Nostradam-a man'?
Se vi de l'steloj movan ordon,
La leĝojn de l'natur' ekkonas,
Ekhavos vi l'animan forton,
Kiu spiritkontaktojn donas.
El seka cerbumad' de vi
La sanktaj signoj ne klarigas sin.
Vi ŝvebas, vi spiritoj, apud mi;
Respondu, se vi aŭdas min!

---

**Willi Bredel**

# Venko super Goethe

La Ernst-Druker-teatro ĉe la Spielbuden-placo en Sankt-Pauli[1]), tipa popolteatro, havis publikon el maristoj, haven-laboristoj, fiŝkomercistoj, vendistoj kaj putinoj, kaj la prezentataj spektakloj estis burleskaĵoj kaj farsoj, plej ofte laŭ Hamburga dialekto, drastaj, originaj kaj sanaj. La kanaljo fine ricevis bategojn kaj la povra senkulpulino estis savita. Tio plaĉis al la publiko, kiu ne avaris kun aplaŭdo kaj ofte ĉe la fino de l'prezentado donacis al la aktoroj bieron anstataŭ floroj aŭ suprenetendis dikan fumaĵ-angilon. Nu, unu el la dramaturgoj de tiu popolteatro antaŭ jaroj elpensis, elŝeli kaj prezenti la Grenjo[2])-tragedion el la „Faŭsto" de Goethe. Eble ĵus mankis al li teatraĵo, eble li intencis montri al la homoj iom pli seriozan. La prezentado ankaŭ estis akceptita serioze kaj atente. Laŭtaj lamentoj eksonis el la vicoj de la publiko, kiam Grenjo tordiĝis pro konsciencaj turmentoj. Kaj dum la klaĉado de la knabinoj ĉe la puto kelkaj viroj kriis ekscitite: „Jes, jes, tiel estas! Ho, tiaj kondamnindaj klaĉ-virinoj!" Sed ĉe la fino estiĝis terura skandalo, kian tiu respektinda teatro neniam travivis, kaj dum ties sinsekvo la indigna honesta publiko de Hamburg gajnis kompletan venkon super Goethe:

1) amuz-kvartalo en Hamburg;

2) germane „Gretchen"



*Sceno el „Faŭsto" de Goethe. Surscenaĵo en Weimar. (de ml. al d. Mefisto, Faŭsto, Grenjo)*

Foto: Zentralbild

Kiam doktoro Faŭsto intencis postlasi sian Grenjon en malliberejo kaj foriri kun sia diablo-akompananto, tute ne helpis, ke voĉo el la ĉielo vokis, Grenjo estus savita. Tio estis por la Hamburganoj tro mistika kaj necerta konsolo, ĉar en ili ankoraŭ vivis sento pri juro kaj justeco, kaj iliaj koroj batis por la senkulpeco.
Viroj kaj virinoj leviĝis tre indignite kaj kriis:
„Kion signifas ‚savita'? ... Tio estas sensencaĵo ...! Li devas edziniĝi ŝin ...! Li edziniĝu sin ...! Venigu la doktoron ...! Li devas edziniĝi ŝin!"
La publiko kriis ĥore: „Edziniĝi! Edziniĝi! Edziniĝi!"
La reĝisoro rapidegis, pala pro teruro, sur la scenejon kaj petis silenton. Li atentigis pri tio, ke tiu fino ne devenis de li, sed tiel estis verkita de Goethe. Li ne sukcesis. „Ĉu Goethe? Tio estas pretekstoj! Li devas edziniĝi ŝin! Edziniĝi! Edziniĝi!" Fine Grenjo kaj doktoro Faŭsto, li kiel pentoplena pekulo, venis

antaŭ la kurtenon. Kiam estis silento en la aŭditorio, la doktoro komencis: „Pardonu al mi, Grenjo. Mi traktis vin malbone. Mi ĉion volas ripari, kaj tial mi demandas vin: Ĉu vi deziras edziniĝi kun mi?"
Kaj Grenjo mallaŭte respondis: „Jes, Heinrich!"
Post tio ili donis la manon unu al la alia kaj kisis sin.
Tiu korektita fin-sceno estis akceptita kun nepriskribebla jubilo. Plurfoje Faŭsto kaj Grenjo devis veni antaŭ la kurtenon kaj estis superŝutitaj per aplaŭdo de la tute kontentigita publiko. La gastejestro de la „Ruĝa fringo" en la fringo-strato invitis ĉiujn aktorojn al senpaga biero. Oni donacis al Grenjo bukedon kaj al Faŭsto kelkajn cigarojn. Tio estis la teatroskandalo ... dum kiu tiu-ĉi senmorala teatraĵo ricevis per la voĉo de l'popolo honestan finon.

(Tradukis M. Arnold)

Boris Laskin

# La eksperimento

Bonvolu permesi al mi, estimata leganto, ke mi konfidas al vi la rezulton de eksperimento, kies sukceso preskaŭ estas miraklo, kaj mi proponas al vi, provi ĝin. Por tio vi nur bezonas malgrandan nigran keston, kiu aspektas kiel miniatura sonbenda aparato. Tiam havigu malnovan, neuzeblan mikrofonon kaj konektu ĝin per kablo al la nigra kesteto. Nun la kesteto havas tiel grandan magian forton, ke per ĝia helpo vi sukcesos ŝanĝi malĝentileco en afableco, indiferenteco en intereson, impertinenteco en ekzemplodonan konduton.
Por konvinkiĝi pri la efiko de mia „teknika miraklo", mi demandis taksiŝoforon, ĉu eble li veturigus min al Gorki-strato n-ro 8. Ĉe tio mi kaŝis mian aparaton kaj menciis intence ĉi tiun celon, ĉar ĝi troviĝis en rekta proksimeco kaj la distanco de la taksihaltejo estis nur unu kilometro. Kiel mi supozis la ŝoforo ekridis sarkasme kaj klarigis: „Pri tio mi ĉiam ja revis, veturigi miajn pasaĝerojn de la tablo ĝis la forno. Iru rapide! Mi ja ne estas freneza!"
Post tri minutoj mi ripetis mian peton al la sama ŝoforo, sed ĉi-foje mi tenis la mikrofonon en la mano.
La ŝoforo rigardis min kaj la mikrofonon, ridetis kaj, ĝentile malfermante la pordon, li diris: „Bonvolu sidiĝi! Estas ja proksime; rekte apude, sed tio ne gravas. La deziroj de miaj pasaĝeroj estas ordono por mi!"
Mi sidiĝis en la taksion kaj atingis bone la deziritan lokon. Pagante mi diris: „Laŭ taksimetro vi devas ricevi 20 kopekojn, jen estas 30, kaj la resto estas por vi!"
Li protestis kaj rifuzis svingante la manon: „Neniukaze! Trinkmonon mi ne akceptas. Tio koruptas karakteron! Ĉion bonan, ĝis revido! Mi deziras al vi sukceson ĉe laboro kaj multe da feliĉo por via persona vivo!"
Post kelkaj tagoj la ĉefino de kemia purigejo interparolis kun mi per similaj variantoj. Sen mikrofono ŝi diris: „Ĉu vi ne havas okulojn en la kapo? Ĉe la pordo vi povas legi, ke nun estas tagmeza paŭzo!"
Kiam mi alprenis la mikrofonon, ŝi tuj ŝanĝiĝis: „Mi petas vian pardonon, sed certe vi ne rimarkis, ke ni jam estas fermintaj! Ĉar via afero certe estas tre urĝa, ni estas komplezaj al vi kaj faras malgrandan escepton. Mi petas vin!"

*Esperantigis Hans Buth*

Adolf Glassbrenner

# La raŭpo

**La raŭpo sur la arbo sidis,**
**foliojn manĝis, malrapidis,**
**kaj robon el veluro**
**ĝi portis laŭ figuro.**

**Ministro tie preterpasis,**
**dum oni en arbaro ĉasis.**
**Li diris al la besto**
**kun malagrabla gesto:**

**„Vi raŭpoj estas, oni diras,**
**tre stultaj, tial mi tre miras:**
**Vi kion entreprenis,**
**ke vi ja suprenvenis?"**

**Post kiam tion ĝi komentis,**
**li tre ruĝiĝis kaj silentis.**
**Jen estis la repliko:**
**„Mi rampis nur, amiko!"**

(Trad. Manfred Arnold)

RECENZO

# Kontinento sen interpretistoj

Dum la lasta tempo oni pli kaj pli ofte povas aŭdi kaj legi pri la neceso propagandi kaj disvastigi Esperanton en neesperantistaj medioj. Por havi kiel eble plej grandan sukceson, oni bezonas taŭgajn propagandilojn, ĉefe en naciaj lingvoj. Tia saĝe verkita informilo aperis en Ĉeĥoslovakio. Eldonis ĝin Ĉeĥa Esperanto Asocio en la ĉeĥa lingvo sub la titolo: „Kontinento sen interpretistoj – Dek ĉapitroj pri internacia lingvo".[1]) Praha 1978
La aŭtoro Oldřich Knichal estas inter esperantistoj bone konata kiel redaktoro de „Starto" kaj membro de la redakta komitato de „Paco". En la unuopaj ĉapitroj la aŭtoro informas pri la malfacileco lerni fremdajn lingvojn; pri la problemo de multlingveco kaj malfacila laboro de interpretistoj kaj tradukistoj; pri la historio de internaciaj lingvoj ekde komenco ĝis hodiaŭ; pri Zamenhof kaj Esperanto; li prezentas koncizan gramatikon de Esperanto; informas pri la Esperanto movado en la mondo kaj speciale en Ĉeĥoslovakio; pri la Esperanto movado inter laboristoj kaj pacdefendantoj; pri la agado de UEA ĉe UN kaj UNESKO kaj fine li skizas la perspektivojn de Esperanto kaj internacia lingvo en la estonteco. Sur la lastaj paĝoj oni trovas eldirojn de famaj personoj pri Esperanto kaj kelkajn gravajn dokumentojn de internaciaj organizajoj.
Longjara kaj bone informita esperantisto ne trovas en la libro multajn novaĵojn. Sed tio ja ankaŭ ne estas la intenco de tiu ĉi libro, kiu direktas sin ĉefe al neesperantistoj kaj volas veki ĉe ili intereson pri internacia lingvo kaj Esperanto. Kaj tiun ĉi celon la libro certe plene atingas.
Kompreneble la plej multaj ekzemploj kaj faktoj en la libro koncernas la agadon de esperantistoj en Ĉeĥoslovakio, ĉar oni volas informi ĉefe la ĉeĥoslovakan publikon.
„Kontinento sen interpretistoj" certe helpos al la ĉeĥaj esperantistoj trovi novajn interesatojn pri Esperanto. Estus dezirinde, se similaj bonaj informiloj ekzistus ankaŭ en aliaj landoj kaj en aliaj lingvoj. Tial la libro samtempe instigu alilandajn Esperanto asociojn eldoni similajn verkojn.

Dieter Berndt

[1]) Oldřich Knichal: Světadil bez tlumočníků. Desset kapitol o mezinárodním jazyku. 131 p.

# A. S. PUŜKIN



*1979 oni festis la 180an datrevenon de la naskiĝo de Aleksandro S. Puŝkin. Postokaze ni publikigas kelkajn poemojn de tiu granda poeto, en la traduko de Nikolao Fedotov.*

Foto: Zentralbild

Ĉu bruan straton mi rapidas
aŭ templon venas por moment',
kun junular' freneza sidas –
obsedas min amara sent'.
Mi pensas; ja, forkuros jaroj,
kaj ĉiu, nun batanta kor'
descendas al etern-volbaroj, –
kaj ies jam proksimas hor'.
Ĉu vidas mi solecan kverkon,
mi diras: „De l'arbaroj car'
postvivas daŭre mian ĉerkon
samkiel jarojn de l'patrar'.
Karesas bebon mi teneran,
– Adiaŭ! – pensas sen envi', –
Por vi mi cedas lokon teran:
mi devas putri, flori – vi.
Kaj ĉiun tagon, tempfragmenton
mi pense sekvas laŭ kutim',
kun pen' venontan mort-
momenton
antaŭdivenas en anim'.
Kaj kie min atingos morto?
Sub ond', dum migro, en batal'?
Aŭ fridan cindron mian sorto
forjetos al najbara val'?
Kaj kvankam al la korp' malvarma
por putri samegalas ter',
proksime al hejmlando ĉarma
mi volus dormi laŭ prefer'.
Kaj ĉe la kripta aperturo –
de l'juna vivo ludu gent'
kaj per eterna bel' naturo
briladu en indiferent'.

Elrusigis Nikolao Fedotov

**ALEKSANDR PUŜKIN**

## Profeto

Kun ver-soifo en l'anim'
Mi vagis en dezert' senĝoje,
Kaj jen serafo en proksim'
Aperis antaŭ mi survoje.
Tuŝetis per leĝera man'
Okulojn miajn ĉielan'.
Vastiĝis okulpar' aŭgura,
Kiel ĉe aglo pro teruro.
Orelojn miajn tuŝis li, –
Plenigis ilin sonoj, kri':
Ekaŭdis mi ĉieltremeton
Kaj flugon de la anĝelar'.
Rampulan iron sub la mar'
Kaj de la vala vit' vegeton.
Kaj langon pekan el la buŝ'
Elŝiris li per nova tuŝ',
La ruzan kaj vanvortan langon,
Kaj la pikilon de serpent'
Sagaca ŝovis en silent'
En mian buŝon mano sanga.
La bruston fendis li per glav'
Kaj koron vibran foreljetis,
Kaj karbon ardan la seraf'
En trahakitan bruston metis.
Mi kuŝis kvazaŭ post la mort',
Kaj vokis min de Dio vort':
„Profet', ekstaru, aŭdu veron,
Pleniĝu vi je mia vol'
Kaj, trapasante maron, teron,
Bruligu l'korojn per parol'."

Trad. N. Fedotov

**ALEKSANDR PUŜKIN**

## Al Anna Kern

Memoras mi (moment' admira!):
subite ekaperis ci,
Vizio kvazaŭ preterira,
Geni' de l'belo kaj graci'.
Dum la angoro senespera,
ĉe brutumulta malkviet'
min ravis longe l'voĉ' tenera
kaj trajtoj ĉarmaj por poet'.
Pasadis jaroj. Ŝtorm' ribela
Disblovis revojn kun kruel',
forgesis mi la voĉon belan
kai ĉiajn trajtojn de l'ĉiel.
En morno de l'ekzil' izola
de tagoj miaj longis ir'
sen dolĉaj larmoj, sen idolo,
sen viv', sen amo, sen inspir'.
Vekiĝis en anim' admiro:
Ci reaperis antaŭ mi
Vizio kvazaŭ preterira,
de la plej pura bel', geni'.
Kaj en ekstaz' la koro bolas,
Aŭdante je l'denova flam',
revenis larmoj kaj idolo,
L'inspiro, l'vivo kaj la am'.

El la rusa: Nikolao Fedotov

Noto de l'tradukinto: Anna Kern (1800–1897), al kiu la granda rusa poeto dediĉis ĉi versaĵon, nevino de la najbarino de Puŝkin P. A. Osipova, gastis ĉe ŝi en V. Trigorskoje somere 1825 j. Puŝkin transdonis la versojn al sia „idolo" en la tago de ties reveturo hejmen. En la unua strofo la poeto rememoras la unuan renkontiĝon kun K. en 1819j. en Petersburgo.

Prof. Dr. sc. Frank Häusler

# „La sinteno de J. Baudouin de Courtenay al la problemo de mondaj helplingvoj"

Je la komenco de nia jarcento, la diskuto pri kreo de artefaritaj mondlingvoj okupis vastan spacon en la historio de la lingvoscienco. Hugo Schuchardt, Karl Brugmann, August Leskien, Hermann Diels kaj Baudouin de Courtenay estas nur kelkaj el la eminentaj lingvosciencistoj kiuj esprimis sian opinion pri tiu ĉi problemo. La diskutado estis parte tre vigla kaj respegulis la praktikajn aspektojn de la kreado kaj realigado de artefarita mondlingvo kaj ankoraŭ pli – kiel oni tion eĉ ne povis alie atendi – la lingvofilozofiajn kaj mondkonceptajn poziciojn de la kritikistoj kaj defendantoj de la ideo pri mondlingvo. Tiurilate estas interese turni nian rigardon al polemikaĵo, kiun Jan Baudouin de Courtenay skribis antaŭ pli ol 70 jaroj sub la titolo „Zur Kritik der künstlichen Weltsprachen" (Al la kritiko de la artefaritaj mondlingvoj), (Leipzig 1908) kaj kiu direktis sin kontraŭ samtitola broŝuro, publikigita de August Leskien kaj Karl Brugmann en 1907.

La granda pola lingvisto, kies signifo por la lingvoscienco de la 20-a jarcento trovis ĝeneralan aprobon nur en la lasta tempo, disputas kun la hindoĝermanisto Brugmann kaj la slavisto Leskien el la vidpunkto de sia ĝenerala lingvistika koncepto kaj laŭ profunde demokratia sinteno.

Aliloke jam prezentinte pli detale la lingvosciencajn opiniojn de Baudouin de Courtenay[1]), ni volas ĉi tie nur mencii, ke li estis kontraŭulo de la siatempe ankoraŭ ege disvastigita teorio de Schleicher pri la lingvo kiel aŭtonome ekzistanta naturorgano, ke lin ligis multo kun la ideoj de jungramatikistoj kaj ke li ne nur pledis pli forte ol ili por la studado kaj priskribo de la vivaj lingvoj, sed defendis ankaŭ la tezon pri la ebleco de konscia regulado de lingvaj procesoj. Tiu opinio kaj lia internaciista sinteno en naciaj demandoj karakterizis ankaŭ lian pozicion rilate al la problemo de mondaj helplingvoj. La batalo de Baudouin kontraŭ subpremado de la naciaj malplimultoj en la cara Ruslando kaj en Pollando, kiu kaŭzis al li juĝan persekuton kaj dumonatan areston, prezentas socian engaĝiĝon, kiu mankis al multaj samfakuloj de lia tempo. Tiu ĉi engaĝiĝo faris el li ankaŭ defendanton de artefarita mondlingvo. „Ĉiukaze la realigo de la ideo de internacia helplingvo enviciĝos inter la plej grandajn kaj plej bonfarajn eltrovojn de nia tempo", li skribas. „La ekzisto de tia, la tutan homaron unuiganta mondlingvo elrompos akran kaj venenan denton de el la nacia kaj ŝtata grandulmanio."[2])

Baudouin de Courtenay estis interligita oficiale kun la mondlingva movado per sia membreco kaj kiel vicprezidanto de komitato de la pariza „Delegacia por Alpreno de Lingvo Internacia" (1907 ĝis 1908).[3]) Pro tiu ĉi funkcio Brugmann postulis de li prezenti sian sintenon pri la problemo de mondlingvo. Brugmann faris tion en la menciita verko „Al la kritiko de la artefaritaj mondlingvoj", (Strassburg 1907), kiun li verkis kune kun A. Leskien kiel ekspertizon por la Reĝa Saksa Societo de la Sciencoj. Brugmann verkis la ĝeneralan kritikon de la mondlingva movado, dum Leskien submetis Esperanton al lingvistika analizo. Ambaŭ sciencistoj esprimis sin kontraŭ artefarita mondlingvo.

Brugmann malaprobis artefaritan mondlingvon, ĉar ĝi estas io senhejma, nenio „origina" sed „individua konfuza kreaĵo, en kiu nenio eltenis la provon kuniĝi al organa tuto."[4]) Por doni al la artefarita mondlingvo hejmlandon kaj ekzameni ĝian taŭgecon, Brugmann proponis, krei por ĝi propran patrujon en formo de iu insulo en la oceano, kie oni rajtas paroli nur tiun ĉi lingvon.

Akre disputante kontraŭ tiu ĉi naiva romantismo kaj la kontraŭstarigo de arteco kaj natureco en la lingvo, Baudouin skribas: „Oni asertas, ke la homa konscio ne rajtas enmiksiĝi en la naturan evoluon de la lingva vivo. La lingvo, kiel donaco de Dio, aŭ se vi volas de la naturo, estu akceptota „cum beneficio inventarii", kaj la homa strebado al pliperfektiĝo ĉi tie ne ludu gravan rolon."[5])

Lia kritiko je la ideoj de lingva organismo laŭ la modelo de Schleicher, prezentitaj de la jungramatikisto Brugmann, kulminis en la demando: „Ĉu ekzistas la homo por la lingvo aŭ la lingvo por la homo? La lingvo estas nek integra organismo, nek netuŝebla idolo, sed ilo kaj agado. Kaj la homo havas ne nur la rajton sed ĝuste la socialan devon konvene pliperfektigi siajn ilojn, aŭ eĉ anstataŭigi la jam ekzistantajn ilojn per aliaj pli bonaj.

Ĉar la lingvo estas nedisigebla de la homo kaj lin senĉese akompanas, li devas ankoraŭ pli perfekte regi ĝin kaj igi ĝin ankoraŭ pli dependa de sia intenca interveno ol tio okazas en aliaj sferoj de la psika vivo."[6])

Baudouin malaprobas la arogantan aristokratecon de la lingvosciencaj teoriuloj, rilate al ĉiuj provoj, agi sinteze kaj eltrovi artefaritan lingvon. Li postulas, rezigni pri la indiferenta kaj impotenta admirado kaj adorado de la ĉiopova „nekonscio" kaj anstataŭigi tion per konscia, intencplena manipulado. Per tio li proklamas ideojn, kiuj vaste superas la rigidan, naturleĝe formalan pensadon de la jungramatikistoj. Tio estas ideoj, kiuj en epoko de planado de ĉiuj sociaj procesoj, inkluzive la proceson de la internacia lingva komunikado, atingis kreskantan signifon dum la lastaj jardekoj. Ili ne nur fruktodone influis la solvon de la diskutproblemo mem, t.e. kreo de artefarita mondlingvo, sed stimulis la laboron pri ĉiuj lingvoplanadaj problemoj, pri kreado de skri-

baj lingvoj, pri kodigo de lingvaj normoj ktp. Planlingvoj – kiel oni hodiaŭ nomas la artefaritajn lingvojn – kaj lingvoplanado havas intiman interrilaton. Detlev Blanke, kiu esploris la historian evoluon de la planlingva problemo, atentigas pri tiu ĉi interrilato, skribante: „J. Baudouin de Courtenay ekkonis, ke la ĉefa demando por la ĝusta prijuĝado de la planlingva problemaro estas la kompreno de la rilato inter la spontaneco kaj konscieco en la lingvoevoluo, tezo, kies signifo hodiaŭ ĉiam pli kaj pli kreskas, tiom pli ĉar inter interlingvistiko kaj lingvoplanado (language planing, jazykovoe stroitelstvo) ekzistas multaj kontaktpunktoj."[7]) La spursento de la sensiva sciencisto troviĝis en plena harmonio kun maturiĝinta socia bezono, al kiu celis respondi la diversaj aŭtoroj de mondaj helplingvoj. Pledante por Esperanto, kreita de la polo Zamenhof, Baudouin subtenis projekton, kiu jam tiam pruvis sian funkcikapablon kiel komunikilo kaj ne strebis kiel Volapük al tio anstataŭigi la naturajn naciajn lingvojn, sed kompletigi ilin.

La ĉefan ekkonon, pro kiu fariĝis Baudouin favoranto de Esperanto, liaj kritikistoj ne konsciis en plena graveco. Ĉiuj iliaj riproĉoj, kiujn ili esprimis kontraŭ artefarita lingvo ĝenerale kaj kontraŭ Esperanto speciale, montriĝis nur kiel duarangaj kaj ne povis haltigi la evoluon de la planlingva ideo.

Al ili apartenas ekzemple la argumentoj de Leskien pri laŭdire malfacila lernebleco de Esperanto kaj ĝia malfacila elparolebleco por anoj de iuj nacioj same kiel la riproĉo de Brugmann, ke Esperanto ne havas sufiĉan vortprovizon por fariĝi lingvo de sciencistoj, kaj ke estas utopio, traduki adekvate poeziaĵojn en Esperanton aŭ verki tiajn en tiu ĉi artefarita lingvo.

Ni ne bezonas ĉi tie ripeti la argumentojn, per kiuj Baudouin malfortigis la tezojn de Brugmann kaj Leskien, ofte lerte formulitajn, kvankam la pola sciencisto ĉi tie pruvis multe da sagaco. La polemiko, daŭrigita en la germanaj gazetoj „Indo-germanische Forschungen" kaj „Akademische Rundschau" kaj en la pola monata gazeto „Krytyka" helpis formi la vidpunktojn de ambaŭ partioj kaj povas servi kiel ekzemplo de scienca opini-disputo.[8])

La praktiko konfirmis la kuraĝan entreprenon. La apliko de Esperanto en la internacia komunikado, parolantaro de ĉirkaŭ unu miliono, la eldonado de verkoj de mondliteraturo komencante de la „Dia Komedio" de Dante ĝis „Nuda inter lupoj" de Bruno Apitz, elokvente parolas por si mem, same kiel la kreskanta nombro de gazetoj aperantaj en Esperanto aŭ la sciencaj kongresoj dum kiuj funkcias Esperanto kiel komunikilo.

Ĉiuj restriktoj de Brugmann en la senco, ke neniu scias, ĉu lingvo kiel Esperanto montros sin ĝenerale taŭga, ke ĝi estas science tute nematuriĝinta kaj utopio, kaj ke ĝi estas laŭ li „kvazaŭ sablokirlo, kiu nepre baldaŭ disfalos per si mem"[9]), montras ignoradon de la nova, kontraŭ kio Baudouin batalis dum sia tuta vivo.

Baudouin plendis en sia traktato „Pri internacia helplingvo" en la gazeto „Krytyka" pri tio, ke ĝuste la lingvistoj rilatas plej malfavore al la ideo de tia lingvo kaj konstatis, ke la plimulto de la pledantoj troviĝas inter la matematikistoj kaj natursciencistoj, kiuj montras plej grandan intereson pri la problemoj de scienca sintezo. Evidente tiu ŝajne paradoksa situacio plu ekzistas ankoraŭ 50 jarojn post la apero de la traktato de Baudouin. V. P. Grigorjev rimarkas je la fino de sia artikolo pri „Baudouin de Courtenay kaj la interlingvistiko": „Interlingvistaj ideoj trovas rezonadon ĉe matematikistoj, fizikistoj, cibernetikistoj, sed ne ĉe niaj agnoskitaj lingvistoj-teoriuloj".[10])

Tio estas nur ŝajne paradoksa, ĉar la lingvistoj orientiĝas sin en fremdaj lingvoj pli bone ol aliaj sciencistoj kaj tial ili sentas malpli la bezonon de helplingvo. V. Peevski, gvida bulgara esperantisto kaj natursciencisto, skribis antaŭ nelonge rilate la kreskantan sciencan informfluon, ke „por sekvi la evoluon de la scienco en la respektiva sfero, la scienca laboristo devas posedi kvar aŭ kvin lingvojn – la anglan, francan, rusan, germanan kaj hispanan."[11]) La ekonomia profito de internacia lingvo por la scienco hodiaŭ – kompare kun la tempo de Baudouin – ege kreskis.

Sed per tio ne elĉerpiĝas la signifo de planlingvo kiel Esperanto. Ĝi fariĝas ĉiam pli interesa kiel komunika lingvo ankaŭ por lingvistoj kaj lingvoinstruistoj. Kaj ankaŭ tiun ĉi funkcion Baudouin antaŭvidis. Li ekkonis, ke Esperanto pro sia simpla logika strukturo, la reguleco de sia gramatiko kaj sia vortfarado, estas taŭga helpilo por lernado de aliaj lingvoj. La eksperimentoj, kiujn oni faris dum la lasta tempo en lernejoj de diversaj landoj, pruvis, ke Esperanto kiel baza lingvo por la fremdlingva instruado konsiderinde pliefektivigas la lernadon de aliaj fremdaj lingvoj. Sed Baudouin ankoraŭ ne povis antaŭvidi, ke Esperanto kapablas servi ankaŭ kiel logika pera lingvo por lingva tradukado pere de komputiloj.

Hodiaŭ enkonduko de planlingvoj aŭ artefaritaj mondlingvoj estas ankoraŭ pli aktuala problemo ol dum la tempo de Baudouin. Esperanto, antaŭvide defendita de Baudouin de Courtenay, posedas gvidan rolon. Ni volas fini per la vortoj de la meritplena soveta esperantisto Bokarev: „Kiel ajn oni rilatas al Esperanto, ĝi estas teorie ege interesa kiel lingvistika amaseksperimento, efektivigita dum longa tempo."[12])

## Notoj

1) Komparu F. Häusler: Das Problem Phonetik und Phonologie bei Baudouin de Courtenay und in seiner Nachfolge, 2-a eld., Halle 1976

2) J. Baudouin de Courtenay: Zur Kritik der künstlichen Weltsprachen, Leipzig 1908, p. 46

3) Pli detale pri la laboro de tiu ĉi komitato komparu en la ĉapitro X. de la traktato de J. Baudouin de Courtenay: O jezyku pomocniczym miedzynarodowym. En „Krytyka", Miesiecznik poswiecony sprawom spolecznym, nauce i sztuce, Krakow 1908, z. VII–VIII kaj en la artikolo de T. Dobrzynska: Jan Baudouin de Courtenay wobec sprawy jezyka miedzynarodowego. En: „Prace filologieszne", vol. XXII, Warszawa 1972, p. 61

4) K. Brugmann kaj A. Leskien: Zur Kritik der künstlichen Weltsprachen, Strassburg 1907, p. 26/27

5) J. Baudouin de Courtenay: Zur Kritik der künstlichen Weltsprachen, citita verko p. 10

6) J. Baudouin de Courtenay: Zur Kritik der künstlichen Weltsprachen, citita verko p. 12

7) D. Blanke: Zur wissenschaftlichen Beschäftigung mit Plansprachen. En: „Zeitschrift für Phonetik, Sprachwissenschaft und Kommunikationsforschung", Berlin, jarkolekto 1977 (vol. 30) p. 128

8) Komparu K. Brugmann kaj A. Leskien: Zur Frage der Einführung einer künstlichen internationalen Hilfssprache. En: „Indogermanische Forschungen", vol. XXII, kajero 5 (1908), p. 365 ĝis 396; K. Brugmann: Die künstlichen Weltsprachen und ihre Aussichten. En: „Akademische Rundschau", 2-a jarkol., kaj 6/1914, p. 290–309; J. Baudouin de Courtenay: O jezyku pomocniczym miedzynarodowym, citita verko Krakow 1908

9) K. Brugmann: Zur Frage der Einführung einer künstlichen internationalen Hilfssprache, citita verko, p. 369

10) V. P. Grigorjev: I. A. Boduen de Kurtené i interlingvistika. En: „I. A. Boduen de Kurtené (k 30-letiju so dnja smerti)", Moskva 1960, p. 65/66

11) V. Peevski: Wissenschaft und internationale Sprache. En: „Wissenschaftliche Welt", Berlin, jarkol. XXI, n-ro 2/1977, p. 26

12) E. A. Bokarev: Sovremennoe sostojanie voprosa o mezdunarodnom vspomogatelnom jazyke. En: „Problemy interlingvistiki", Moskva 1976, p. 17

Tradukis Renate kaj Dieter Berndt

## Interlingvistikaj kaj esperantologiaj verkoj, nove aperintaj

*N. E. Maimon:* La kaŝita vivo de Zamenhof Originalaj studoj. Kun enkonduko de G. Waringhien. Japana Esperanto-Instituto, Tokio 1978, 214 p.

*P. Janton:* Einführung in die Esperantologie, trad. el la franca de G. Becker kaj M. Becker-Meisberger, Olmsverlag Hildesheim 1978, 104 p.

*L. Couturat/L. Leau:* Histoire de la langue universelle. Olmsverlag Hildesheim 1979, 576 p. + VIII + 110 p. + 8 p.

*J. Wells:* Lingvistikaj aspektoj de Esperanto, CED, Rotterdam 1978, 76 p.

*D. Blanke:* (Red.) La internacia lingvo: sciencaj aspektoj, Berlin 1979, 236 p.

*W. Auld:* Pri lingvo kaj aliaj artoj. Antverpeno-La Laguna 1978, 216 p.

*G. Waringhien:* 1887 kaj la sekvo . . . Esperantologiaj eseoj IV, Antverpeno-La Laguna 1980, 292 p.

*T. Carlevāro, G. Lobin (Red.):* Einführung in die Interlinguistik, Alsbach 1979, 262 p.

Canko Murgin

# L. Zamenhof dum la revolucio en Rusio (1905–1907)

El ideologia vidpunkto L. Zamenhof ekzistas paralele en duobla aspekto: Konata, sed nesciata; oficiala, sed subplanka; humila kaj pacema, sed revolucia; vadanta tra la miasmaj marĉoj de kapitalismo, sed pli kaj pli ofte turnanta rigardon maldekstren al bordo de la novepoka aŭroro de socialismo...

## L. Zamenhof kaj V. I. Lenin

En la poemo „Preĝo sub la Verda Standardo" L. Zamenhof prezentas la homaranisman doktrinon en versoj. Tiu poemo formis la finon de lia unua kongresparolado en 1905. En la jaroj 1906 kaj 1907 L. Zamenhof konsentis, ke oni forstreku la homaranismajn tekstojn, sed en 1905 li firme rezistis kaj ne cedis elimini tiun poemon el sia kongresparolado. Kaŭze de tiu Zamenhof'a malcedemo L. de Beaufront kaj Balif, gvidaj francaj esperantistoj, fakte rezignis partopreni la I-an UK de Esperanto en Bulonjo-apud-Maro, sed ne „pro malsano" aŭ „pro ofica okupiteco".

L. Zamenhof tre ŝatis tiun poemon. Ŝatis ĝin ankaŭ ĉiuj poeziemaj esperantistoj, eĉ nun ne malpli ol iam, antaŭ 75 jaroj, kiam ĝi estis jus lanĉita.

Kio estas la sekreto de ties ĉarmo? Certe ne tio, ke ĝi estas religienhava, homaranisma. Eble tio, ke ĝi simbolas la fratecon kaj justecon inter la popoloj. Tutcerte tamen estas nur tio, ke dank' al iu deflankiĝo (ĉu intenca aŭ hazarda?) L. Zamenhof sukcesis muldi unu el plej altvaloraj perletoj de la originala E-poezio. Temas pri la lastaj kvar versoj de la kvina strofo:

> „Ni inter popoloj la murojn detruos
> kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos,
> kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero
> ekregos sur tero."

La metodo pri efektivigo de la hilelismo-homaranismo estas de tipo evolucia: „iom post iom"[1], „nerimarkite kaj sen ia rompado"[2], „nerimarkite kaj sen rekte detrui"[3], „nenion rekte detrui"[4], tamen post longa laboro, en daŭro de „multaj jarcentoj"[5], eĉ de jarmiloj.

Al tiu evoluisma metodo L. Zamenhof dediĉis sian belegan poemon „La Vojo". La esprimoj kiel „paŝo post paŝo, post longa laboro" aŭ „eĉ guto malgranda konstante frapanta, traboras la monton granitan", same kiel la antaŭaj evoluismaj esprimoj precize spegulas la mondkoncepton de L. Zamenhof pri disvolvo de la socio. Se ĝuste tiu ĉi metodo estus aplikita por forigi la murojn inter la popoloj oni devas malmasoni ŝtonon post ŝtono, brikon post briko, sen rekte detrui, sen ia rompado, sed en daŭro de multaj jarcentoj la limmuroj inter la nacioj kaj ŝtatoj malaperos nerimarkeble, sen bruado, sen krakado. Tio estas la evoluisma metodo.

Tamen en la supre citita kvarversa duonstrofo L. Zamenhof iras laŭ vojo nekutima por li mem kaj aplikas alian, tute kontraŭan al homaranismo metodon – nome: la revolucian metodon. Tiu nova metodo aludas, ke la konstruantoj de la unueca homaro rapide, energie, sinkrone kaj kun tre bona organizo subfosas la murojn inter la popoloj kaj ilin faligas samtempe per surdiga krakado kaj bruado. Tiu urĝa laborritmo memorigas pri la farata revolucio.

Denove: ĉu hazarde aŭ intence, ĉu erare aŭ konscie L. Zamenhof enmasonis en tiu ĉi religipatosa poemo revolucian, en certa senco, poeziperleton?

Por pli bone orientiĝi pri la problemo ni revenu al la historia epoko, en kiu ĝi estas verkita. Estis 1905: komence de la eksplodinta kontraŭimperiisma revolucio en Rusio (1905–1907). Resumante la rezultojn el la agado dum 1905 V. I. Lenin ne sen emocio pentris la bildon de kolosaj ŝanĝoj: „En la printempo de 1905 nia partio estis unuiĝo de subplankaj rondetoj; en la aŭtuno ĝi fariĝis partio de *milionoj* da proletoj"[6]. Estas konforme al la cirkonstancoj supozi, ke tiu etoso de revolucia optimismo atingis, kaptis kaj inspiris la aŭtoron de la „Preĝo sub la Verda Standardo". Por la unua fojo en sia vivo tiu komprenis, ke soci-disvolo konsistas ne nur el evolucio (sur kiu sin bazas la homaranismo), sed – ankaŭ el revolucio.

La religia enhavo de la ceteraj versoj de ĉi poemo servis al L. Zamenhof kiel kaŝfono, kiu favore helpis al li kamufli, konservi kaj sukcese transdoni la poeziperleton al tiutempa publiko kaj pere de ĝi al la estontaj generacioj.

## L. Zamenhof kaj K. Marks – F. Engels

La flagranta en Rusio kontraŭimperiisma revolucio (1905–1907) vekis ĉe L. Zamenhof grandajn esperojn pri alvenontaj pli favoraj kondiĉoj kaj instigis lin ne nur malkaŝi sian simpation al ĝi, sed ankaŭ imperative alvoki: „Rompu, rompu la murojn inter la popoloj... kaj nur tiam povos malaperi tiuj bestaĵoj, kiujn ni nun vidas en diversaj lokoj"[7] (Ĝenevo, 1906).

En Kembriĝo, 1907 ŝajne ne sufiĉis la dufoje ripetita alvoko pri „rompado de la muroj inter la gentoj", tial li eĉ trian fojon vivuas, en la fino de sia kongresparolado, pri „ĉio, kio rompas la murojn inter la gentoj"[8].

La trijara periodo (1905–1907) de skuado, krakado, bruado kaj rompado de la muroj inter la nacioj estas kronita per nevelkeble optimisma prognozo pri pereo de subprema sociordo kaj sagaca aludo pri alveno de nova epoko en la vivo de la homaro, kiam ne plu homo por la homo estos lupo, kiam ne plu ekzistos naciaj, internaciaj, interŝtataj kaj klasaj problemoj, kiam la tuta, unuigita homaro batalos komune nur kontraŭ la fortoj de la naturo por perlabori siajn panon kaj feliĉon...: „*Longe daŭras* ankoraŭ *malluma nokto* sur la tero, *sed ne eterne* ĝi daŭras. Venos iam la tempo, kiam *la homoj ĉesos esti lupoj unuj kontraŭ aliaj.* Anstataŭ konstante batali inter si... ili vivos inter si pace kaj frate, en plena interkonsento *ili laboros sur la tero,* sur kiu ili vivas, kaj *kontraŭ tiuj fortoj de la naturo, kiuj ilin ĉiuj egale atakas.* Kaj kune kaj interkonsente ili celados ĉiuj al unu vero, al unu feliĉo"[9] (Londono, 1907; elstarigoj miaj: C. M.).

Tiu optimisma bildo pri la funkcianta aspekto de la estonta homaro malkaŝas al ni minimume tri menciindajn aferojn: (1) ke L. Zamenhof pentris ĝin sub la inspira influo de la verkoj de komunismaj ideologoj Karlo Marks kaj Frederiko Engels; (2) ke la fabla enigmo pri „rompado de la muroj" inter la nacioj L. Zamenhof deĉifras ne nur per solvo de la problemoj en la internacia sfero (pri stabila internacia paco, pri

diversspeca kunlaboro, pri kontaktoj per komune akceptita planlingvo k.a.), sed ankaŭ per solvo de la interklasa antagonismo interne de ĉiu nacio. Tion oni atingos per neniigo de kapitalismo (t.e. „kiam la homoj ĉesos esti lupoj unuj kontraŭ aliaj") kaj fundamenta rekonstruo de la socio laŭ la principoj de socialismo – komunismo; (3) ke L. Zamenhof komprenis jam antaŭ 73 jaroj tion, kion eĉ la nuntempaj filozofoj kaj politikistoj de kapitalismo – adeptoj de senbrida individuismo kaj disiga pluralismo – ne emas kaj ne ŝatas kompreni, nome: ke la mondo ne iĝos pala, enuiga kaj malriĉa, se ĉiuj homoj havos nur unu intereson, nur unu veron, nur unu feliĉon.

Efektive la venko de la socialismaj revolucioj en la landoj de reala socialismo konfirmas ĉiam pli kaj pli evidente tiun socialismo-komunisman tendencon en la homar-disvolvo, pri kiu L. Zamenhof ofte kaj libere revis, sed rare, ĉirkaŭfraze kaj eĉ enigme parolis publike.

**Notoj**

1) Joh. Dietterle (red.): Originala Verkaro de L. L. Zamenhof Leipzig – 1929, p. 353, p. 327, p. 374

2) (L. Zamenhof): Dogmoj de hilelismo, St.-Peterburgo – 1906, p. 13

3) (L. Zamenhof): Homaranismo (hilelismo), St.-Peterburgo – 1906, p. 2

4) G. Waringhien (red.): Leteroj de L. L. Zamenhof. Vol. I, Paris – 1948, p. 203

5) Same, p. 201

6) V. I. Lenin: Plena Verkaro, kvina rusa eldono, vol. XVII, Moskvo, 1. 145

7) Noto 1, p. 370

8) Same, p. 379, p. 380, p. 381

9) Same, p. 383

**Rimarko de la redakcio**

Ni publikigas la kontribuon de Canko Murgin, kvankam al ni ŝajnas iom tre kuraĝaj liaj konkludoj pri la „revolucia optimismo de Zamenhof kaj la influo de la verkoj de Marks, Engels kaj Lenin je Zamenhof.
La artikolo eble kontribuos al pli forta okupiĝo pri la Zamenhof-bildo en nuntempa interpreto.

# RECENZOJ

## „Hungaraj fabeloj"

Ĉu vi iam estis trans la fabeloceano? Ne!? Do, vi nepre legu „Hungaraj Fabeloj" (1979, 70 p.) de Elek Benedek, kiujn trafe elektis kaj delikatsente tradukis Maria Benczik. Ne necesas esti infano! Ankaŭ plenaĝuloj certe estos ravitaj de la 10 fabeloj kiuj titolas jene: La lupo kaj la vulpo / Joĉjo la Ĉioscia / La soldato kaj la tajloro / La maljunulino kaj la morto / La brava peltisto / La filino de la bovopaŝtisto / La ora bastono / La reĝidino de Sunsubirlando / La rano / La ora sago.

Ne nur la enhavo estas rave fabeleca ankaŭ la stilo konvene adaptiĝas.

Ĉiu unuopa fabelo estas enkondukata per bildo montranta la ĉefrolulojn en fantazie riĉe ornamita kadro. Se mi estus infano, mi tuj kolorigus la blanke-nigrajn ilustraĵojn de Ida Csaky. Rimarkeblas kaj senteblas, ke Hungaraj Fabeloj estas kvazaŭ internaciaj, tiel bone ili estas kompreneblaj kaj percepteblaj. „Ĉu estis, ĉu ne estis . . ." enttue temas pri vere leginda bela fabeloceano kaj aminda kontribuo al la Jaro de la Infano fare de Hungara Esperanto-Asocio.

Hella Sauerbrey

## „Ĉiela Birdo"

Legante la titolon „Ĉiela Birdo" oni atendas pli malpli poezian aŭ idilian enhavon. Certe, de tempo al tempo estas prezentataj kelkaj ravigaj priskriboj de kamparana pejzaĝo.

Sed la kerno de la rakonto de Zsigmond Móricz estas la kamparanoj mem kaj ties interrilatoj. Klare kaj psikologie estas skizitaj la homaj karakteroj, sentoj kaj konfliktoj. La ĉefrolantoj estas la junedzino Panni, devenanta el malriĉula familio, ties orgojla riĉa edzo, la humilaj gepatroj de Panni, la stulte fiera bofratino kaj kelkaj samvilaĝanoj.

Superfluas substreki, ke sociaj streĉitecoj disvolviĝas. Montriĝas la profunda abismo inter la du klasoj de riĉuloj kaj malriĉuloj. Eĉ ne mankas amato kaj konfliktsituacio pro tio la leganto estas scivola ĝis la lasta linio, por ekscii, kiamaniere la „nodo" solviĝos.

Laŭ lingva vidpunkto mi estas kontenta, nur unufoje mi „stumblis" pri jena frazo . . . „oni ridegis liaj vortoj" (pĝ. 35).

La tradukinto estas d-ro István Nagy kaj Vilmos Benczik aldonis tre utilajn biografiajn notojn pri Zsigmond Móricz kaj ties verkaro.

La grafikaĵo sur la frontpaĝo estas moderna, sed diras al mi nenion.

Eldonanto: Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1979. (44 p.)

Hella Sauerbrey

# Recenzo

**M. L. Fanfani (zorge de), L'opera di Bruno Migliorini nel ricordo degli allievi con una bibliografia dei suoi scritti, Accademia della Crusca, Firenze 1979, 307 p.**

Bruno Migliorini estis unu el tiu, bedaŭrinde ne tro multnombra, aro de lingvistoj, kiuj estis samtempe esperantistoj kaj elstaraj sciencistoj, rekonitaj kiel tiaj de la lingvista komunumo. Oni neniam sufiĉe substrekos por nia movado la gravecon de tiaj homoj, kiuj per sia prestiĝo donis, kaj pludonas, prestiĝon al Esperanto. La ĉi-tie recenzata verko enhavas antaŭparolon de la nuna prezidanto de la „Accademia della Crusca" (tiel nomiĝas la Akademio de la Itala Lingvo), kvin artikolojn de disĉiploj de B. Migliorini, bibliografion de liaj verkoj kaj plurajn indeksojn.

La antaŭparolo kaj la kvin artikoloj difinas la rolon de B. Migliorini en la itala lingvistiko kaj en la praktika lingvo-planado en Italujo dum ĉi-tiu jarcento.

Migliorini estis unu el la lingvistoj, kiuj plej efike kunligis fakajn lingvistikajn konojn kaj iun nedifineblan lingvan „guston" (tian guston oni atribuas ankaŭ al Zamenhof), pro kiu kelkaj el la italaj neologismoj kreitaj de li iĝis tre popularaj kaj vaste uzataj.

Kvankam li agnoskis la eblecon ke individuo kreas vortojn, li samtempe klare substrekis ke tiuj vortoj havas vivoŝancon nur se ili estas akcepteblaj por la parolanto-komunumo.

Tiajn konsilojn li ofte donis ankaŭ al esperantistaj „neologismuloj", kies kreomaniero en la tridekaj jaroj ŝajnis endanĝerigi la pluan sisteman evoluon de Esperanto.

La bibliografia parto estas interesa por esperantologoj, ĉar ĝi ebligas esplorojn pri la esperantlingva verkado de Migliorini de la jaro 1914a ĝis proksimume la jaro 1935a. Oni ja scias ke post tiu jaro Migliorini nur malaktive sekvis la Esperanto-movadon. Plej verŝajne la bibliografio ne estas kompleta, ĉar mankas supozeble artikoloj de M. en neitalaj esperantistaj revuoj.

Renato Corsetti

# El romano de Hermann Kant

Hermann Kant estas unu el la plej talentaj nuntempaj verkistoj de GDR. 1977 sur libromerkato aperis nova lia romano „La restado" (germ.: „Der Aufenthalt"). Temas pri restado de juna ekssoldato de la nazia armeo, Mark Niebuhr, en pola postmilita arestejo en la detruita Varsovio.

Iutage pola leŭtenanto devigas la kaptiton piedmarŝi kun li tra la dezerto el murerој, ŝtonoj, polvo kaj cindro kiu iam estis la juda getto de Varsovio. La leŭtenanto parolas pri la stratoj kiujn ili trairas. – Zamenhofstrato. –

„Ĉu vi aŭdis pri Zamenhof Ludoviko?" „Ne." „Sed vi aŭdis pri Esperanto, ĉu?" „La artefarita lingvo? Jes, mi aŭdis, ĉar mia patro kaj mia onklo . . ."

(La kaptito vidalvide de tiom da detrueco hezitas paroli pri privataĵoj) . . . sed la leŭtenanto diris: „Vi volis rakonti pri via patro kaj via onklo kaj pri Zamenhof." „Ne, pri Zamenhof mi scias nenion." „Estas tiu, kiu elpensis Esperanton. Okulkuracisto, pola." „Tion mi ne scias. Tion certe ankaŭ mia patro kaj mia onklo ne estis sciintaj. Mia patro diris, Esperanto estus bona se oni foje venus al Francio aŭ Italio, kaj ĝenerale estus bona, ĉar la homoj alproksimiĝus, se ekzistus nur unu lingvo. Kaj mia onklo diris: Kiam ci venos al Francio? Homoj kiel ni lastfoje venis al Francio sub imperiestro Vilhelmo. – Kaj mia patro diris, ke sinjoro Ŝloder, ĉefo de la grenfirmao, kie laboris mia patro, ke li ankaŭ lernas Esperanton. – Jes, diris onklo Joĉjo, li eble venas al Francio, sed li komprenas, diris mia onklo, ke mia patro kaj sinjoro Ŝloder treege alproksimiĝus, se sinjoro Ŝloder vendrede dum salajropago, se li tiam diras: Do, Niebuhr, kvardekok regulajn plus kvar kromhorojn – entute kvardekdu markojn kvardek fenigojn, se li tion diras esperantlingve."

„Tio estas interesa", diris la leŭtenanto. „Via patro pensis iomete kiel la bona doktoro Zamenhof kaj mi, mi pensas iomete kiel via onklo Joĉjo. Ĉu tio ne estas interesa? Kion vi opinias: se ni ambaŭ scipovus Esperanton, vi kaj mi, ĉu ni pli bone interkompreniĝus? Kion vi opinias: se vi estus scipovinta Esperanton kaj la homoj en Mila-strato kaj Zamenhof-strato ankaŭ estus scipovintaj Esperanton, kion vi opinias: ĉu oni interkonsentintus ne detrui Zamenhof-straton ktp.?"

„Mi scias, mia patro plej ofte malpravis kverelinte kun onklo Joĉjo."

„Nu", diris la leŭtenanto, „mi devas iomete defendi vian patron. Li ne ĉiam malpravis. Ĉu li ne venis al Francio?" (Niebuhr, la patro, mortfalis en Francio).



Foto: Zentralbild

Trad. Linde Knöschke

## RECENZOJ

### „En Maskobalo"

La leganto vere sentas plezuron, legante la volumeton „En Maskobalo" de Julio Baghy, eldonita de Hungara Esperanto-Asocio en 1977. (140 p). Temas pri kvin unuaktajoj sub la titoloj: En maskobalo, Samumo, Ni vivas kiel kolomboj, Landvoja rakonto, Dum tondras kanonoj.

Ĉiu el ili havas sian apartan emociigan kernon, kiu eble al la nuntempa generacio povus efiki tro sentimentale aŭ romantike. Tamen oni ne povas sin deteni agnoski la esprimitajn homajn sentojn. Pli malpli surprizas la foje psikologie interesaj solvoj. Ĉiu unuaktaĵo, ĉu bagatela aŭ drameca, estas atentokapta de la unua ĝis la lasta linio. Senteblas, ke la aŭtoro mem estis aktoro, kiu scipovis reĝisori. La lingvo estas senkomplike flua, glata kaj bone komprenebla kaj por eblaj rolantoj kaj por spektantoj. La eldono estis inda omaĝo okaze de la deka datreveno de la forpaso de la klasika „homa homo" kaj populara aŭtoro.

Hella Sauerbrey

### „Hundbazaro",

Kun plezuro mi legis kaj ĝuis la 33 hungarajn infanpoemojn, kiun eldonis Hungara Esperanto-Asocio 1979 okaze de la Internacia Jaro de la Infano. (68)

Mi eĉ amas kelkajn, kvankam mi estas serioza plenkreskulino. Ravas min la ritmoj, rimoj kaj refrenoj, kiuj per si mem muzikas kaj tutcerte rapide kaj facile estos enkapigitaj de infanaj cerboj. Ili invitas eĉ al kantado kaj moviĝado. Provu mem ekz.: „Nandanco" aŭ „Vagabonda Paŭl" aŭ „Foir-invito" aŭ „Hundbazaro" aŭ i. a.

En „Foir-invito" superfluas du apostrofoj en la 21a kaj 23a linioj, kio tamen entute ne ĝenas la gajigan foirtumulton. Interesa unikaĵo la kruc-stebo, kiu kiel kelkaj aliaj poemoj iom superas la infanan horizonton.

Por ne hungaraj legantoj ege valoras la postvortoj de Peter Andras Rados, kiuj konatigas la 10 aŭtorojn, inter ili la du klasikuloj Sandor Petöfi kaj Attila Jozsef. La 5 tradukintoj estas: Marton Fejes, Adalberto Hules, Kalman Kaloscay, Peter Andras Rados kaj Imre Szabo.

Kio estus libro por infanoj sen ilustraĵoj? La 16 ruĝe-nigraj desegnaĵoj taŭgas, instigi la fantazion kaj samtempe inviti al legado.

Hella Sauerbrey

Vilmos Benczik:

### Libro de romanoj.

HEA, Budapest (1979), 229 p.

„Freneza dana reĝido longe cerbumas, kaj fine li mortigas la amanton de sia patrino." Similaj ŝercaj „koncizigoj" de literaturaj ĉefverkoj cirkulas en multaj landoj . . . kaj per tiuj vortoj la aŭtoro enkondukas sian bonŝance malpli koncizan kolekton de ses romanoj, en Esperanto originale aperintaj komence de nia jarcento.

(Henry Vallienne: „Kastelo de Prelongo" [1907], 515 p., „Ĉu li?" [1908], 447 p., Heinrich August Luyken: „Paŭlo Debenham" [1912] 228 p., „Mirinda amo" [1913], 295 p., „Stranga heredaĵo" [1922], 320 p., „Pro Iŝtar" [1924], 304 p.)

Helpe de sia reeldono kaj koncizigo V. Benczik ebligas al la nuntempa esperantisto konatiĝon kun parte forgesita idea fono de la tiama Esperanto-movado kaj kun la frua Esperanta prozo. Oni povas

informiĝi pri tiuj eksmodaj ampleksaj romanoj por fakte plivastigi sian scion kaj komprenon de la historio de la Esperanta literaturo. La enhavoj estas pasinttempe romantikaj kaj moralinstruaj. Sed krom tio la legado povas prezenti ridige amuzan okupon, ĉar okazas la plej neverŝajnaj aventuroj, miskomprenoj, malicoj, trompoj, krimoj kaj feliĉaj solvoj, kiuj nepre kaptas la atenton kaj scivolon pri daŭrigo.
Specimenoj de la originala lingvaĵo de la romanaŭtoroj aperas kursive presitaj en ĉiuj rerakontaĵoj.
La libro haveblas (kiel ciuj HEA-devenaj literaturaĵoj) helpe de la Hungara Kulturcentro en Berlin.

Linde Knöschke

## Tri hungaraj Esperanto-libroj

1. **La kato en la sako.** Tankönyvkiadó, Budapest (1978), 133 p.
2. F. V. Dorno: **Satiroj** (La aventuroj de L.R.M. Stultulof la X-a de Fuŝio / Levu la manojn!). Hungara Esperanto-Asocio, Budapest (1977), 140 p., Dua eldono
3. Endre Ady: **La morto de la ĉielarko.** Elektitaj poemoj kaj artikolo. Trad.: Baranyai, Benczik, Fejes, Kalocsay, Rados, Szilágyi. Hungara Esperanto-Asocio, Budapest (1977), 87 p.

Pluraj tri hungaraj libroj pliriĉigas la libromerkaton de la Esperantistoj. La unua aperis ekster HEA en serio de malmultkostaj fremdlingvaj broŝuretoj, kiel Esperanto-eldono, kompilita far Vilmos Benczik. Famaj Esperanto-aŭtoroj kiel Zamenhof, Auld, Schwartz, Boulton, Szilágyi kaj aliaj kontribuis plejparte gajajn rakontetojn sed ankaŭ kriminalan kaj utopian epizodojn, pripensindaĵojn kaj poemojn. La tekstoj estas mallongaj kaj taŭgas tre bone kiel grupvespera komuna legaĵo. En la anekso troviĝas koncizaj informoj pri la aŭtoroj, por hungaroj eĉ klarigoj nacilingvaj kaj mini-vortaro.
La aliaj du libroj apartenas al la tielnomata „Libroserio 2", per kiu HEA celas havigi al internacia legantaro kaj amuzajn kaj valorajn legaĵojn.
La satiroj de la flandra Esperantisto F. V. Dorno unuan fojon aperis inter la du mondmilitoj. La unua parto mokas pri ege stulta reĝo en elpensita lando, la dua parto estas kriminala komedio, kiu disvolviĝas dum Universala Kongreso de Esperanto. Sendube kelkaj el la primokitaj tipoj kongresas ankoraŭ hodiaŭ.
Plej interesa kaj plej hungara estas la tria libro, omaĝo al Endre Ady (1877 ĝis 1919), post Petőfi la plej granda hungara poeto. La plimulton el la elektitaj poemoj tradukis Kálmán Kalocsay, vera majstro de la lingvo, kiu ankaŭ verkis la enkondukan artikolon pri vivo kaj verko de Ady. La poezio de Ady respegulas la maltrankvilan ribeleman mondon de la jarcent-komenco, antaŭ unua mondmilito kaj burĝa revolucio sed prikantas ankaŭ la amon. La tradukintoj tre klopodis trafi la specialan lingvaĵon de Ady, ritmon de revivigita malnova hungara lingvo.
Vilmos Benczik elektis kaj tradukis krome kelkajn artikolojn el la plumo de la poeto. Inter ili certe impresas „Aŭtobiografio" kaj „Hungara problemo", en kiu Ady priskribas hazardan renkonton kun junaj anglaj Esperantistoj survoje al Ĝeneva kongreso (1906). Ady konkludas, ke la problemo de internacia lingvo por hungaroj estas centoble pli grava ol por ekzemple francoj. „Frenezi ni devus de la ĝojo, ke ekzistas plano, kiu lude nin enŝtelos inter la kulturajn popolojn."
Vere kaj rajte la hungaraj Esperantistoj sukcesis unu fojon pli helpe de Esperanto prezenti al la mondo mozaikeron de la hungara kulturo.

Linde Knöschke

## „Cent Tridek Tri Tagoj"

**Historia skizo de Hungarlanda Proletara Revolucio – Dua eldono – Budapest 1979 – Hungara Esperanto-Asocio. 228 kaj bildparto**

Honore al la jam pasita 60a datreveno de la Granda Oktobra Socialisma Revolucio kaj la sama jubileo de la Hungara Konsilantara Respubliko en 1979 Hungara Esperanto-Asocio reeldonis la libron „Cent tridek tri tagoj". La unuan eldonon oni aperigis en eldonejo EKRELO, Leipzig, en la jaro 1930 per subteno de sovetaj esperantistoj-kamaradoj.
Ekzemple k-do N. Nekrasov tiutempe lingve kontrolis la tekstojn. Krom la „Saluto al la hungara laboristaro" de V. I. Lenin la volumo enhavas vicon de aŭtentikaj kaj elektitaj artikoloj de gvidantoj kaj aktivuloj de la hungara proletara revolucio. La kompilintoj lerte aranĝis la vicon tiel, ke la leganto gajnas bonan eblecon superrigardi la liberecan strebadon de la hungara popolo ekde la jaro 1848, la evoluon de la progresema hungara laboristaro, la naskiĝon de la Hungara Konsilantara Respubliko kaj ties pereon post 133 tagoj.
Kiel suplementon la libro entenas literaturan parton, kiu prezentas kelkajn beletrajn kontribuaĵojn, poemajn kaj prozajn, kiuj rilatas al revoluciaj eventoj, precipe al tiaj de la Konsilantara Respubliko. Malgranda, sed bona aro da bildoj ĉesigas la volumon.
Kun HEA mi samopinias, ke la politika valoro de la enhavo nepre rajtigas la reeldonon. Ĉi tiu historia skizo estas kvalite bona materialo ne nur por koniĝi kun grava epoko de la hungara historio, sed ankaŭ por pliriĉigi la scion pri revoluciaj procesoj. Dankinde estas, ke en la antaŭparolo al la dua eldono oni atentigas pri novaj partihistoriaj esplorrezultoj kaj spertoj de la internacia laborista movado, kiuj refutas kelkajn teoriajn konstatajojn en la unua eldono.
Estis precipe feliĉa ideo de HEA, aldoni ĉapitron „Esperanto-movado dum la revolucio" al la dua eldono. Ĉi tiu parto enhavas tre multe da sciindaĵoj por ĉiu esperantisto. Sole la sekva frazo, kiu rilatas la tempon de la Konsilantara Respubliko, atestas la grandegan gravecon, kiun la reganta laborista klaso atribuis al Esperanto: „Laŭ la nova mezlerneja programo la gimnazianoj devis lerni du fremdlingvojn. Inter la elekteblaj lingvoj estis ankaŭ Esperanto". Bedaŭrinde estas, ke en la reeldono mankas kaj la alfabeta listo por „malfacile komprenablaj kaj malofte uzataj terminoj" kaj la „tabelo por bezonataj klarigoj „menciataj en la antaŭparolo al la unua eldono. Anstataŭe oni trovas „indekson", kiu prezentas nomliston pri la plejmulto da personoj, kiuj estas nomataj en la artikoloj.
Stilo kaj lingvo de la libro estas bonaj kaj facile legeblaj. Kelkaj malmultaj preseraroj preskaŭ ne estas menciindaj kaj nepre ne malhelpas la ĝuon legi la libron. Malperfekta estas la tabelo „Enhavo" (paĝo 228). Ĝi ne akordas kun la komencoj de la artikoloj. Krome oni serĉas vane la artikolon „La Karolyi Revolucio" (paĝo 36) en la „Enhavo".
Resumante mi opinias la libron valora. Ĝi estas altgrade instrua kaj eduka. Estas rekomendinde studi la broŝuron.

H. Buth

# Tiun ĉi numeron eldonis la MEM-Sekcio de Germana Demokratia Respubliko

Redaktoro: D-ro Detlev Blanke

**Redakta Komitato**

Violin Oljanov (Bulgario) – ĉefredaktoro
Nikola Aleksiev (Bulgario)
D-ro Detlev Blanke (GDR)
André Cherpillod (Francio)
Kimiaki Kurita (Japanio)
William Gilbert (Francio)
Bolek Staszczak (Pollando)
Oldrich Knichal (ĈSSR)
Asen Grigorov (Bulgario)
Kiril Drajev (Bulgario)

La redakcio atendas kontribuaĵojn de pacamikoj el la tuta mondo. Ju pli da kunlaborantoj, des pli varia interesa revuo. Sendu la materialojn prefere tajpitaj aŭ tre klare mane skribitaj kun interlinia spaco kaj marĝeno, sur grandaj folioj de kancelaria formato. La redakcio akceptas nur originalan (unuan) ekzempleron de la tajpaĵo. Kopioj estas lasataj sen konsidero. Skribu tre klare viajn nomojn kaj adresoin en nacia lingvo! La redakcio ne resendas neuzitajn materialojn.

## Kien skribi

**Honora prezidanto:** Nikola Aleksiev, str. Nezabravka 1, vhod 2, 1113 Sofia, Bulgario.

**Prezidanto:** D-ro Pethes, Imre, H - 1940 Budapest VI, Népköztársaság utja 73, Hungario

**Vicprezidantoj:**
D-ro Magomet Isaev, prosp. Kalinina 14, Moskva K-9, USSR
Glady Claude, 21 rue Kessels, B - 1030 Brüssel, Belgio

**Ĝenerala sekretario:** William Gilbert, 30. rue Croix-Montoire, 37100 Tours, Francio

**Sekretarioj:**
Syozi Nanba, Huruiti 3-13-26, Zyôtô-ku, Osaka, Japanio
Inĝ. Angel Todorov, bulv. Emil Markov, blok 37, 11, 1404 Sofia, Bulgario

**Ĉefredaktoro:** Violin Olyjanov, str. Bojanski Vodopad 241. E, 1404 Sofia, Bulgario

**Centra administrantino:** Vasja Petrova, Bulgara MEM-Komitato, bulv. Ĥristo Botev 97, 1303 Sofia, Bulgario

**Centra kasisto:** (por la okcidentaj landoj) Pierre Jouvin, 14 rue Thiers, 76120 Grand Quevilly, Francio (Poŝtkonto CCR – Rouen 102-45 P.)

**Respondeculo pri landaj numeroj de „Paco":** Helmut Fuchs, Hohe Str. 33, DDR - 83 Pirna, Germana DR.

## Kie aboni „Pacon"

**Aŭstralio:**
N. A. Collier, 7 Monomeeth St., Buderim Qld. 4556

**Aŭstrio:**
Ernesto Quietensky, Pappenheimergasse 70/3/12, A-1200 Wien AuS 100,–

**Belgio:**
Glady Claude, 21 Rue Kessels, 1030 Brüssel

**Britio:**
Paul Hewitt, Laycroft, Main Road, Covenham, Louth, Lincs, LN 11, OPF

**Bulgario:**
Bulgara MEM-Komitato, bulv. Ĥristo Botev 97, 1303 Sofia 3 levoj

**Ĉeĥoslovakio:**
Ĉeĥa Esperanto-Asocio, MEM-Sekcio, Jilská 10, 110 00 Praha 1 30 kronoj

**Danlando:**
Egon Starup, Brovaenget 26, DK - 2700 Kobenhavn BRH.

**F. R. Germanio:**
Roland H. Hagen, Iggelbach, Schloßgasse 30, D - 6731 Elmstein 2 12 DM

**Finnlando:**
Erkki Järvinen, Ukonkivenpolku 2–1–68, 01610 Vantaa 61 30 fin. m.

**Francio:**
Roger Degrelle, 11 Cours Lépold, 54042 Nancy-Cedex 40 fr. fr.

**Germana Demokratia Respubliko:** Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR, Charlottenstr. 60, 108 Berlin 30 M

**Hispanio:**
Luis Serrano Perez, Font Nova 32, Sabadell (Barcelona)

**Hungario:**
Hungara MEM-Komitato, H - 1368 Budapest 5, pf. 193, 36 forintoj

**Italio:**
Riccardo Pinori, V. le Ghisleri 9/15, I - 00176 Roma, (p. ĝ. k. 64882004)

**Japanio:**
Kurita Kimiaki, 1209–98 Sakuragaoka, Yata Misima, 411 (Japana Pacdefenda Esperantista Asocio)

**Jugoslavio:**
Dim. Bjelanoviĉ, Zahumska 23b, Beograd-Dobrinjska 12

**Kubo:**
Rufino Lopez, Havana Esp. Rondo, Pôŝtkesto 314, Habana 1

**Norvegio:**
Olaf Reiersol, Buerstad, N - 3135 Torod

**Okcidenta Berlino:**
Manfred Kossolobov, 1 Berlin, Topiauer Allee 2

**Pollando:**
Ruch – Warszawa

**Portugalio:**
Portugala E-Asocio, Rua Dr. Joao Couto 6, R/C A-Lisboa 350 escudo

**Rumanio:**
Cosma Dorin, Muzicescu 26, Sc. C, ap. 17, R - 1900 Timisoara

**Socialisma Respubliko Vjetnamio:**
Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio, 107 Quan Than, Hanoi

**Sovetunio:**
Unuiĝo de sovietaj societoj pri amikecaj kaj kulturaj rilatoj kun aliaj landoj, prosp. Kalinina 14, Moskva K-9 1,80 rbl.

**Svedio:**
Tomas Jannson, Väktargatan 26 D, S - 754 22 Upsala

**Usono:**
James Deer, 11905, SW Settler Way, Beaverton, Or. 97005

**Aliaj landoj:**
Bv. turni vin al Pierre Jouvin (centra kasisto – vd. maldekstre)

## Grave:

Abonpagojn el socialismaj landoj sendu al 1303 Sofia, bulv. Ĥristo Botev 97 (por „Paco"), El nesocialismaj landoj – al la edreso de la Centra kasisto – 40 fr. fr.



### Bulgario

Gekomencantoj de E-kurso dez. kor. tutmonde: **Esperanto-Societo „supreniro", 61–55 Pavel banja**
Geesperantistoj de societo „Kolombo de la paco" dez. kor. p. ĉ. t.:

Jovka Dimitrova Ĵeleva, str. „Ĉatalĝa" 20, **6280 Gäläbovo** (teknikistino, 35 j.)

Pepa Stefanova Karalvanova, **v. Obruĉiŝste,** distr. Starozagorski (teknikistino, 21 j.)

Goŝo Petrov Marev, **6280 Gäläbovo,** str. „G. Dimitrov" 105 (teknikisto, 23 j.)

Dinka Teneva Nedeva, **6280 Gäläbovo,** Str. „Tiĉa" 4 (oficistino, 36 j.)

Donka Genevao Ikem Ĝieva, **6281 Aprilovo,** Starozagorsko (instruistino 22 j.)

Mata Peneva Radeva, **6280 Gäläbovo, str.** „Opälĉenska" 15 (teknikistino, 20 j.)

Kiro Ĵeljazkov Goĉev, **6280 Gäläbovo,** Bl. 18, vh. A. ap. 7 (teknikisto, 38 j.)

Vanja Mitkova Metohova, **6280 Gäläbovo,** kv. Mitju Stanev (teknikistino, 20 j.)

Stojĉo Kojĉev Dimov, **6280 Gäläbovo,** bl. 55, ap. 8 (teknikisto, 28 j.)

Daniela Ivanova Georgieva, **6200 Ĉirpan,** str. „Javorov" 16 (lernantino, 18 j.)

Mitko Kanev Mitev, **6280 Gäläbovo,** str. „Stara Planina" 12 (lernanto, 10 j.)

Toŝko Enĉev Stefanov, **6280 Gäläbovo,** str. „Opälĉenska" 5 (veterinara teknikisto, 22 j.)

Donĉo Ivanov Filjmonov, **6280 Gäläbovo,** str. „Ĉaja" 14 (teknikisto, 22 j.)

Ĵivko Halaĉev, **6280 Gäläbovo,** str. „Sazlkja" 10 (teknikisto, 22 j.)

Krasimira Miteva Tendva, **6280 Gäläbovo,** str. „Lozenec" 18 (lernentino, 13 j.)

Geesperantistoj de societo „Kolombo de la paco dez. kor. p. ĉ. t.:

Goĉo Mitev Koev, **6280 Gäläbovo,** str. „Väzrajdane" 14 (instruisto, 44 j.)

Ĵeljazko Tenev Välĉanov, **6284 Musaĉevo,** Starozagorsko (ĉefkuiristino, 26 j.)

Penĉo Janev Penev, **6280 Gäläbovo,** str. „Spartak" 17 (teknikisto, 22 j.)

Tihomir Ĵelev, **6280 Gäläbovo,** str. „Panega" 8 (lernanto, 10 j.)

### GDR

Kuracisto dez. kor. pri turismo, kol. bk: D-ro Rudolf Grohser, **89 Görlitz,** Biesnitzer Str. 45

Komencantoj dez. kor.:

Gabriele Schoerner, 12 **Frankfurt/O.,** W.-Pieckstr. 324

Detlef Lindner, 12 **Frankfurt/O.,** Aurorahügel 6

Gabriela Pohland, 12 **Frankfurt/O.,** Huttenstr. 1

Instruistino por fremdaj lingvoj dez. kor. pri lingvoj kaj literaturo: Sabine Liesecke, **7033 Leipzig,** W.-Zipperer-Str. 41

## Hungario

Instruisto por matematiko, 25 j., dez. kor. k. gejunuloj el GDR pri literaturo, historio, muziko, lingvoj: Tomás Veizer, **9401 Sopron Bácsiút**, Pf. 0327

39 j. ĝardenteknikisto dez. kor. pri mondkoncepto de Esperanto, turismo, muziko: Johano Mezev, **1222 Budapest**, Andra u. 9

Junulo, 20 j. dez. kor. k. germanaj gejunuloj pri muziko, arto, historio: Johano Koncz, Koka Petöfi u. 4, H - 2243

Inĝeniero, 40 j., prezidanto de la loka E-klubo, dez. kor. pri vojaĝoj, naturo, ekskursoj, kaj ankaŭ serĉas gekorespondantojn por liaj klubanoj: József Zónai, **Kiskunhalas**, Allomás u. 2, H - 6400

Arkitekta teknikisto, 31 j., dez. kor. pri vojaĝoj, malnova arkitekturo, moderna muziko, kol. diapozitivojn, gramofondiskojn: Gözö Gaál, **4031 Debrecen**, Kebnika's str. 6, part. 6

## Kubo

Studento, 18 j., dez. kor. k. geesperantistoj el GDR p. ĉ. t., kol. pm. bk, librojn, revuojn: Alberto F. Calienes B., Edif. 11 apto. 9, E/21 y 22, Rpto. Bahiá C. **Habana**

## Pollando

Studentino, 22 j., dez. kor. pri literaturo, filozofio, muziko, sporto: Janina Kowalska, **21-500 Biala Podlaska**, ul. Chrobrego 4/21

Instigu kajkuraĝigu junajn gekursanojn amase skribante al E-klubo ĉe Zespól Szkól Zawodowych nr. 5, ul. Tkacka 11, **PL-97-200 Tomaszów Maz.**

Ŝuisto, 59 j., dez. kor., kol bk: Josef Kozlowski, **Gniewkowo**, pow. Inowroclaw

Instruistino, 25 j., dez. kor. tutmonde pri literaturo, moderna muziko, sporto, turismo, kol. pm, bk, revuojn: Krystyna Slaboszewska Mirków, str. Kochanowskiego 7, **56-411 Dlugoleka**

Gelernantoj 11–16 j., dez. kor. tutmonde. Komuna adreso: Jadwiga Vrona, ul. Wyspiańskiego 8 m 58, **25-409 Kielce**

Zygmunt Chojnacki, ul. Gagarina 12, m 42, **93-509 Lodz**, dez. kor. pri muziko, sporto kun gejunuloj el GDR

Junulino, 19 j., dez. kor. k. germanaj esperantistoj pri sporto, filmo, muziko: Elzbieta Kasprzak, Piwonin 28, **Sobienie-Jeziory**, 05-490

Magistro, mekaniko-inĝeniero, 39 j., dez. kor. k. instruistino'j: Jerzy Nowakowski,15-950 **Bialystok 1**, Skrytka pocztowa 310

Tajloro, 47 j., dez. kor. k. geesperantistoj el Afriko kaj Sudameriko: Heinrich Zygowski, ul. Glowa 22, **89-500 Tuchola**

25 jara fraŭlino dez kor. tutmonde pri turismo, arto, naturo, fotografajo, biologio: Zofia Wawer, **Wroclaw**, str. Powstaricźw 105/26

## Rumanio

Emilo Radu, str. St. Gheorghiu 33, **7300 Tyhunes**, dez. kor. k. E-familio el Dresden kaj Erfurt

Infanvartistino, 29 j., dez. kor. tutmonde: Gabriela Polak, Sitei 34, **2200 Brasov**

## Soveta Unio

19 jara studento dez. kor. tutmonde pri junulara vivo, E-movado, muziko, literaturo, lingvoj, scienco, vojaĝoj, kol. diskojn, bk, pm, esperantajojn: Aleksandr Mikiŝev, str. Kustanajskaja 17-16, **614 056 Permj**

Komencanta esperantisto, instruisto de universitato, dez. kor. p. ĉ. t. kun esperantistoj el GDR: Oleg Ignatjev, **117 279 Moskvo**, ul. Profsojuznaja 83-3

Dek gekomencantoj el **MINSK** (Belorusa SSR) deziras korespondi kun geesperantistoj el GDR:

Marina Niĉiporenko, inĝenierino, 31 j.,

Svetlana Grigorenko, inĝenierino, 28 j.;

Natalja Zelenkova, tradukistino el la germana k angla lingvoj, 26 j.;

Natalja Udalcova, biliotekistino de germanlingva fako, 25 j.;

Marina Evdokimova, teknikistino, 24 j.;

Georgij Korolonok, fotolaboranto, 22 j.;

Vasilij Carenko, studento de politeknika instituto, 21 j.;

Olga Myŝkovskaja, studentino de ekonomia instituto, 20 j.;

Svetlana Gurova, studentino de ekonomia instituto, 20 j.;

Komuna adreso: 220050 **MINSK**, P.K.33, Esperanto-Klubo.

Mezlernejanoj, 8a–11a klaso, dez. kor.:

Vida Aleknaite, Debrecene 34–52, **235 811 Klaipeda**

Janina Bajelyte, Baltijos pr. 71–63, **235 815 Klaipeda**

Birute Daukŝyte, Kauno 23–26, **235 802 Klaipeda**

Edvinas Elenskis, Spalio pr. 21–42, **235 812 Klaipeda**

Jacendra Gedgaudaite, Debreceno 34–11, **235 811 Klaipeda**

Auŝra Jankauskaite, Debreceno 53–19, **235 819 Klaipeda**

Rasa Jankauskaite, Debreceno 53–19, **235 819 Klaipeda**

Rida Kirmeleviĉiute, Debreceno 22–16, **235–811 Klaipeda**

Edmundas Kusas, Kauno 15–60, **235 802 Klaipeda**

Gintautas Labutis, Taikos pr. 41–73, **235 802 Klaipeda**

Daiva Lelyte, Komjaunimo 8/17–28, **235 802 Klaipeda**

Valdemaras Malceviĉius, Kauno 3–88, **235 802 Klaipeda**

Dalia Mardosaite, Taikos pr. 97–15, **235 819 Klaipeda**

Irena Mickute, Taikos pr. 77–18, **235 811 Klaipeda**

Jolanta Pakamoryte, Gedminu 6–48, **235 815 Klaipeda**

Izolda Parfionova, Zardininku 9–52, **235 819 Klaipeda**

Auŝra Petrauskyte, Debreceno 74–30, **235 815 Klaipeda**

Jonas Pocius, Joniŝkes 14–10, **235 812 Klaipeda**

D. Puĉkoriute, Taikos pr. 86–29, **235 819 Klaipeda**

Laima Ŝiauĉiunaite, Rumpiŝkes, 22–2, **235 802 Klaipeda**

Laima Vaiĉiunaite, Baltijos pr. 89–3, **235 815 Klaipeda**

Irena Vasiliauskaite, Komjaunimo 8/17–8, **235 802 Klaipeda**

Arturas Zalunskis, H. Manto 51–1, **235 808 Klaipeda**

Rita Zalyte, Kauno 23–13, **235 802 Klaipeda**

Vera (22 j.) kaj Paŭlo (25 j.) Vasiljkovskije dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., adreso: **410 002 Saratovo**, Do vostrebovanija

Richard Tammik, **202 105 Hulja**/Rakvere, Estn. SSR, dez. kor. kun geesperantistoj el GDR

Komencanta esperantisto, lernanto en agroteknikumo, dez. kor.: Egidijus Dumĉiui, Maŝzydo alija 11–17, **235 Klaipeda**

En mia kolekto de „der esperantist" mankas la kajeroj 1–6. Kiu povas sendi ilin kontraŭ ia rekompenco? Ivan Kulakov, ul. Lizjukova 65–296, **Voronej – 394 088**

Tjumena E-klubo organizas ekpozicion de plakatoj „Homo kaj naturo". Temas pri naturo kaj defendo de naturo. Bv. sendi plakatojn pri tiu temo. Ĉiu sendinto estos rekompencota per olimpikaj aŭ politikaj plakatoj aŭ laŭ deziro. E-klubo „Revo", **625 009 Tjumenj**, a. k. 139

Instruistino, 29 j., dez. kor. pri sporto, muziko, vojaĝoj, lingvoj: Meida Paju, Saaremaa, **203 300 Kingissepa**, Koidu 39, Estn. SSR

Anoj de E-sekcio de ŝtata universitato Vladivostok dez. kor. kun geesperantistoj el GDR, bv. skribi al Esperanto-Sekcio, Sergej Anikejev, **690 652 Vladivostok**, GSP Uboreviĉa 25

Geedzoj 55 j. k. 48 j. serĉas kontaktojn kun geesperantistoj dum veturado en GDR somere 1980 el urboj Berlin, Leipzig, Dresden, Karl-Marx-Stadt: Naum Levickij, **310 136 Ĥarkovo**, str. Traktorostroitelej 103/93

Junaj esperantistoj de la pionira tendaro „Artek" aranĝas ekspozicion, dediĉitan al 110jar jubileo de V. J. Lenin kaj grandan porpacan ekspozicion. Rv. sendi salutleterojn, librojn, afiŝojn, E-aĵojn, desegnaĵojn, fotojn, bildkartojn, filatelajojn al: Klubo de internacia amikeco, Esperanto, **334 265 Artek-1**, Krimeo

Pionirgvidantino, 22 j., dez. kor. kun samaĝaj geesperantistoj el GDR pri la vivo en GDR: Nadia Koncevniǩova, **404 123 USSR**, 11 u/p. d. 4, kv. 24

Instruistino dez. kor.: Lena Ostroverhaj, **454 111 Ĉelabinsk**, p. k. 3876

Studento (hungaro) de Tartua Ŝtata Universitato, (17 j.) dez. kor.: László Szocska, **202 400 Tartu**, Ŝoseo Leningradi 89 Lernantino, 17 j., dez. kor. pri sporto, arto, moderna muziko, kol. bk, kalendaretojn: Daiva Mockyte, Kooperacijos 5–46, **235 805 Klaipeda**

Lernantino, 20 j., dez. kor. pri sporto, muziko, arta literaturo, turismo, kol. bk: Ema Katkute, Mazuydo al. 7–4, **235 800 Klaipeda**

Prezidanto de Krasnodara urba E-organizajo serĉas por 200 klubanoj gekorespondantojn tutmonde. Skribu al: Sergej Koearg, **350 049 Krasnodar**, ul. Gagarina 145, kv. 11

Lernantino, 15 j., dez. kor. tutmonde: Jolanta Pakamoryte, Gedminu 6–48, **235 815 Klaipeda**

Laima Bieliauskaite, **234 365 Staliŝkes**, Prienu Raj., (18 j.) dez. kor. tutmonde pri moderna muziko, kol. bk

Gejunuloj, 16–20 j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Marta Stepani, E-rondeto „La ondo", **Ventspils 229 910**, str. Kurzemes 15–1

Lernantino dez. kor. kun junaj geesperantistoj tutmonde pri libroj, muziko, kol sondiskojn, fotojn de aktoroj: Izolda Parfionova, str. Lardininkei 9–52, **235 819 Klaipeda**

14 j. lernanto dez. kor. k. 12–14 j. esperantistoj pri historio, fotado, sporto: Yuri M. Ŝevĉenko, Puŝkin Pr. 64–203, **220 073 Minsk**

Filologo, 30 j., dez. kor. tutmonde pri literaturo (sf k. aventura), belartoj, historio, kol. bk.: Stanislao Bistricki, ul. Kirova 14/2, kv. 15, **690 068 Vladivostok**

**Eldoninto de tiu ĉi numero:**
GDR-MEM-sekcio, Kulturligo de GDR / asocia sekretariejo (Centra Laborrondo Esperanto). Redakcio: 108 Berlin, Charlottenstrato 60, Telefono: 2 20 29 91. Respondeca redaktoro: D-ro Detlev Blanke. Redakcia komisiono: Otto Bäßler, Ludwig Schödl, Rudolf Hahlbohm, Werner Pfennig. Redakcia fino: 28a de Februaro 1980. Presejo: Grafischer Grossbetrieb Völkerfreundschaft Dresden, Betriebsteil Meissen.
0416 - 36



*Unua kovrila paĝo: Afiŝo, eldonita de la preparkomitato por la Forumo pri Paco kaj Malarmado, 1979 en Tokio.*

Foto: Zentralbild